XXVI-a jaro. — N° 362-363 (10/11). Monata Oktobro-Novembro 1930.



# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.**

ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.




## Ĉu Angla, ĉu Esperanto ?

*Multaj legantoj petas, ke ni daŭrigu ĉi tie la ĝeneralajn artikolojn, kiujn ili bezonas por sia propagando kaj tradukas por sia nacia gazetaro. Ni volonte respondas al tiu ĉi peto. La celo de UEA estas ĝuste servi ĉie al niaj pioniroj. Ili bonvolu siaflanke fari energian klopodadon por revarbado de niaj anoj. Ni bezonas ne nur almiliti, sed teni forte la bazon.*

*
* *

Aperas denove proponoj por simpligi la komplikan ortografion de la angla lingvo, ~~kiu staras tiel mal-~~ proksime de ĝia elparolado, do estas tiel « malfonetika ». Tia klopodado ne estas nova. Jam siatempe Prezidanto Roosevelt en Usono klopodis por tio absolute sensukcese.

Nun la klopodo venas el Skandinavaj amikoj de la angla lingvo, kiuj konstatas ĝian disvastecon kaj ŝatus helpi al ĝia oficialigo kiel helpa mondlingvo kondiĉe, ke ĝi malbarbarigu sian skribon. La proponitaj ortografioj certe helpas la ceterajn naciojn por iom pli facile lerni la anglan lingvon. Fakte en multaj landoj oni jam kutimas nun instrui ĝin uzante eĉ ankoraŭ pli radikalan sistemon, nome absolute fonetikan skribon.

Por ĉiu vorto la lernantoj devas koni du ortografiojn, la oficialan kaj la « sonan », ekzemple *mouse* kaj *maŭs* por *muso*, *pleasure* kaj *pleĵer* por *plezuro* k.t.p. Oni nun proponas trian, kiu starus inter ambaŭ kaj estus nek tute korekta, nek tute fonetika.

Estas antaŭvideble, ke ĝi ne sukcesos. La angle parolantaj nacioj ne ŝanĝos sian kutimon por plaĉi al ceteraj landoj. Ili sentas sin tro fortaj por tio kaj eĉ usona ŝtatestro ne povis ilin interesi je tio. La fremdaj instruantoj preferos daŭrigi la nove akceptitan metodon lernigi la oficialan ortografion kaj la ĝustan elparolon por doni al siaj kursanoj la du flankojn de la realo, la skriban kaj la parolatan anglan lingvon.

Fakte multaj homoj eksterlande ne parolas angle, sed nur legas, kaj la ortografio faciligas tion al ili, ĉar ĝi konservas en la skribo parencecon de multaj vortoj kun francaj (el normanda epoko). Tiu parenceco malaperis sone kaj do nur la skribo povas helpi tie, almenaŭ por latinanoj. Male por germanoj la parencaĵoj aperas pli ofte en la sono. Komparu *mutton* kaj *house*.

La plej grava malfacilaĵo de la angla lingvo ne kuŝas tiom en ĝia skribo, kvankam malsimpla, kiom en ĝiaj sonoj, kiuj estas ja la lingvo mem, dum la ortografio nur servas por ĝin reprezenti sur papero. La sonojn de vivanta lingvo neniu povas ŝanĝi el ekstero. Kiu volas paroli angle devas ilin imiti, kiom eble plej proksime. Tie povas helpi nur severa fonetiko, ne duona.

Sed eĉ tiel restas la fakto, ke tiuj sonoj estas malfacilaj por eksteruloj. Pri konsonantoj *th* kaj *r* ni eĉ ne parolu. Sed la multeco de diversaj vokalsonoj en angla lingvo kaŭzas grandajn konfuzojn al fremdaj oreloj. Se la vortoj estas multsilabaj, restus aliaj rimedoj por helpi distingon, sed la angla lingvo uzas antaŭ ĉio unusilabajn vortojn kiel la ĉina kaj ĝi emas unusilabigi parole siajn aliajn vortojn. Aŭdu *prison* (priĵn) aŭ *vital* (vajt'l).

Tio ja kaŭzis la rimarkindan nesukceson de la angla lingvo sur la parolata radio-kampo, dum ĝi plene venkis la skriban radio-telegrafion. Male lingvoj kiel itala aŭ esperanta, kun malmultaj vokalsonoj kaj plimulto de plursilabaj vortoj montriĝis despli klare aŭdeblaj.

En ĉiu internacia kongreso estas spertata la fakto, ke diversaj nacioj ne kompreniĝas facile angle, sed prefere france aŭ germane, pro la nura elparolado. La angla lingvo de la skandinavoj kaj germanoj sonas kvazaŭ ĉina misteraĵo al la latinaj oreloj kaj verŝajne reciproke.

Nun Esperanto, sen grandaj potencoj malantaŭ si, kompreneble ankoraŭ ne regas en internaciaj kunvenoj. Tamen oni uzas ĝin pli kaj pli, kaj en ĉiu kongreso aŭ teknika konferenco, kie ĝi servas kiel oficiala lingvo, oni ne povas ne konfesi, ke la kompreno kaj unueco estas multe pli grandaj. Ankaŭ la flueco kaj egaleco inter ĉiuj kongresanoj.

Neatendita kunligo de demokrateco kaj fonetiko baras la vojon al plena superrego de la angla lingvo kaj akcelas la progreson de la neŭtrala Esperanto por kontentigi urĝan bezonon.

Edmond PRIVAT.

## SOCIO KAJ LINGVO

# La angla popolo kaj ĝia lingvo

*De Bernard Long.*

Kiel aliaj popoloj de Eŭropo, la angla estas tre miksita laŭ deveno, kaj kvankam ĝi ofte nomiĝas « anglosaksa », tiu adjektivo montras nur unu parton de la vero. Eĉ la lingvo estas nur parte anglosaksa, kaj kiam ni ekzamenas la rasajn fontojn de la popolo, ni trovas tiun vorton, laŭsignife iom erariga.

Eble necesas konsideri la treege antikvajn enloĝintojn de la lando, kies postsignojn oni trovis en kavernoj, kun restaĵoj de la « sabro-denta » tigro kaj aliaj longe formortintaj bestoj ; ĉar estas tre kredeble, ke tiaj rasoj poste mem formortis, aŭ estis elpelitaj de klimataj ŝanĝoj. Sed kiam ni venas al malpli antikvaj epokoj ni trovas, ke la lando, kiel Eŭropo ĝenerale, jam estas daŭre enloĝata dum kelkaj miloj da jaroj. Tion atestas la multaj trovitaj restaĵoj el la neolita kaj bronza periodoj, ekz., tombmontetoj kun skeletoj aŭ cindroj interne, ornamaĵoj, iloj, k.c., de specoj bonkonataj al arkeologoj de multaj landoj ; kune- kun restaĵoj de loĝejoj, fortikaĵoj, kaj ankaŭ monumentoj, kia la mistera ŝtonegaro *Stonehenge.*

Modernaj arkeologoj datas Stonehenge antaŭ almenaŭ 3.500 jaroj. Ne estas eble konstati la genton kiu ĝin konstruis, sed per la kranioj trovitaj en tomboj oni certiĝis, ke almenaŭ du aŭ tri distingeblaj rasoj estis loĝantaj la teritorion antaŭ la alveno de la keltoj, kelkaj jarcentoj antaŭ Kristo, la unua vere « historia » raso okupinta la landon. La invadantaj keltoj dividiĝis en du gentojn, gaeloj kaj britonoj ; laŭŝajne ili venis en du ondoj, unue gaeloj kaj poste britonoj, el kiu lasta nomo venis la vorto *brito* (latine *brito* aŭ *britannus*).

Al unu el la antaŭ-keltaj prarasoj, kiun oni kelkfoje nomas iberoj, kutime atribuiĝas la notinde malalta, malblonda tipo de homo kiu troviĝas inter la angloj kaj aliaj brit-insulanoj, precipe en kelkaj distriktoj, kaj kiu certe estas nek kelta nek teŭtona. Tamen, rilate al *lingvo*, la keltoj neniigis siajn antaŭulojn ; se iu postsigno lingva restas el tiu fora antaŭkelta epoko, ĝi estas preskaŭ, aŭ tute, nekonstatebla. Eble kelkaj river-nomoj venas de tiu periodo ; same kiel multaj riveraj kaj lokaj nomoj estas keltaj, malgraŭ la posta enveno kaj lingva superrego de aliaj gentoj.

Ŝajne la gaeloj (kiel distingebla gento) grave malaperis en Anglujo dum la kelta periodo, supozeble pro premado de la britonaj keltoj. Ili tamen daŭre floradis en Irlando kaj poste en Skotlando, kiun ili koloniis el Irlando kaj kie ili pli-malpli subigis la pli antikvajn rasojn ; sekve, la kelta lingvo ankoraŭ iagrade parolata en ĉi tiuj du landoj estas gaela, kaj ne britona kiel la moderna kimra, kiu lasta laŭŝajne, reprezentas la ĉefan specon de lingvo parolata en Anglujo je la tempo de la Romana invado en la jaro 43. Ĉiuokaze estas kredinde, ke kelta sango fluas sufiĉe forte en la vejnoj de la angla popolo.

Dum preskaŭ 400 jaroj la Romanoj administris la landon kiun ili nomis Britannia, kaj ilia enkonduko de soldatoj, el diversaj partoj de la Imperio, de koloniistoj kaj oficistoj romanaj, supozeble havis influon je la rasaj elementoj enlandaj. Sed la proksima grava historia enfluo de nova sango okazis post forigo de la Romanoj, kiam dum kelkaj jarcentoj okazis invadado de la tielnomataj anglosaksoj, efektive ne nur angloj kaj saksoj, sed ankaŭ aliaj teŭtonaj gentoj, ekzemple frisoj, jutoj, k.c. ; plue, post starigo de efika « anglosaksa » regado tra la lando, okazis novaj invadoj ĉi tiun fojon precipe de skandinavoj, kiuj, post multe da batalado kontraŭ la anglosaksoj, fine enradikiĝis en kelkaj regionoj kaj fariĝis konsiderinda elemento en la formiĝanta angla popolo. En la deka jarcento okazis unuiĝo de la lando sub anglosaksa reĝo (anstataŭ diversaj lokaj reĝoj kiel antaŭe), kaj kvankam poste estis mallonga periodo de skandinava superrego, sub la fama reĝo Knut, gravaj etnologiaj ŝanĝoj ne plu okazi. Eĉ la normanda konkero en 1066, kaj ĝiaj sekvoj, influis en aliaj direktoj pli ol en tiu de raso ; des pli pro la fakto ke la novaj invadantoj mem estis almenaŭ parte skandinavaj.

Do, la angloj laŭŝajne estas miksaĵo de nekonataj praŭloj, keltoj, roman-imperianoj diversspecaj, « anglosaksoj », kaj skandinavoj. Eble ili iom pli keltiĝis dum la lastaj jarcentoj pro enfluetado de skotoj, irlandanoj kaj kimroj, kiuj popoloj, kvankam miksaj, ŝajne estas pli elstare keltrasaj ol la angloj. (Estas dubinde ĉu la keltaj gentoj mem estis purrasaj, sed tio ne estas diskutebla ĉi tie). Certe estas, ke la nacio enhavas klare distingeblajn homtipojn staturе kaj kolore. Multaj angloj estas brunokulaj, sed bruneco montriĝas pli ĝenerale ĉe la haroj, kaj tre ofta tipo estas brunharulo kun bluaj, grizaj (aŭ verdaj !) okuloj. Oni renkontas ne nur la ekstreman « iberan » tipon jam aluditan, sed ankaŭ kontraŭajn tipojn « nordajn » kiuj supozeble reprezentas la skandinavan kaj anglosaksan elementojn. Tamen, vere ekstremaj tipoj de blondulo aŭ malblondulo estas relative malmultaj, kaj oni povas priskribi la anglojn entute mezaltaj, mezdikaj kaj mezkoloraj.

Pri la angla lingvo, baze ĝi estas teŭtona aŭ « germanika » (el la « malaltgermana » fonto), pro tio ke la anglosaksoj sukcesis konservi siajn nesamajn sed tre parencajn dialektojn, kaj subigi la keltajn lingvojn ; kaj ankaŭ pro tio ke la skandinavaj invadintoj, kiuj sekvis, mem fine asimiliĝis lingve al la anglosaksoj. Sed la normanda konkero alportis multajn vortojn el la franca, kaj en la frua mezepoko la « normand-franca » lingvo mem kvazaŭ kunfandiĝis, almenaŭ vortare, kun la « malnovangla » por formi novan lingvon, la bazo de la moderna angla lingvo. Je la Renesanco, tiu nova « anglo-latina » lingvo jam firme staris ; sed ĝi tiam tre notinde riĉiĝis per novaj vortoj el klasikaj fontoj, kaj do fariĝis pli « latina », ol antaŭe. Plue kvankam la teŭtona gramatiko ĉiam restis fundamenta, ĝi multe pli simpliĝis ol ĉe (ekz.) la germana lingvo ; kun rezulto, ke eĉ en siaj teŭtonaj elementoj la angla nun tre malsimilas la germanan, kvankam multaj radikoj estas facile rekonablaj por germanoj, kiel ankaŭ por skandinavoj kaj nederlandanoj.

El keltaj tempoj troviĝas tre malmulto en la angla lingvo mem, sed en loknomoj la afero estas alia. Ekzemple, estas diversaj riveroj nomataj *Avon,* kiu estas efektive nur kelta vorto por *rivero* (afon en la moderna kimra lingvo), kaj aliaj riveroj kiel *Thames* (Tamizo) *Tamar, Derwent, Stour, Wye,* havas nomojn kiuj estas keltaj aŭ antaŭkeltaj. Multaj loknomoj venas el la sama periodo, sed estas ofte kunigitaj kun latinaj radikoj. Inter tiuj nomoj estas tiu de *Londono* mem ; aliaj ekzemploj estas Dover, kiun la romanoj latinigis kiel *Dubris* ; Win(chester) latinigita kiel *Venta* ; *Glou(cester) (Glevum)* ; *Bran(caster) Branodunum* kaj *Ciren(cester) (Cironium).* (La finaĵo*-cester, -caster* aŭ

-*chester* estas nur la latina *castra*, t.e. *fortikaĵo*, kiu simple aldoniĝis al la antaŭ-romana radiko).

Tamen, la plej multo el la nunaj loknomoj estas el anglosaksaj aŭ skandinavaj fontoj ; kaj en kelkaj distriktoj, kie la nordlandaj invadantoj enhejmiĝis flanke de la jamaj enloĝantoj, oni trovas apudajn vilaĝojn kun nomoj de la du specoj -*thorpe*, -*thwaite*, -*dale* (aŭ -*dal*), -*kirk* kaj -*by*. En la lag-regiono kaj aliaj nordanglaj distriktoj estas multaj montoj kun la skandinava nomo *fell*. Sed malgraŭ tiuj klarigeblaj elementoj, pro ŝanĝoj en la lingvo kaj en ortografio, la anglaj loknomoj estas tre ofte obskuraj laŭ signifo, kaj tutaj libroj estas verkitaj pri la temo. Tiurilate oni havigas konsiderindan helpon el la *Domesday Book*, granda registro-libro kompilita tuj post la normanda konkero kaj pritraktanta la plejparton de Anglujo. La nuna artikolo ne rilatas al Kimrujo, kie la loknomoj, plejparte keltlingvaj, estas ĝenerale memklarigaj por scianto de la kimra lingvo. Certaj kimraj urboj havas ankaŭ anglajn nomojn ; ekz., *Swansea*, kiu kimre nomiĝas *Abertawe*. Kontraŭe, la kimroj havas proprajn formojn por konataj anglaj urboj ; ekz., *London* estas kimre *Llundain* ; *Oxford*, *Rhydychen* ; *Chester*, *Caer* ; *Liverpool*, *Lerpwl* ; *Shrewsbury*, *Amwythig* ; *Cambridge Caergraunt*.

La konata komplikeco de la angla ortografio ŝuldiĝas al diversaj cirkonstancoj, sed grandparte al la fakto, ke ŝanĝoj en prononco okazis dum la lastaj tri-kvar jarcentoj sen sufiĉe da respondaj ŝanĝoj en literado. Estas pli da sonoj, ol da literoj en la alfabeto, sed tamen kelkaj sonoj reprezentiĝas per pli ol unu litero aŭ kombino de literoj. Angloj do lernas sian ortografion grand-parte per « observo », pli ol per logiko aŭ detala literado, sed ili ĝenerale sukcesas lerni ĝin sufiĉe efike, kaj « malĝusta literado » estas multe priridata kaj priŝercata (ankaŭ en certaj rilatoj severe kaj serioze riproĉata !). Ne nun ekzistas, kiel en antaŭaj tempoj, libereco literi pli-malpli laŭ bontrovo ; oni devas literi laŭnorme. Estas atentinde ke eraroj de ortografio en ĵurnaloj kaj gazetoj, same kiel en libroj, estas rimarkinde maloftaj, kaj, eĉ kiam ili okazas, ili plejmulte ŝuldiĝas al ia akcidento kaj ne al nescio ĉe presisto aŭ verkisto. Individuoj foje kutimas literi certajn vortojn malĝuste ; sed ili ĉiam riskas kritikadon, kaj eĉ akuzon pri « malbona edukiĝo » ĉu aŭ ĉu ne tia sinteno al ili estas en si mem justa, ĉar estas tute komprenebla afero ke al certaj mentaloj arbitra literado estas vera malfacilaĵo.

Estas interese aldoni, ke tamen ekzistas certaj vortoj de kiuj pli ol unu literado estas « permesebla » ; kaj ankaŭ vortoj de kiuj (aparte de ia dialekta variaĵo) pli ol unu prononco estas « permesebla ». Plue estas vortoj, pri kies ĝusta literado neniu povas dogme insisti. En okazo de dubo, anglo kutime diras « konsultu la leksikonon ! » sed tio ne signifas ke li ĉiam subiĝas al la opinio de la leksikonoj, se li ne ŝatas ĝin.

Kaj ekzistas personoj, ne nur en Anglujo sed ankaŭ en aliaj landoj, kiuj kredas, ke la angla fariĝos, aŭ devus fariĝi, la internacia lingvo... Kiel « bona anglo », mi konsentas je ĝiaj altaj kvalitoj multspecaj, kaj ĝia taŭgeco por angle-parolantoj ; sed ĝin altrudi al la mondo mi certe ne dezirus !



 **SOCIA VIVO** 

# Pioniroj de ne-perforto

El ĉiuj homoj, kiuj sekvas kun granda intereso la nunan historion de la mondo, eble malmultaj — krom la Poloj — konas tiujn okazintaĵojn de 1861, kiuj profunde impresis niajn avojn kaj inspiris interalie al Kanoniko Deguerry en la pariza Madeleine unu el liaj plej elokventaj predikoj.

Dum la vintro 1860-1861 la varsovia loĝantaro festis la datrevenon de la revolucio de 1831 kaj kutimiĝis kanti la nacian himnon *Boze cos Polske* (Dio savu Polujon) grandamase sur la stratoj.

Tio tre malkvietigis la tiaman rusan guberniestron princon Gorĉakof, kiu antaŭsentis eksplodon. Li petis el Peterburgo instrukciojn kaj soldatojn. La 25. Februaro la kozakoj alrajdis kaj disrompis per sabrobatoj grandan procesion de Poloj. Du tagojn poste la popolamaso sekvis la ĉerkon de mortinto. Infanterio pafas. Mil buŝoj respondas per kanto de la himno.

La viktimojn akompanis la duan fojon pli ol cent mil personoj al tombejo. Tra tuta lando proklamiĝis tiam nacia funebro: virinoj vestiĝis nur nigre, teatroj fermiĝis, dancoj malpermesiĝis per nura potenco de l' popola sento.

Tiama korespondanto de la granda londona gazeto *The Times* citis sekretan cirkuleron, rondirantan de loko al loko.

« En ĉiuj partoj de la eks-Polujo regu funebro; virinoj povos meti blankan veston je sia edziniĝtago. Ni elportu fiere nian centjaran malfeliĉon kaj niajn vundojn. Ni pruvu per konkordo, ke ni estas la nacio de l'ofero. La dornkrono, jen nia emblemo... ĝi signifas paciencon en doloro, oferon, liberiĝon kaj pardonon. Ni invitas ĉiun Polon el kiu ajn religio disvastigi tiun parolon ĝis plej malproksimaj regionoj. »

La 8. Aprilo 1861 en Varsovio la popolamaso preterpasis la palacon de l'imperia guberniestro revenante el la tombejo. Ĝi kantis la himnon:

« Redonu al ni la patrujon,
« Ho Sinjoro, redonu al ni liberecon. »

Denove pafis la soldatoj. Falis kvindek homoj. Daŭris la kantado. La oficiro avertis kaj ordonis disiron. Neniu moviĝis. Male. La popolo surgenuiĝis, eĉ interplektis la manojn por sin kuraĝigi reciproke.

Pafis la soldatoj duan fojon. Falis la unuaj rangoj. Plilaŭtiĝis la kanto. Ŝanceliĝis la soldatoj. Tiam la oficiroj haltigis la pafadon. Estis venko de la ne-perforto.

Tra tuta Eŭropo tiuj varsoviaĵoj kaŭzis grandegan impreson. La mirindan kvietecon de la popolo antaŭ morto ĉiuj admiris vole-nevole, eĉ la plej pozitivaj realistoj.

Oni rakontis ĉie pri virino mortvundita sub kozaka ĉevalo. Ŝi ĵetis sian infanon al la soldato kriante: « Ci volas mortigi Polojn. Jen unu. » Oni parolis pri policano, kies sabro falis teren. Junulo tuj kaptis ĝin, sed virino ĝin prenis de li kaj redonis al la policano dirante al al studento: « Vi forgesas ke ne tiaj estas niaj nunaj armiloj. »

Tian sintenadon rekomendis al Poloj konata poeto kaj respektataj ĉefoj. Al Princo Gorĉakof eĉ Andreo Zamojski donis sian honorpromeson, ke neniu perforto okazos ĉe flanko de la loĝantaro se li permesas la procesiojn.

Kiel Prezidanto de la Kultura Societo, Zamojski konsentis prizorgi plenan ordon kun helpo de senarmaj junuloj. Sian promeson li plenumis. Kolere la guberniestro diris iam al li: « Ĉar mi havas soldatojn, necesos ja ke ni batalu! »

— Ne, respondis Zamojski, ni ne batalos, ĉar ni estas senarmaj. Vi povos nur buĉi nin.

— Ĉu vi do volas armilojn? Mi donos ilin al vi, respondis la generalo. Li ja estis la heroa defendinto de Sebastopol kaj ne komprenis tian militmetodon.

— Ni ne bezonas armilojn; nia rajto kaj morala forto sufiĉas al ni.

— Do kion fari? demandis la guberniestro finfine.

— Foriri. La saman respondon spontane kriis la popolamaso, kiam la Generalo provis konvinki la publikon kaj rondrajdis de grupo al grupo kun sia ŝtabo dirante ĉie: « Iru hejmen! Nu! Iru hejmen! Ĉiu restu hejme. »

— Ni ja estas hejme, oni kriis. Nur vi ne estas. Reiru mem hejmen, en Rusujon! »

El Parizo la maljuna ekzilito Adam Czartoryski same kuraĝigis tiun tendencon de ne-perforto ĉe siaj samlandanoj. Estante naŭdekdu-jara, li volis ankoraŭ foje tion esprimi al siaj kunrifuĝintoj, kiuj respektis liajn blankajn harojn. La 3. Majo 1861 ĉe la jarkunveno de la Pola Historia Societo en Parizo li diris:

« Ne malsupreniru, ho mia nacio, de tiu alteco, sur kiu la popoloj kaj la potenculoj estas devigataj Vin respekti... Eĉ en mezo de Viaj kruelaj suferoj kaj de la malespero, eĉ sub indigno pro perfido kaj perforto, forpuŝu la tentojn de kolero, ne malaltiĝu al bataloj nedignaj... Memoru, ke necesas pli granda heroeco por iri al morto malkovrante sian bruston ol por defendi sian vivon per glavo. »

La saman tendencon jam en 1845 prikantis la poeto Sigismund Krasinski en siaj « Psalmoj de l'estonteco », kies versojn oni ripetis de buŝo al buŝo dum la postaj jaroj:

« Ho Dio! Ne la esperon ni petas, ĉar kiel pluvo da floroj ĝi ja falas al ni. Ankaŭ ne la morton de l' malamikoj: ĉar sur morgaŭaj nuboj ĝi estas enskribita. Eĉ ne armilojn, ĉar Vi metis ilin en animojn niajn. Tion ni preĝas: ke Vi metu en niajn korojn intenco puran...

Ĉu do necesas esti mortigisto kun mortigistoj, krimulo kun krimuloj? Ĉu necesas mensogi, buĉi, malami, blasfemi? Al ni la mondo vokas: « Je tiu kosto la povon kaj la liberecon. Alie nenion! »

Ne, animo mia, ne per tiaj armiloj. Nur la pezo de l'ofero povas siavice premegi la sorton pezantan sur ni...

Ho, mia patrujo! Estu prefere pacienca, instruanta kiel oni rekonstruas domon, ŝtonon post ŝtono. Estu nefleksebla volo kaj humila preĝo preparantaj estontan venkon. Estu trankvilo dum ventego. Estu harmonio super malamaj blekoj. Estu eterna belo meze de malbelaĵoj.

Estu por malkuraĝuloj kaj malsinseruloj la silento malaproba. Estu por malfortuloj la forto al kuraĝo! Estu espero por malesperantoj!

En via batalo kontraŭ la inferno de tiu-ĉi mondo, staranta kontraŭ vi, estu tiu forto de kvieto kaj amo, kontraŭ kiuj eĉ tuta infero ĉiam staros senpova. »

Se nia talenta poeto Leo Belmont iam esperantigus tiujn versojn el la pola originalo, tiam ili brilus multoble pli bele ol tra tiu malriĉa prozo de fremdulo. Ĉiuokaze tiu paĝo el pola literaturo kaj historio estas valora dokumento, kies intereso grandiĝas nun kaj grandiĝos ankoraŭ pli kaj pli.

Edm. P.



# HINDA FRANDAĴO

La Librairie des Lettres et des Arts, Paris, publikigis interesan volumon pri Hindujo kaj ĝia animo. (Feuilles de l'Inde, n-ro 1.) En ĝi troviĝas ne nur francaj tradukaĵoj el hinda literaturo kaj studoj pri poetoj kaj filozofoj, sed ankaŭ bonajn artikolojn pri popolarto kaj muziko.

La sinjorinojn interesos diversaj notoj pri hinda kuirado. El artikolo de Abanindranath Tagore ni ĉerpas le jenon:

Sanskrita la vorto « ŝandeŝ » signifas « sendaĵon ». En Bengalio ekzistas frandaĵo nomita « ŝandeŝ ». Por religiaj kaj famiaij festojn ni sendas al niaj amikoj aŭ parencoj kuprajn pletojn ŝarĝitajn per « ŝandeŝ » en formo de fiŝo.

Vizitante por demandi pri sano aŭ anonci feliĉan okazintaĵon, oni ne forgesas alporti pleton de ŝandeŝ. La vilaĝanoj pretigas kukojn de ŝandeŝ, laŭ diversaj formoj kaj diversaj nomoj.



1. Fiŝo (mach); 2. Rado (ĥakti); 3. Tableto (takti); 4. Kristalo (barfi); kaj Luna kuko (ĥandra-pulu), k.t.p.



Ekzistas kanto pri tiuj hejme bakitaj frandaĵoj; jen ĝiaj lastaj linioj:

*Sukeraj fiŝoj el kremo*
*Beleta luno el kremo.*

En Ĉinujo oni proponas al gastoj la faman teon, en Eŭropo drinkaĵon, en Bengalio nian « ŝandeŝ » aŭ aliajn sukeraĵojn dirante:

« Bonvolu dolĉigi viajn lipojn antaŭ ol nin forlasi ».

Jen kiel bengala artistino Srimati Pratima Devi konsilas pretigi la hindan frandaĵon « ŝandeŝ »:

Recepto:

Prenu litron da lakto, boligu ĝin kaj, dum ĝi bolas, aldonu la sukon de unu citrono. Tiam tuj forprenu de la fajro kaj lasu malvarmiĝi. Kiam ĝi estas malvarma, metu la lakton en saketon el muslinŝtofo kaj pendigu por lasi la selakton elflui. Tiam restas nur molaĵo. Prenu ĝin kaj prilaboru ĝis bela glatigo. Aldonu pulvorigitan sukeron malavare. Remetu sur fajron kaj turnadu per ligna kulero dum horo ĝis solidiĝo. Lasu malvarmiĝi kaj muldigu aŭ faru bulojn.

# EL NATURO KAJ SCIENCOJ

## Kiel naskiĝas enciklopedio

De STEFANO LA COLLA, L.K.

*Eble ne estos seninterese por niaj legantoj ĵeti rigardon en la laborejon de enciklopedio. Ĉu ili, foliumante unu el tiuj grandiozaj verkoj, demandis al si kiom da tempo, da laboro, da mono postulis la starigo de unu tia libraro? Kaj ĉu ili havas eĉ etan ideon pri la metodo de ĝia starigado?*

*Nature, ne ekzistas unu sola laborplano: mi povos nur priskribi tiun, kiun mia nuntempa okupado permesas al mi observi dum ĝia funkciado; sed, laŭ mia scio, ĝi estas simila al tiu alprenita de la plej modernaj enciklopedioj.*

Ĝis antaŭ malmultaj jaroj, la italoj ne havis tian originalan vortaregon. Tio ne signifas, ke al ili mankis aro da ampleksaj enciklopedioj; sed tiuj ĉi estis aŭ nemodernaj aŭ tradukoj kaj imitaĵoj de alilingvaj verkoj aŭ nuraj kompilaĵoj.

Kaj tamen Italujo rajtas fieri pro tio, ke la unua provo de vera enciklopedio, redaktita en nacia lingvo kaj laŭ moderna vidpunkto, aperis en Venezia. Ĝi estas la *Bibliotheca universale sacro-profana*, iniciatita de la bonekonata geografiisto kaj kartoverkanto Marco Vincenzo Coronelli (1650-1718). Laŭ lia plano, la verko konsistus el 45 foliegaj volumoj da teksto kaj 10 da gravuraĵoj, kun pli ol 300.000 artikoloj. De tiu ĉi kolosa verko, kiu pritraktis ankaŭ geografion kaj biografion, aperis, de 1706 ĝis 1717, nur sep volumoj, enhavantaj 5609 paĝojn kaj la vortojn de *A* ĝis *Caque*. Literoj A kaj B entenis 30.269 artikolojn: tio povas doni sufiĉe klaran ideon pri ĝia amplekso. Sed la morto de la kompilinto finigis la entreprenon.

Post kelke da tempo Gian Francesco Pivati aperigis de 1746 ĝis 1751, en Venezia, la *Nuovo dizionario scientifico e curioso sacro-profano*, kiu tute ne entenas biografiajn kaj historiajn artikolojn. Ĝi konsistas el 10 foliegaj volumoj kun 7.791 paĝoj kaj 597 kolorigitaj gravurpaĝoj, kaj estas ankoraŭ nun sufiĉe interesa. Intertempe oni tradukis kaj publikigis la faman *Cyclopaedia* de Ephraim Chambers (Venezia 1748-49, naŭ kvartajn volumojn) kaj post dek jaroj oni represis en Lucca (1758-1771) la epokfarantan *Encyclopédie* de Diderot kaj d'Alembert (17 foliegajn volumojn da teksto kaj 10 da gravuraĵoj kun klarigoj; duafoje en Livorno, kune kun la aldonoj, en 1770, tridektri foliegajn volumojn).

Estus tro longe detale citi la aliajn enciklopediojn poste aperintajn en Italujo; mi menciu tamen la *Nuova Enciclopedia popolare*, kies sesa eldono (24 kvartaj volumoj) estis kompilita sub la gvidado de la ekonomiisto Gerolamo Boccardo kaj aperis en Torino de 1876 ĝis 1890 (la unua eldono, 14 kvartaj volumoj, aperis de 1841 ĝis 1851). Ĝis estas kompletigita kaj aktualigita per ses aliaj volumoj da suplemento, kiuj, sub la gvidado de la fizikisto Stefano Pagliani, aperis de 1888 ĝis 1899.

Sed tiu ĉi lasta, kiel ankaŭ aliaj tiaspecaj verkoj aperintaj ĝis niaj tagoj, jam ne kontentigis la bezonojn; kaj precipe post la granda milito oni ofte priparolis, sur revuoj kaj ĵurnaloj, la neceson verki tute modernan kaj aktualan enciklopedion.

La kolosa tasko estis tre riska kaj neniu eldonisto kuraĝis alpaŝi al ĝia realigo: la prava deziro restus neplenumita, sed, feliĉe, oni trovis mecenaton.

Al milana grandindustriisto, senatano Giovanni Treccani, jam konata pro lia intereso al kulturaj entreprenoj sin turnis, por la efektivigo de sia projekto, la konata filozofo kaj eksministro senatano Giovanni Gentile, iniciatoro de la nova itala enciklopedio; kaj, kuraĝege, sinjoro Treccani konsentis financi la grandiozan entreprenon. Tiel stariĝis la Roma « *Istituto Giovanni Treccani* », sub la direktado de prof. Gentile kaj la teknika organizado de S-ro Calogero Tumminelli, administranto de tre gravaj eldonejoj.

La nuntempaj enciklopedioj apartenas al du malsamaj tipoj: unuflanke, la franca *Larousse*, la germanaj *Meyer* kaj *Brockhaus*, kiuj donas pri la registritaj vortoj klarajn nombros da artikoloj; kaj aliflanke, la malnova franca *Grande Encyclopédie* kaj la fama *Encyclopaedia Britannica*, kiuj havas multe malpli da artikoloj, sed ilin pritraktas vaste kaj detale.




*Aspekto de unu volumo: Alta 31,5 cm., larĝa 24 cm., dika 5,5 cm.*

La direktanta konsilantaro de la *Enciclopedia Italiana* decidis, ke ĝi staru mezvoje: la artikoloj estu pli multaj ol tiuj en la *Britannica* kaj pli malmultaj ol en *Larousse:* la verko konsistu el 36 milpaĝaj volumoj grandkvartaj. Oni disdividis la tuton de la homa scio laŭ 50 sekcioj kaj pri ĉiu sekcio oni

komisiis unu el la plej konataj italaj sciencistoj, por ke li starigu la liston de la temoj traktotaj, fiksu la amplekson de ĉiu artikolo kaj elektu ĝian verkonton. Oni starigis tiel grandan sliparon, kiu montras detale la planon de la kolosa verko.

Ĉiuj artikoloj de la *Enciclopedia Italiana* estas do originalaj kaj speciale verkitaj por ĝi. Kiam tio estis eble, oni prefere konfidis la verkadon al italaj kompetentuloj, sed oni tute ne rezignis la kunlaboradon de fremduloj, precipe pri naciaj temoj: pli ol unu dekono de la kunlaborantoj estas ne-itala.

Sed la laboro ne finiĝas ĉe la alveno de la kontribuaĵoj: oni organizis redakcion por reviziii la artikolojn, akordigi ilian ortografion kaj la transskribadon de la nelatine skribitaj vortoj, eviti ripetojn aŭ tro akrajn kontraŭdirojn: mallonge, por taŭge prilabori la alvenintan materialon. Plie, oni devas zorge korekti la presprovaĵojn, oni devas kompili ĝeneralan indekson, ĉar la monografia pritraktado de la plej gravaj temoj tion nepre postulas, oni devas elekti la taŭgajn ilustraĵojn, ilin pretigi por la reproduktado k.t.p.

Se oni rigardas nun la tutan iradon de la laboro, oni facile havos ĝustan ideon pri ĝia vasteco kaj graveco.

Unue la sekciestro elektas la temojn, difinas la spacon, komisias la verkonton, trarigardas la artikolon, kiu, prilaborita de la koncerna redaktoro, estas forsendita al la presejo.

La presprovaĵojn oni sendas al la aŭtoro, al la redaktoro kaj al revizisto por sinsekva korektado. La plenumitan korekton trarigardas ree la redaktoro kaj dua revizisto; dumc, la ilustrada ofico elektas la rilatajn bildojn kaj reproduktigas ilin. Oni aranĝas la paĝojn provizore por tria revizo, kiun faras, ĉiu aparte, du aliaj revizistoj; ke tiuj ĉi lastaj korektoj estis zorge faritaj, kontrolas la presej-korektistoj, kaj nur tiam oni presas definitive la folion.

Fine, oni enmetas en la ĝustajn lokojn la ekstertekstajn ilustraĵojn kaj kartojn, kaj fine oni lukse bindas duonmarokene la volumon. Ĉio iras kiel horloĝo, kaj akurate post ĉiu tria monato nova volumo aperas.

La Instituto havas kiel sidejon belan renesancan palacon en la centro de Roma; nature, ĝi posedas ankaŭ presejon, kun la plej modernaj maŝinoj por kompostado (*Monotype*), por kliŝado, preso ĉu nigre ĉu multkolore, por Offset-preso, bindado k.t.p. Ĝi posedas grandan bibliotekon, konsistantan preskaŭ ekskluzive el vortaroj kaj enciklopedioj, en la plej diversaj lingvoj: krom ĉiuj antaŭaj italaj enciklopedioj, ĝi posedas la francan *Grande Encyclopédie* kaj la tri eldonojn de *Larousse* (malnovan, novan kaj de la XX jarcento, nun publikigata), la *Encyclopaedia Britannica* (IX ĝis XIV eldonojn), la usonan *New International Encyclopaedia*, la *Konversationslexikon* de Meyer (du eldonojn) kaj tiun de Brockhaus (du eldonojn), la malnovan Pierer, la grandan rusan enciklopedion de Brockhaus kaj Efron kaj la novan nun eldonatan, tri enciklopediojn polajn, la ĉeĥan *Masaryk*, la grandegan hispanan Enciklopedion *Espasa* (kun 72 volumoj ĵus finitan!), la hispano-amerikanan, enciklopedion novgrekan, serbokroatan, svedan, holandan k.t.p., kaj plie multajn speciàlajn, vortarojn pri klasikaj antikvaĵoj, historio de religioj, biblia scienco, teologio, judaismo, bibliografio, prahistorio, arkeologio, milita scienco, juro, ekonomio, edukado, matematiko, naturscienco j, medicino, ĥemio, belartoj, arthistorio, orientalismo, geografio, la grandajn biografiajn vortarojn francajn (Michaud kaj Hoefer), belgan, anglan, usonan kaj germanan k.t.p.

Ne mi povas juĝi pri la rezulto, unue ĉar mi ne estas kompetenta kaj due ĉar ankaŭ mi portas mian ŝtoneton al la kolosa konstruaĵo; sed la jam aperinta parto estis laŭde akceptita pro la grandioza kaj artebela aspekto kaj pro la vere rimarkinda kaj objektiva enhavo. Mi nur diros ke la kvin jam aperintaj volumoj konsistas precize el 4995 paĝoj dukolonaj kun 6090 artikoloj, 6023 entekstaj ilustraĵoj, diagramoj kaj geografiaj planoj, 996 eksterekstaj offset-bildopaĝoj, 109 trikromiaĵoj, 35 geografiaj multkoloraj kartoj. Multaj artikoloj pli gravaj, kiel ekzemple *Afriko*, *Ameriko*, *Argentino*, *Arto*, *Aŭstralio*, *Aŭstrio* okupas 100 ĝis 200 paĝojn ĉiu, kun cento da ilustraĵoj kaj kartoj: veraj libroj en librego![1]

« Kaj nia Esperanto? » demandos nun la afabla leganto, jam enuanta pro mia longa babilado. Oni povas esti tute trankvila: ĝi estos inde pritraktita de la ĉefredaktoro mem, prof. Bruno Migliorini, nia Akademiano, kiu verkos ankaŭ artikolon pri la historio de lingvoj internaciaj; kaj, krom li, tri aliaj samideanoj estas anoj de la redakcio.

[1] Por ricevi senpage luksan specimenan kajeron, oni sin turnu al *Istituto Giovanni Treccani*, Piazza Paganica 4, Roma (115).

---

## Bibliografio de Internacia Lingvo

Plejgranda fak-verko en Esperanto: 560 grandformataj paĝoj kun grafikoj, skemoj kaj portretoj. Rezulto de speciala dujara laboro de la bibliotekisto de UEA, helpita de 60 kunlaborintoj el 12 diversaj landoj. Sistema historia prezento de 7000 verkoj el 2000 aŭtoroj de ĉiuj epokoj kaj terpartoj, komence de Antikva Hindujo, Babilono kaj Irano ĝis la lastaj projektoj: Novial, Uniala, Qosmiani, Occidental, Serve, Ro k.t.p.

Granda monumento, pene konstruita, por la honoro de niaj antaŭuloj kiuj kontribuis diversmaniere al la ideo kaj realigo de tutmonda helplingvo. Ora Libro de Esperanto-Movado en kiu estas registrita ĉiuj, kiuj laboris por nia afero: verkintoj, tradukintoj, redaktoroj, eldonistoj, presistoj, propagandistoj, mecenoj.

Centoj da kritikaj notoj kiuj ĵetas lumon sur la intiman historion de mondlingva movado, kun ĝis nun nepublikitaj detaloj, informoj, malkaŝitaj pseŭdonomoj, senmaskitaj trukoj kaj indikoj pri progresema aŭ konservativa tendenco de la aŭtoroj.

2.000.000 verkoj estis kolektive ekzamenitaj en la bibliotekoj de Paris, London, Berlin, Moskva, Petrograd, Oslo, Genève, k.a. Pli ol 100 eltrovoj de ĝis nun nekonitaj mondlingvaj publikaĵoj. Enkondukaj artikoloj kiuj resumas historion de mondlingva ideo laŭ la nova naturscienca evoluisma vidpunkto.

Riĉe prezentita fako de lingvistiko, filologio, poliglotiko, en kiu estas nomitaj ĉiuj klasikaj verkoj pri fonetiko, morfologio, sintakso, semantiko, kaj historio de ĉiuj lingvaj familioj: hindeŭropa, ŝemida, ugro-finna, mongola, unusilaba, polimorfa, k.t.p.

Mondlingvaj kuriozaĵoj, monstraj kaj fantaziaj projektoj: lingvo mediuma, ĉevala, spiritista, marsana, murfrapa, besta, glosolalia, patologia, okulta, cifera, sekreta, ĉifra, k.t.p.

Unuaranga propagandilo por nia afero, ĉar el 7000 verkoj 4000 estas en aŭ pri Esperanto.

Impresa propagandilo por naciaj medioj: tri antaŭparoloj en franca, germana, angla, kaj verktitoloj en franca, germana, angla, itala, rusa, hispana, hungara, pola, ĉeĥa, kroata, bulgara, portugala, sveda, norvega, dana, islanda, finna, estona, latva, litova, kataluna, latina, greka, nederlanda, kimra, k.t.p.

Verko kiu okupos indan lokon en ĉiuj gravaj naciaj bibliotekoj de la mondo, apud aliaj sistemaj bibliografioj. Historio de Esperanto en ciferoj, faktoj, nomoj, datoj, sisteme ordigitaj.

Libro, kiu kun la Fundamento, nepre staros en biblioteko de ĉiu serioza esperantista grupo, societo, asocio.

Kolekto ne nur de sekaj verktitoloj, ankaŭ de vive prezentitaj eltiraĵoj, tekstoj, artikoletoj, aŭtentikaj frazoj, kiuj per sia tuteco donas klaran ideon pri lo historio de la universala lingvo kaj pri la evoluo de Esperanto.

Unua kaj unika listo de 2000 aŭtoroj, alfabete ordigita, kiuj laboris por Esperanto, por aliaj mondlingvoj aŭ kontraŭbatalis la ideon de helplingvo.

Tio estas la Bibliografio de Internacia Lingvo.

# LITERATURO

## Baudouin verkas en Esperanto

Ni presigas en tiu ĉi numero novan originalan esperantaĵon de Louis-Charles Baudouin, la konata franca verkisto kiu amas nian lingvon kaj plurfoje uzis ĝin publike. En unu el siaj lastaj romanoj en franca lingvo Baudouin ludigas rolon al Esperanto (Printemps Anxieux; ĉe Bernard Grasset, Paris). En la tria ĉapitro de la tria parto (Signoj de la tempo), lia germana entuziasmulo Gottlieb uzas Esperanton por akcepti siajn du francajn amikojn en Leipzig kaj la aŭtoro citas tutajn frazojn en nia lingvo.

Kiel poeto Baudouin kantis en sia gepatra lingvo ne nur la « eternan junecon » kaj la « miraklon vivi », sed li ankaŭ forte atakis la militon kaj esprimis sian sopiron al homara unueco kaj harmonio, samsenca kiel lia majstro kaj amiko Romain Rolland. (L'Arche flottante.)



Louis-Charles Baudouin.

Liaj rememoroj el infaneco (La vekiĝo de Psiño) estas tradukitaj angle kaj li nun aperigis france du volumojn de nova granda verko en sinsekvaj romanoj (La fera epoko: Grasset, Paris). Pluraj teatroj jam prezentis lian « Ecce Homo ». El germana lingvo li tradukis francen « Jeremion » de Zweig kaj poemojn de Franz Werfel kaj Karl Spitteler.

Poeto Baudouin estas profunda psikologo. Naskiĝinte en Nancy en 1893 kaj fariĝinte doktoro de filozofio li specialiĝis pri demandoj de psikanalizo kaj memsugestado. Lia franca verko pri tiu temo klarigis la sciencan flankon de la spertoj faritaj de Coué, lia samurbano.

Ankaŭ en Esperanto li publikigis pri tio originalan verkon kiu estas unu el la plej valoraj enhavaĵoj en nia lingvo. (La arto de memdisciplino: Psikagogio. Rudolf Mosse.) Kiu partoprenis la unuan someran universitaton en Genève 1925 ne forgesas liajn prelegojn en Esperanto. Kaj la franca publiko bone konas lian libron « Psikanalizo de Arto » (Alcan, Paris). En lia « Tolstoj, edukisto » ni jam sentas liajn emojn plej karakterizajn.

Edukisto kaj kuracisto de homaj animoj ,Baudouin flegas kun granda komprenemo kaj helpemo centojn da vunditaj koroj, lacigitaj spiritoj, senkuraĝigitaj personoj. Ne nur parole li tion faras laŭ regulaj horoj sed ankaŭ skribe per korespondado kun ĉiuj partoj de la mondo. Ankaŭ tiam li uzas ofte Esperanton por tiu nobla tasko, unu el la plej utilaj profesioj kreitaj de moderna scienco kaj saĝa bonkoro.

Ni konas plurajn homojn, kiuj sin turnis iom timene al D-ro L. Charles Baudouin (Saxonnex d'Arve, apud Genève) kaj poste restis al li dankaj vivlonge pro liberigo el ia interna pezo malsaniga. Vivante simple kaj malriĉe sur kamparo kiel saĝulo, Baudouin estas unu el plej modestaj viroj renkonteblaj, sed lia volo estas forta kaj pura. Tiom en lia arto, kiom en lia scienco, montriĝas lia profunda kaj helpema homeco. Estas taŭge kaj bone, ke la Zamenhofa lingvo ricevis ion de lia penso. — (P.)

---

## POEMO

De L. Charles Baudouin

### I

#### Bona intenco

Estas skribite: « Estu paco sur la tero por la homoj de bona Intenco. »

Ne ne! Estas nur batalo kontraŭ si mem kaj kontraŭ la aliaj, por la homoj de bona Intenco.

Ho vi Dio estu mia atestanto.

(Ĉu Vi estas la koro de l' mondo, ĉu vi estas nur la bona Intenco de l'homoj.)

Ho vi Dio en mia koro, estu mia atestanto, ke mi havas la bonan Intencon.

Kaj ili ĉirkaŭ mi, ho Dio, estu atestantoj ke ili ankaŭ havas la bonan Intencon.

Mi tamen ilin suferigis, iujn mi amas, kaj per ili mi mem suferis.

Ho Dio, ni ne havas la pacon!

« Ho infano, mia infano, ĉu vi do forgesis ke estas ankaŭ skribite:

« Mi ne venis por alporti inter vi la pacon, sed la glavon? »

Disigo kaj batalo ekzistas enkore de ĉiu bona Intenco.

Ĉar bona Intenco volas veron kaj bonecon,

Nu kiu volas esti verema estos kruela; kiu volas esti bonkora estos malverema.

Ni ne havas, ne povas havi la pacon.
Sed se restas, ho se restos al ni almenaŭ la favordono
De bona Intenco,
Tio sufiĉas al ni, ho tio sufiĉos al mi,
Mi ne bezonas la pacon.

II

**Narciso**

Vi kredis ke vi amas ĉion; mi diras al vi ke vi amas nenion.
Ĉar vi amis ĉion nur por vi mem.
Vi amis el la riĉaj fruktoj de l' mondo nur la sukon de gloro kaj pompo, kiun vi el ilia karno elpremis.
La multobla cirklo de la steloj kiun vi vidis rondiri laŭnorme ĉirkaŭ vi centro de l' mondoj,
Estis al vi nur juvela kolringo kiu movrebrilis sur vi.
La bela lumeco de l'akvoj esis al vi nur milobla spegulo, kie milobliĝu via propra brilo.
Kaj tial (mi diras al vi) tial la multaj akvoj de la tero ne sufiĉis par vian soifon satigi.
Vi Narciso al vi mem klinita, kiu nur vin mem postkuris tra la formoj de ĉio.

Nun ellernu vidi ĉion laŭ spirito de sinforlaso.
Ellernu sekvi sencele, per hele simpla okulo, la flirtetantan papilion, la flekson de l'arbo florplena.
Kaj via rigardo estu donaco.
La fluglinio de via gesto ne plu revenu al vi mem kiel peza faldo de mantelo.
Sed elglitu kiel irsulketo de falanta stelo, kiu perdiĝas en la sveneco ĉiela.

III

**Unueco**

Kiom estus bele se vi povus kunigi nur per sola ĉirkaŭpreno
Kiel per ronda templa kupolo
Ĉiujn amojn de via koro, ĉiujn diojn el spirito via,
Por formi el ili vian veran lokon, centron kaj patrolandon,
Por ko ĉirkaŭ vi, regu ilia nerompebla groupo
Kiel marmora diaro!

Sed tio ne estas donita.
Ĉu vi volas, aŭ pensas, aŭ amas, la punktoj de via sorto estas diversvojaj steloj.
Senĉese vi devas foriri, alfluo-refluo, kiun iu astro altiras.
Sed ĉiu foriro estas por vi disigo kaj dissiro.

Tia estas la leĝo, tia estas via sorto — akceptu ĝin:
Esti inter najloj-steloj kiel diskvaronigita Kristo.

IV

**Mi tediĝis de la vortoj**

Mi tediĝis de la vortoj, de la ideoj, kiujn mi tro ofte ĉifis,
— Kiuj similas malpurajn ĵurnalojn sur la pejzaĝo —
Mi tediĝis de ĉio interstaranta inter mia respondo kaj la alvokoj de l' mondo.

Kiel korpo resaniĝanta malfermas siajn porojn al la dolĉa suno de l'ŝviteta printempo,
Mi volas relerni la varmetan tuŝon de l'aĵoj.
Mi volas pezeti la subtilan pezon de l'unua suno konkave de la molaj manoj,
Mi volas rekoni la akran odoron, kumetitan el musko kaj velkitaj folioj,
Kiun eligas inter la fendroj la arbara tero.

Mi volas relerni l'alfabeton de ĉio, kion la infano tiel ameme tuŝas.

## *Karboministo*

*De Petr Bezruĉ.*

Peter Bezruĉ, pseŭdonimo de la ĉeha poeto Vladimir Vasek nask. 17. Sept. 1867 en Opava-Troppau. Verkis poeziaĵojn el la vivo de ministoj, pentrantajn realisme la socialan mizeron de la laboristoj, precipe en Silezio. Ni prezentas tie ĉi poeziaĵon el la kolekto « Sileziaj Kantoj ». Ĝi memorigas laŭ imaga povo la konatan poemon de Heinrich Heine « La tekstistoj », plendokria kanto de la malsatantaj teksistoj en Silezio.

*Mi fosas, sub tero mi fosas,*
*ŝtonblokojn kun brilo de haŭto serpenta mi fosas,*
*sub Ostrava Polská mi fosas.*

*Lampo lumaĉas, sur frunton defalis*
*haroj sen ordo, per ŝvito gluitaj,*
*galo, acido, surfluas okulon,*
*verto de l'kapo kaj vejnoj haladzas,*
*sango ruĝega elfluas sub ungoj,*
*mi fosas, sub tero mi fosas.*

*Larĝan martelon mi puŝas en karbon,*
*en Salma mi fosas,*
*mi fosas en Rychvald, en Pêtrvald mi fosas.*

*Ĉe Godula frostas kaj ĝemas edzino,*
*miaj infanoj malsataj plorplendas,*
*mi fosas, sub tero mi fosas.*

*Karbo fajreras, okuloj fajreras,*
*mi fosas en Dombrová, fosas en Orlová,*
*fosas en Poremba, fosas sub Lazy.*

*Super mi sonas hufferoj ĉevalaj,*
*rajdas la grafo tra nia vilaĝo,*
*lia filino rozvanga ridetas.*

*Mi fosas, mi levas fosilon,*
*iras kastelon edzino palvanga*
*peti pri pano, ĉar brusto sen lakto.*

*Estas sinjor' ja bonkora,*
*lia kastelo el flava ŝtonaro,*
*sub la kastelo muĝegas rivero.*
*Gardas pordegon du hundoj sovaĝaj.*

*Kial ŝi iris almoze lin peti?*
*Ĉu kreskas sekalo sinjora por ino minista?*
*Mi fosas en Hruŝov kaj Michálkovice.*

*Kio fariĝos el miaj infanoj,*
*kiam min mortan eldonos la ŝakto?*
*Tiam la filo plu fosos kaj fosos,*
*en Karvinná fosos,*
*kaj — kio fariĝas ministaj filinoj?*

*Nu, kiel aspektus, se lampon senbenan mi*
*foje forĵetus,*
*spinon klinitan se alten rektigus,*
*pugnon se fermus mi, rekta ekirus,*
*levus ĉielen de l' tero en svingo*
*mian martelon kaj fajran okulon,*
*supre, sub dia la suno?*

El ĉeĥa tradukis:
RUD. HROMADA.

# Universala Esperanto-Asocio

Bern la 10an de Oktobro 1930.

Al niaj Delegitoj kaj Membroj.

Estimataj Samideanoj

Post tri jaroj da funkciado nia Komitato plenumis sian ofictempon kaj sekve okazigos tiun vintron *novan elekton de la Komitato.* Pri ĝi la statuto fiksas en Art. 55 kaj 56 la jenon:

55. *Antaŭ la elekto de nova Komitato, la funkcianta komitato decidas, el kiom da personoj konsistos la nova Komitato kaj kiom da reprezentantoj ricevos ĉiu lando aŭ grupo de landoj. Plie la Komitato publikigas en la oficiala gazeto plenan liston de kandidatoj. En la sekvanta numero de la gazeto la Direktoro konatigas la proponojn intertempe alsenditajn de la membroj. La Delegitoj povas voĉdoni favore de iu membro, egale ĉu ĝi estis publikigita kiel kandidato aŭ ne.*

*Por la rezultato valoras en principo la plimulto de ĉiuj voĉoj. Tamen lando aŭ grupo de landoj, rajtigita je certa nombro de reprezentantoj, ricevas ilin, eĉ se ĉi-tiuj kandidatoj kunigis malpli multajn voĉojn ol kandidatoj el aliaj landoj.*

56. *La Delegitoj havas la devon partopreni je tiuj voĉdonadoj, kiuj estas skribaj, sekretaj kaj valoras se partoprenis pli ol la duono de la voĉrajtigitoj. Proponoj kaj elektoj estas akceptitaj se jesis pli ol la duono de la alvenintaj voĉoj, ne kalkulinte la malplenajn aŭ neklarajn bultenojn. La voĉojn kontrolas la Centra Oficejo, antaŭ 3 membroj de la sia sidejo. La Direktoro kaj tiuj membroj skribe certigas la korektecon de la procedo.*

El la nunaj 24 Komitatanoj, 21 estas pretaj akcepti reelekton; 3 Komitatanoj rezignis, nome S-ino L. Blicher en Kopenhago, S-ro M. Génermont en Moulins, Francujo, kaj S-ro P. Bouvier en Genève. Unu ne respondis: S-ro R. Hromada, en Praha. Al ĉiuj kvar eksiĝintoj ni dankas kore por la multaj faritaj servoj kaj esperas je ilia plia simpatio por nia Asocio.

Konforme al la nuna stato de la movado la Komitato decidis elektigi 25 Komitatanojn kaj jene disdoni la 5 liberajn oficojn: 1 al Britujo; 1 al Francujo; 1 al Hungarujo kaj 2 al Ĉeĥoslovakio. Estonte Germanujo, Ĉeĥoslovakio kaj la Balkanaj ŝtatoj havos po 3 reprezentantojn; Britujo, Francujo kaj Svislando po 2; la aliaj eŭropaj landoj aŭ grupoj de landoj po unu, same ankaŭ Usono kaj Azio.

Post zorga esploro ni rekomendas kiel novajn Komitatanojn:

S-ron David Ritchie Tullo, Delegito en Edinburgh.

S-ron André Baudet, Paris.

S-ron Paŭlo Tolnai, kunorganizinto de la21a Kongreso, Budapest.

S-rojn D-ron Stanislav Kamaryt, Delegito en Bratislava kaj D-ron A. Pitlik, Prez. de la Ĉeĥoslovaka Esperanta Instituto, en Praha.

Rilate Ĉeĥoslovakion ni atentigas, ke nia plej meritplena S-ro O. Sklenĉka nepre ne deziras esti Komitatano, opiniante ke li povas esti pli utila al UEA en sia nuna ofico de Ĉefdelegito.

*Proponoj por la elektota Komitato.*

| | *Nombro da Reprezentantoj.* | *Kandidatoj — Sinjoroj.* |
|---|---|---|
| Gran Britujo ....... | 2 | P. Blaise, London.<br>D.R. Tullo, Edinburgh. |
| Svedlando, Norvegujo kaj Danujo .......... | 1 | S. Jansson, Lidingö, Svedlando. |
| Finnlando, Estonio, Latvolando, Litovujo .. | 1 | V. Setälä, Helsinki. |
| Nederlando .......... | 1 | J. Isbrücker, den Haag. |
| Belgujo ........... | 1 | H. Pétiau, Gand. |
| Francujo ............ | 2 | Dr. L. Poncet, Bourg (Ain).<br>André Baudet, Paris. |
| Italujo kaj Hispanujo .. | 1 | A. Tellini, Bologne. |
| Germanujo ......... | 3 | J. Karsch, Dresden.<br>F. Rockmann, Magdeburg.<br>Prof. J. Dietterle, Leipzig. |
| Svislando kaj Lichtenstein. | 2 | Dr. Edmond Privat, Genève.<br>Ed. Stettler, Bern. |
| Ĉeĥoslovakujo ........ | 3 | Gustav Scholze, Reichenberg.<br>D-ro Kamaryt, Bratislava.<br>D-ro A. Pitlik, Praha. |
| Aŭstrio ............ | 1 | D-ro E. Sós, Wien. |
| Hungarujo .......... | 1 | Paŭlo Tolnai, Budapest. |
| Polujo ............ | 1 | Prof. O. Bujwid, Kraków. |
| Jugoslavio, Bulgarujo, Rumanujo, Greklando | 3 | D-ro D. Maruzzi, Zagreb.<br>St. Minkov, Sofia.<br>Andreo Ĉe (Esperantujo!). |
| Usono ............ | 1 | H.W. Hetzel, Philadelphia. |
| Azio ............. | 1 | Darjus Nemseĉi, Tabriz, Persujo. |
| | 25 | |

Ni atentigas ke la proporcia nombro de reprezentantoj estas firma, sed ne la listo de la kandidatoj. Ĉiu membro rajtas proponi aliajn personojn, kiujn li juĝas pli taŭgajn, kaj tiuj nomoj estos publikigataj en la sekvanta numero de « Esperanto ». (Tempolimo por alsendo ĝis 15a de Novembro 1930).

Krom pri la elekto de la Komitato, la Delegitoj decidos pri du malgrandaj aldonoj al nia statuto, nome:

Al art. 3: la vorto « fundamento », por ke poste la artikolo estu: « La oficiala lingvo de UEA estas la Zamenhofa lingvo Esperanto, tia kia ĝi estas difinita per sia fundamento, kaj per sia literatura kaj teknika verkaro. »

Al art. 14 la jenan alineon: « La Komitato estas rajtigata fari kun societoj aŭ korporacioj kontraktojn pri reciprokaj rabatoj, pri komuna kotizo, aŭ pri favorprezoj por la aliĝo de iliaj membroj al UEA. Rilate tiajn kontraktojn la Komitato ne estas ligita al la kategorioj da membroj laŭ art. 8 kaj la kotizoj ilin koncernantaj. »

La unua aldono korektas malnovan forgesitaĵon; la dua celas doni al la Komitato la eblecon kontrakti kun naciaj, aŭ fakaj societoj, k.t.p. por pli intime interrilatigi UEA al la Esperanto-Movado. Pliajn klarigojn kaj dokumentojn la Delegitoj ricevos okaze de la voĉdonado, dum decembro-januaro.

Kun samideanaj salutoj,

Por la Komitato de UEA:

Pa Prezidanto: Ed. Stettler.

La Direktoro: H. Jakob.

# 22a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO OXFORD 1930

**Urba akcepto la 2 Aŭgusto 1930 en la Granda Salono de la Urbdomo (Town Hall)**

La oficiala programo de la kongreso komenciĝas per akcepto de la tuta kongresanaro en la Granda Salono de la Urbdomo.

Sur la podio prenas lokon : sro B. Long, prezidanto de la LKK, sro J. Merchant, prezidanto de ICK, sro Fr. Schoofs, sekr.-kasisto de KR., sro E. Stettler, prezidanto de UEA, sro C. C. Goldsmith, sekr. de la LKK, sro Rob. Kreuz, direktoro de ICK. La ĉeflokojn okupas sro Carter, eksurbestro ĉefkonsilanto, F-ino Tawney, ĉefkonsilantino de la urbo Oksfordo, ambaŭ vestitaj de la ceremonia mantelo.

Prezidas sro B. Long, kiu prezentas la reprezentantojn de la Urbo al la ĉeestantaro.

Post tio sro Carter faras la sekvantan paroladon en angla lingvo :

Sinjoro prezidanto, sinjorinoj kaj sinjoroj,

Unue mi devas klarigi al vi, kial mi havas la honoron, akcepti vin hodiaŭ vespere, anstataŭ la urbestro mem. La urbestro aranĝis antaŭ iom da tempo, kapti kelkajn tagojn liberajn, ĝuste je tiu ĉi momento. Kaj kiam mi informas vin, ke pro la pligrandiĝo de la civitaj limoj, antaŭ unu jaro, la nuna urbestro deĵoros dum 18 monatoj, anstataŭ 12, vi facile komprenos, ke li tute bone meritas la mallongan libertempon.

Estas al mi granda plezuro — kaj ankaŭ al mia kolegino, ĉefkonsilantino F-ino Tawney, nia sola ĉefkonsilantino — vin bonvenigi en Oksfordo en la nomo de la Civita Aŭtoritato — tio estas, de la urbestro, ĉefkonsilantoj kaj civitanoj.



*Oxford: 2an de Aŭgusto 1930.*
De maldekstre (Starantaj): Robert Robertson; Prof. W. E. Collinson; C. C. Goldsmith, Urbestra pedelo; Robert Kreuz; Paul Blaise; Ed. Stettler.
Sidantaj (de maldekstre): John Merchant; Ĉefkonsilanto J. Carter (Vic-ĉefurbestro); Bernard Long; ĉefkonsilantino F-ino Tawney.

(Reproduktita laŭ afabla permeso de « Oxford Mail ».)

Ni esperas, ke vi plene ĝuos kaj ŝatos vian viziton al ĉi tiu malnova Universitata Urbo, kaj ke la celo kaj intenco de via konferenco estos plenumataj laŭ via plena kontentiĝo.

Kiel nura laikulo en kunveno de ĉirkaŭ 1200 specialistoj el la tuta mondo — oni informis min, ke ne malpli ol 30 nacioj kaj 12 registaroj estas reprezentataj — mi ne kuraĝas elmeti iajn rimarkojn pri via propra teknikaĵo.

Sed, larĝe superrigardante vian entreprenon, mi deziras esprimi mian konsenton kaj admiron al tri el ĝiaj karakterizaj trajtoj :

1) Vi reprezentas la tipon de homo, kiu ĉiam estis gravega kaj esenca faktoro en la antaŭenigo de sociala progreso ĉiaspeca. Vi estas samvicaj kun la granda armeo de aventuristoj kaj pioniroj, kiuj,

« forte remante
[kontraŭ la fluo
vidis brili la forajn
[pordojn de Edeno
kaj ne imagis, ke
[estas sonĝo ».

2) Due, mi kredas, ke estas komprenata afero, ke vi ĉiuj estas certaj pri via celo, kaj eĉ pli pri vi mem. Alie (laŭ la usona esprimo) « vi tranĉos neniom da glacio ! » En la nunaj tagoj, kiam ekzistas tiom da indiferenteco kaj apatio pri idealoj ĉiuspecaj — religiaj, politikaj aŭ sociaj — la solaj viroj kaj virinoj, kiuj povas esperi impresi al la popolamaso — kiu plejparte estas malvigla aŭ duba pri ĉiuj intelektaj aferoj, postulantaj seriozan pensadon — estas tiuj, kies nevenkebla fido kaj ne superebla kuraĝo ebligas al ili, daŭrigi la propagandon malgraŭ ĉiuj malhelpoj.

3) Mi gratulas vin pro la ekzisto de vere unuaranga kaj efika reklamfako. Mi petis vian tre kompetentan sekretarion sron. Goldsmith, traduki mian ĉefan mesaĝon en vian universalan lingvon : « La urbestraro de Oksfordo kore bonvenigas vin kaj esperas, ke via restado ĉi tie estos tre feliĉa. » (La lastan frazon sro Carter ankaŭ diras en Esperanto. (Aplaŭdo).

Al la salutparoloj de la urba reprezentanto respondas en angla kaj esperanta lingvoj sro J. Merchant, prezidanto de la ICK kaj de B.E.A. kaj sro. B. Long, prez de la LKK.

La solena parto finiĝas per la brita himno kaj la himno « La Espero ». Poste la urbo regalas la kongresanaron per trinkaĵoj divers-specaj, glaciaĵoj, kukoj ktp.

En la akcepta ĉambro de la Urbdomo, dume estis persone prezentitaj al la reprezentantoj de la Urbo la ĉefaj personoj de la Ĝenerala Estraro kaj la LKK.

## SOLENA MALFERMA KUNSIDO

### la 2 Aŭgusto 1930 en la Granda Salono de la Urbdomo (Town Hall).

La Granda Salono de la Urbdomo estas feste ornamita. Laŭlonge de la galerio pendas la flagoj de pli of 40 nacioj. Dekstre kaj maldekstre de la impona orgeno salutas granda Esperanto-flago. La podio estas plibeligita en la fono per kreskaĵoj. Dume la organo aŭdigas preludon, la salono pleniĝas. Je la horo de l'komenciĝo la salono kaj la galerioj estas plenplenaj.

Je la 19, 40 h sub la sono de la himno « La Espero » envenas la LKK kaj la kongresa estraro elektota. La kongresa standardo estas solene metata apud la estraran tablon. Sekvas la oficialaj reprezentantoj kaj kelkaj eminentaj gastoj, aparte invititaj. La kongresanaro vigle aplaŭdas.

Leviĝas sro. Prof. J. Mihalik de Hernàdszurdok, prezidinto de la 21a Univ. Kongreso, malfermante, laŭtradicie, la 22 an Universalan Kongreson de Esperanto. Li faras la sekvantan mallongan alparolon :

*Alparolo de sro. Prof. J. Mihalik de Hernádszurdok-Budapesto.*

Estimataj sinjorinoj kaj sinjoroj,

En la solena momento nuna mi devas diri dankon al la Supera Potenco, kiu ebligis al mi, veni el malproksima lando ĉeesti inter vi kaj donis al mi la honoron, ke laŭ kutimo de la esperantistaro — mi, kiel estinta prezidanto de la Budapeŝta Kongreso povu malfermi la nunan kongreson. Min treege ĝojigas esti inter vi, ĉar, laŭ mia opinio, vi estas miaj karaj gefratoj, la plej bravaj, plej honestaj, plej celkonsciaj kaj plej senegoismaj batalantoj por la interpacigo de la homaro.

Vi estas ĉiuj batalantoj. Vi batalas, sed ne per armiloj buĉantaj la homojn, sed per armiloj pacaj, idealaj kaj vi batalas, ĉar vi esperas, ke per nia laboro la tuta homaro, ĉiu homo, ĉiu nacio, ĉiu gento kaj lando povas vivi feliĉe, interkonsente, ŝatantaj kaj amantaj reciproke, sub la belega, blua dia ĉielo. Vi uzas armilon pacan kaj tiu armilo estas nia kara lingvo Esperanto. Kaj vi esperas, ke per ĝi la homoj venos al feliĉo. Vi ne eraras samideanoj, ĉar nur la interkompreno povas konduki la diversajn kaj interbatalantajn naciojn al la homa paco.

Kiam mi kore vin salutas, vin ĉiujn, ĉu virino, ĉu viro, ĉu juna, ĉu aĝa, mi deziras, ke la Supera Potenco, kiu kreis nin, benu la laboron de la kongreso kaj ĉiun personon, kiu laboras por nia sankta afero, por nia bela Esperanto !

Per tiuj ĉi vortoj mi deklaras la 22an Universalan Kongreson de Esperanto malfermita.

Samtempe mi havas la honoron, prezenti al vi la liston de la samideanoj, kiuj estu elektota estraro de la nuna kongreso :

| | | |
|---|---|---|
| Hon. Prezidanto | : | Sro. J. Merchant, Sheffield |
| Prezidanto | : | Sro. B. Long, London |
| Vicprezidantoj | : | Sro. Prof. Collinson, Liverpool |
| | | Sro. Mc. Cormick, Dublin |
| | | Sro. Rob. Robertson, London |
| | | Sro. J. M. Warden, Edinburgh |
| | | Sro. E. Archdeacon, Paris |
| | | Sro. Prof. O. Bujwid, Krakow |
| | | Sro. Yoshi Ishiguro, Tokio |
| | | Sro. E. Malmgren, Stockholm |
| | | Sro. Prof. J. Mihalik de Hernádszurdok, Budapest |
| | | Sro. M. F. Onnen, s'Gravenhage |
| | | Sro. Dro. A. Pitlik, Praha |
| | | Sro. Fr. Schoofs, Antwerpen |
| | | Sro. Ed. Stettler, Bern |
| | | Sro. Dro. A. Vogt, Stuttgart |
| Konst. Ĝen. Sekretario | : | Sro. Robert Kreuz, Genève |
| Ĝenerala Sekretario | : | Sro. C. C. Goldsmith, London |
| Sekretarioj | : | Sro. F. B. Bourdillon, Oxford |
| | | Sro. P. Blaise, London |
| Vic-Sekretarioj | : | Sro. K. R. C. Sturmer, London |
| | | Sro. L. N. Newell, London |
| Asistantoj | : | F-ino Danks, London |
| | | Sro. Rob. East, Oxford. |

(Per aklamo kaj vigla aplaŭdo la kongreso akceptas la proponojn.)

Sro. Prof. J. Mihalik de Hernádszurdok sin post tio sin turnas al la elektita prezidanto de la kongreso per la sekvantaj vortoj :

> Estimata prezidanto, mi kore salutas vin kiel prezidanton de la kongreso. Transdonante al vi mian ĝisnunan oficon, mi petas vin, bonvolu entuziasme kaj honeste gvidi tie ĉi la esperantistaron, por ke post la treege multa laboro je l'fino ankaŭ vi povu diri trankvile : Samideanoj, mi estas feliĉa havinte okazon labori por nia alta celo. Por tio helpu vin Dio !

(Laŭ stenografaĵo de Rob. Kreuz (Stolze-Schrey).

Dum la ripeta aplaŭdo de la ĉeestantoj leviĝas la elektita prezidanto Sro. B. Long, atentigante, ke Prof. Mihalik tre modeste ellasis sian propran nomon el la listo de Vicprezidantoj de la Kongreso. Li mem do proponas ĝian aldonon. La kongreso aplaŭde konsentas pri tio.

La prezidanto poste legas afablan salut-telegramon, alvenintan de Lia Princa Moŝto la Duko de Connaught, Alta Protektanto de la Kongreso, tekstanta laŭjene :

« *Kiel Patrono de la Universala Esperanto-Kongreso sendas miajn plej varmajn salutojn al la delegitoj de plej div. landoj, kiuj ĉeestas la 22an Mond-Kongreson de Esperanto en Oksfordo kaj deziras ĉiurilatan sukceson al ilia kunveno.*

Arthur, Duko de Connaught

(Aplaŭdo).

Tiam sro. Long sin turnas al la kongresanoj per la jenaj vortoj :

Karaj kaj estimataj samideanoj,

Estas por mi granda plezuro, vin danki tre kore kaj sincere en la nomo de la Kongresa Estraro pro la granda honoro, kiun vi faris al ni per via elekto. Ni forte esperas, ke ni pravigos la elekton kaj ke la kongreso estos ĉiurilate belega sukceso. Persone mi tre profunde sentas la honoron ,esti en la loko, kiun vi bonvolis doni al mi. Mi fidas je via helpo por ke mi povu taŭge plenumi la devojn de la prezidanteco kaj iagrade kontribui al la komuna sukceso.

Karaj samideanoj ,en la nomo de la Kongresa Estraro, de la Loka Kongresa Komitato, kaj de mi mem, mi tutkore vin bonvenigas. Ni estas, kaj dum mallonga, sed signifoplena tempo estos, unu rondo familia,— kvazaŭ unu popolo : kaj tion konstatinte, ni rajtas ĝoji pro la diverseco de la nacioj kaj regnoj, inter ni reprezentataj. Do en la nomo de la anglaj esperantistoj mi salutas la multajn aliajn amikojn el Britlando mem, kaj en la nomo de ĉiuj britoj kaj tiu de la Brita Esperantista Asocio niajn tiel bonvenajn gastojn el transmaraj landoj ; ne nur el proksimeco, ne nur el Eŭropo, sed ankaŭ el Ameriko, Azio kaj eĉ la malproksimega Aŭstralio. La fervorulojn el malproksimo ni devas aparte saluti kaj bonvenigi, kun la espero — mi povas diri, la certeco — ke ili ne trovos vana sian longan vojaĝon al la komuna festo. (Aplaŭdo).

La prezidanto daŭrigante sian paroladon, komparas la feliĉan okazon de Esperanta Kongreso, kie li povas paroli rekte al la aŭdantoj, « kiel homo al homoj », kun la ordinaraj poliglotaj kunvenoj kun komplika kaj embarasa sistemo de interpretistoj — eĉ kun la moderna, sed ĝena metodo de telefona instalo en la kunvenejo, por ke ĉiu aŭdu la paroladon per unu el kelkaj lingvoj uzataj pro traduko. Li citas amuzajn rimarkojn tiurilate el la ĵurnaloj en raportoj pri ĵus okazintaj kongresoj de tia speco, ekzemple pri iu ministro, kiu parolis angle kaj pri kiu ĵurnalisto diris : « Tiuj, kiuj komprenas lian lingvon, aplaŭdas. » Je alia okazo ĵurnalo diris, ke certaj diversnacionoj « limiĝis en konversacio al interŝanĝo de kapsignoj kaj ridetoj. »

Sro. Long poste parolas i.a. pri la Universitato de Oksfordo kaj la maniero laŭ kiu ĝi konservas sian pozicion inter la akademiaj institucioj anglaj, malgraŭ la nuna multeco de modernaj universitatoj en la lando kaj citas la div. fakultatojn, kiuj havas apartan gravecon. Li ankaŭ aludas al aro da homoj mondfamaj, kiuj studis en Oksfordo kiel Wolsey, Locke, Gladstone, Salisbury, Swinburne, Shelley kaj fine Cecil Rhodes, la fondinto de la kolonio Rodezio. Tiu lasta per grandaj donacoj kaj stipendioj al studentaro el div. landoj montris sian amikecon tutmondan kaj interkomprenemon. Sro. Long ankaŭ atentigas pri la kontakto de la Universitato de Oksfordo kun la Mezepoko per sia ĝisnuna uzado de la latina lingvo por certaj solenoj, tiel memorigante nin, ke en antaŭaj tempoj la kleruloj povis interkompreniĝi per tiu lingvo, kion ili nuntempe ne plu povas. Sed la Esperanto-Kongresoj kaj precipe la Somera Universitato en Esperanto, klare montras la novan vojon por kleruloj al tiu feliĉa interkompreno.

## 22 Universala Kongreso de Esperanto



JOHN MERCHANT



W. EDW. COLLINSON



BERNARD LONG



PAUL BLAISE



S-ino BLAISE

### Kelkaj anoj de l'L.K.K.

Fine la prezidanto ankoraŭ parolas pri la plena neŭtraleco de Esperanto kaj ĝia uzebleco por ĉiaj celoj. Li citas (precipe por novuloj en la movado) la gravajn proklamojn de la Bulonja Kongreso en 1905. Li aldonas, ke nia movado staras en plej promesiga situacio kaj aludas la aliĝon al ĝi de nova generacio de fervoraj ge-junuloj (cetere bone reprezentitaj en la nuna kongreso), kies ekzisto estas certigilo pri la daŭrado de la afero.

Li finas, multe aplaŭdite, per la konvinkiga kaj entuziasma frazo : «Per pacienca elteno ni povos garantii, ke la arbo de Esperanto restos ĉiam verda ! »

Post invito al *Dro Feliks Zamenhof* kaj *F-ino L. Zamenhof* ekpreni honoran lokon sur la estrara podio, kiun geston de afableco kvitancas la kongreso per longa ovacio al ambaŭ, la prezidanto vokas sron. *J. Baghy-Budapesto* por recito de prologo, verkita de sro. Kaloman de Kalocsay-Budapesto.

*Prologo por la 22a Universala Kongreso de Esperanto.*

(Vidu n-ron 361, p. 135)

Varme, vigle aplaŭdas la tuta kongreso al la recitanto sro. Baghy kaj vokoj « Vivu Kalocsay ! » esprimas la bedaŭron de la kongresanoj, ke la aŭtoro de la prologo Dro. Kalomano de Kalocsay mem ne povas ĉeesti.

Poste havas la parolon sro. *Charles Roden Buxton*, membro de la angla parlamento, kiu salutite de la kongresa prezidanto parolante en Esperanto transdonas la salutojn de la angla parlamentanaro, interesita pri tia valora helpilo, kia estas Esperanto.

Sekvas poste la alparoloj de la reprezentantoj de la registaroj, sendintaj delegiton al la kongreso.

*Registaroj reprezentitaj :*

Aŭstrio : Sro. Leg. Konsil. Dro W. Engerth
Brazilo : Sro. Ĝen. Konsulo Dro. Muniz
Estonio : Sro. Konsulo Ferd. Altfere
Germanlando : Sro. Dro. Deissmann por la Germ.
Resp. Registaro kaj la Prusa Ministerio por Scienco, Arto kaj Popolklerigo.
Hungarujo : Sro. Prof. J. Mihalik de Hernádszurdok
Liĥtenstejno : Sro. Rob. Kreuz
Nederlando : Sro. J. G. R. Isbrücker
Norvegujo : Sro. Ĉefleŭtenanto R. E. Bugge-Paulsen
Pensilvanio (U.Ŝ.A.) : Sro. Prof. H. W. Hetzel
Polujo : Sro. Prof. O. Bujwid
Rumanujo : Sro. Leg. Konsil. Dro M. G. Constantinescu
Saar-Teritorio : (Anstataŭanto) Dro. Meyer.
Viktorio (Aŭstralio) : Sro J. G. Pyke.

La paroladojn de la diplomatoj, en germana kaj franca lingvoj, tuj tradukas flue kaj perfekte en Esperanton sro. Rob Kreuz, rikoltante por tio apartan aplaŭdon de la ĉeestantoj.

*Aŭtoritatoj reprezentitaj*

Urbo de Bialystok
Urbo de Oksfordo
Urbo de Saarbrücken

Post la oficialaj salutoj ekprenas la parolon sro. J. Merchant-Sheffield, prezidanto de la I.C.K., kore kaj ripete aplaŭdita de la publiko por la jena parolado :

## PAROLADO DE SRO. JOHN MERCHANT, PREZIDANTO DE LA I.C.K.

Kara Prezidanto,
Karaj gesamideanoj,

Mi havis la intencon, alparoli vin kiel « estimatajn gesinjorojn », sed post la korega aplaŭdo, kiun vi faris al mi, mi opinias, ke mi rajtas alparoli vin kiel bonajn geamikojn.

Karaj geamikoj, mi havas la fiksan opinion, ke neniu homo meritas la honoron, okupi du gravajn oficojn je la sama tempo en la sama movado.

Sed malfeliĉa sorto decidis, ke mi mem devas agi kontraŭ ĉi tiu vidpunkto, ĉar hodiaŭ mi staras antaŭ vi ne nur kiel prezidanto de la I.C.K., sed ankaŭ kiel tia de B. E. A. Mi similas al aktoro, por kiu la dramverkisto antaŭvidis duoblan rolon... mi estas speco de Hamleto kaj Romeo en unu haŭto. Se okazas, ke mi parolus la vortojn de Romeo, kiam mi devas paroli tiujn de Hamleto, aŭ tiujn de Hamleto, kiam estas la vico de Romeo, mi esperas, ke vi ne juĝos min tro severe. (Rido) Kiel oni diras en Usono : « Ne pafu la muzikiston,... li faras sian plejeblon ». (Rido kaj aplaŭdo).

Kiel prezidanto de B.E.A. mi deziras subteni la vortojn de Sro Long kaj esprimi al vi ĉiuj la grandan ĝojon, per kiu ni britoj ricevas vin sub la aŭspicioj de nia asocio en ĉi tiu historioplena urbo. Ni esperas, ke via restado inter ni estos por ĉiam feliĉa memoro de agrablaj spertoj. La Loka Kongresa Komitato jam faris ĉion laŭpove por sukcesigi la aranĝojn kaj por feliĉigi la viziton de ĉiu kongresano. Tiun ĉi laboradon ĝi daŭrigos ĝis la fina momento de via restado.

Mi deziras fari apartan bonvenon al ĉiuj samideanoj, kiuj transiris la maron por partopreni la kongreson. Ni ĝojas, ke tiom multe da eminentuloj venis. Kun grandega plezuro mi vidas inter ili F-inon Lidja Zamenhof, la filinon de nia kara majstro, D-ron Feliks Zamenhof, lian fraton, kiu ĵus akceptis seĝon en la I.C.K., Prof. Cart, la amatan prezidanton de nia Akademio, Prof. Mihalik, la prezidinton de la Kongreso de Budapesto, nian skotan amikon sro. Warden, vicprezidanto de la Akademio, S-inon Isbrücker kaj D-ron Stromboli, anoj de la I.C.K., Sron. Stettler, prezidanto de UEA, Sron. Schoofs, honora sekr.-kasisto de K. R. kaj prezidinto de la Antverpena Kongreso, Sron. D-ron Vogt, prezidanto de la Komisiono pri la Organiza Problemo, sron. T. Jung, la eldoniston de « Heroldo », nian hungaran poeton s-ron Baghy kaj mi sincere bedaŭras, ke lian grandan kolegon D-ron. Kalocsay mi ne povas saluti tie ĉi, Sron. Pastron Ĉe, konsilanto de ICK, fine sron. Robert Kreuz, la ageman direktoron de ICK, kun kiu mi nun laboradis en plena harmonio kaj konkordo dum la pasintaj du jaroj de mia prezidanteco. (La kongresanoj interrompas la citadon de la div. nomoj per aplaŭdo kaj aklamoj).

Pri multaj aliaj la tempo apenaŭ permesas aludon. Sed mi esperas, ke vi ĉiuj estos hejme inter ni.

Forgesu, ke vi estas anoj de diversaj nacioj, parolantaj diversajn lingvojn. Je la nuna tempo ni estas ĉiuj anoj de unu sola lando... la neŭtrala lando Esperantujo, kies ĉefurbo estas por la momento ĉi tiu bela urbo de Oksfordo.

Kaj nun, karaj geamikoj el la tuta mondo, mi devas forĵeti la robon de B.E.A. kaj alparoli vin en mia pli grava rolo kiel prezidanto de ICK.

Ŝajnas al mi, ke mia unua devo estas, gratuli vin, sro. Long, pro la granda honoro, kiun vi ricevis el la manoj de la kongreso per la elekto kiel prezidanto de ĉi tiu impona kongreso. Vi kaj mi estas tre malnovaj amikoj. Ni kune laboradis dum pli ol 20 jaroj por nia sankta afero. Mi bone konas vin kaj ĝojas, ke mi nun havas la okazon por sciigi al la tuta kongresanaro, kiom multe ni en Britujo estimas vin pro la senĉesa servado, kiun vi faris por la bono de nia afero. En la nomo de la ICK mi gratulas vin kaj petas, ke vi akceptu nian tutkoran dankon pro la bonkora bonveno, kiun vi faris al ni en via tre interesa kaj elokventa parolado. (Aplaŭdo).

Karaj gesinjoroj, verŝajne estas, ke vi atendas de mi kelkajn komentarojn pri la entreprenoj, kiujn ICK faris dum la pasinta jaro. Ne estas mia intenco tion fari. Ĉiu el vi jam ricevis ekzempleron de la Oficiala Raportaro, en kiu aperis plene detalita raporto, verkita de la lerta mano de la Direktoro de ICK, mia bona amiko, sro. Kreuz. Kune kun la raporto aperis mallonga antaŭparolo de mi mem, en kiu mi penis esprimi mian opinion pri nia movado kaj pri la laborado farita de sro. Rob. Kreuz. Ne estas necese ripeti tiun ĉi opinion je la nuna momento. Sed mi forte konsilas, ke vi ĉiuj legu kaj studadu la raporton. Ĝi enhavas amason da faktoj, kiuj multe ekmirigos kaj interesigos vin. Kvankam mi ne deziras pritrakti la entreprenojn de ICK, restas kelkaj aferoj, pri kiuj mi devas fari aludon.

Ĉu Esperanto vere progresadas ? De tempo al tempo novaj tielnomitaj lingvoj internaciaj rapide aperas kaj kun eĉ, pli granda rapideco denove malaperas (Rido), dume Esperanto, same kiel la fama rivereto de Tennyson seninterrompe fluadas al la celo.

Ni ade progresas, sed... ankoraŭ restas granda distanco inter ni kaj la fina venko.

La historio de la mondo klare montras, ke la homaro ĉiam suspektas novajn ideojn, novajn projektojn. La homoj ĉiam proklamas, ke tio, kio taŭgis por la prapatroj, ankaŭ taŭgas por ili mem. Ili ridis pri Kolombo, pri la lokomotivo de Stefensono, pri la telegrafo kaj la telefono, pri la aerŝipo de l' Grafo Zeppelin, pri la savado de l'taglumo laŭ la propono de Willett kaj pri ĉiuj aliaj bonaj projektoj. Sed... kaj en tio estas nia plej granda ĝojo... la homoj post longa prokrasto kaj hezito, ĉiam fine akceptas ĉiujn vere bonajn ideojn. La senutilaj

projektoj mortas, sed la bonaj ĉiam vivas. La atesto de boneco ŝajne estas, ĉu aŭ ne, ideo kapablas travivi la periodojn de batalado, de mokado, de rikanado. Nia bela lingvo jam trapasis kun sukceso la malfacilajn tagojn kaj hodiaŭ ni povas iri antaŭen en plena trankvileco.

Ni britoj fiere konstatas, ke nia Imperio estas tiel vasta, ke la suno neniam subiras en ĝi. Ni Esperantistoj nun rajtas proklami, ke ne estas regiono en la civilizita mondo, kie ne troviĝas almenaŭ kelkaj el niaj samideanoj.

Studadu nian raporton zorge kaj vi klare komprenos, ke nia konstato estas bazita sur faktoj.

*En la mondon venis nova sento,*
*Tra la mondo ja jam iris forta voko.*

Estas egale malfacile haltigi la fluadon de la tajdo, kiel haltigi la prosperadon de Esperanto. (Aplaŭdo).

Sro. Long diris, ke la arbo de Esperanto estas forta, kvankam de tempo al tempo falas de ĝi la velkintaj folioj.

Bedaŭrinde, jaron post jaro estas nia devo, altiri la atenton pri la gravaj perdoj, kiujn la movado suferis. En la pasinta jaro la sorto forprenis de ni multajn amatajn kolegojn kaj amikojn. La tempo ne permesas paroli pri ĉiuj, sed mi nepre devas mencii la nomojn de du, Generalo Sebert kaj S-ino Hankel. Generalo Sebert estis unu el la intimaj kaj plej fidelaj amikoj de nia majstro, kiu en la daŭro de multaj jaroj faris grandiozajn servadojn al nia afero. Lia nomo vivos por ĉiam en la Historio de Esperanto. S-ino Hankel estis lerta poetino kaj verkistino. Ŝia morto dolorigis la korojn de ĉiuj, kiuj iam renkontis ŝin. Ankaŭ du aliaj bonaj amikoj forlasis nin, Barono de Ménil, Parizo la komponinto de la muziko de nia himno esperantista, kiu eksonas en ĉiuj esperanto-kunvenoj kaj Dro. Buchanan, Londono, kiu testamente postlasis konsiderindan kapitalon por starigo de Esperanto-katedro en al Universitato de Liverpool.

Por montri la estimon, kiun ni sentas por ĉiuj mortintaj samideanoj en la pasinta jaro, mi petas, ke vi stariĝu momente en silento. (La kongresanaro leviĝas honore).

Sro. Long aludis al la neŭtraleco de nia movado. Kvankam ni ripetis kaj re-ripetis, ke la Esperanto-Movado estas absolute neŭtrala rilate politikon kaj religion, ni daŭre suferas pri atakoj pro nia supozita inklino al unu aŭ alia partio aŭ sekto.

Karaj geamikoj, ni staras hodiaŭ ĉe la sama loko, kiel fiksita de Dro. Zamenhof en la unua kongreso kaj de tiu loko ne estas nia intenco foriri. Ni, kiuj je la nuna tempo estas respondecaj por la gvidado de la movado, ĉiam tenas antaŭ ni la principojn de nia majstro. Ni estas absolute fidelaj al liaj esprimitaj deziroj.

Ŝajnas al mi preskaŭ, ke la tempo baldaŭ venos, kiam estos necese starigi fundon por ebligi al ni fari laŭleĝan proceson kontraŭ tiuj homoj, kiuj atakas nian movadon en la publika gazetaro, per konstatoj, ke ni estas finance subtenitaj de certaj politikaj partioj por fari propagandadon kontraŭ la intereso de nia propra lando. Vi, nigraj semantoj de malpaco, parolu pri malamo al ĉio, kio ne estas via, parolu pri egoismo, sed neniam uzu la vorton amo, ĉar en via buŝo la sankta vorto « amo » malpuriĝas !

Oni ofte diras al mi : Post ne longe la tuta mondo parolos la anglan lingvon. Do, kial vi perdas vian tempon por helpi tiun fuŝajon Esperanto ? Ĉu vi ne amas vian propran lingvon ?

Karaj geamikoj, estas ĝuste pro tio, ke mi havas profundan amon por mia propra lando kaj por mia propra lingvo, ke mi laboradas por la sukceso de Esperanto. Se iam okazus, ke la tuta homaro akceptus la anglan lingvon kiel internacian, mi estas certa, ke ĝi baldaŭ suferus grandegajn kripliĝojn. Eĉ hodiaŭ estas granda diferenco inter la parolata angla lingvo de Britujo kaj Usono. Kaj kio okazus, kiam la tuta mondo ĝin parolus ? Pri tiu katastrofo mi ne havas kuraĝon eĉ pensi. Estas por eviti tiun danĝeron, ke mi estas fervora esperantisto. Ne pri malamo al mia lando kaj al mia lingvo, sed pro ambaŭ por ambaŭ.

Per nia servado al Esperanto ni vere faras kontribuon al la paco de la mondo kaj al la feliĉeco de niaj propraj landoj. Ni estas la veraj patriotoj. Pro tio ni ĉiuj are kunvenas en la ĉefurbo de Esperantujo por vigligi en ni la amon al la ideo de l'Esperantismo. Tio estas la ĉefa senco de niaj kongresoj.

Antaŭ longa, longa tempo malgranda pluvguteto falis en la oceanon kaj timis, ke en tiu vasta spaco ĝi por ĉiam perdiĝus. Sed ostro englutis ĝin kaj post ne longa tempo ĝi fariĝis la plej belega perlo en la reĝa krono de Persujo.

Jen moralo por ĉiuj. Ne-imagu, ke vi ne havas vian propran lokon en nia granda movado. Ni bezonas la helpon kaj la servadon de ĉiuj samideanoj. La fama verkisto Samuel Johnson, kiu estis honora doktoro de ĉi tiu universitato iam diris : « Grandaj laboroj ne estas farataj per forto, sed per persistado ». Ne ĉiuj povas esti prezidanto aŭ eĉ komitatano en la movado, sed ĉiuj povas multe helpi nian aferon je sia propra loko en div. rilatoj. Mi esperas, ke vi ricevos novan entuziasmon kaj pli grandan amon por nia lingvo el la nuna kongreso.

La simbolo de la Brita Imperio estas la Reĝo mem. La simbolo de la Esperanto-Movado estas la bela verda stelo, kiun ni portas sur nia brusto. La verdeco de la stelo estas la garantio de la neŭtraleco de nia movado. La kvin pintoj reprezentas la kvin kontinentojn de la mondo. Por mi ili eĉ posedas multe pli gravan signifon. Por ni la kvin pintoj signifas : Kredon, Fidelecon, Servadon, Konkordon kaj Amon :

Kredon pri la mirindaj meritoj de Esperanto,
Kredon, ke per la disvastigado de nia lingvo tra la tuta mondo la homoj facile kaj klare komprenos unu la alian kaj fine fariĝos anoj de nia granda rondo familia,
Fidelecon al la Fundamento,
Fidelecon al la glorinda memoro de nia majstro, kies spirito regas en ĉi tiu halo je la nuna momento kaj kiu ĉiam kaj ĉie subtenas nin kaj kuraĝigas nin en niaj klopodoj,
Servadon al la movado, ne nur dum la kongres-tagoj, sed ĉiam en ĉiuj vojoj de l'vivo,
Konkordon en niaj rilatoj, ĉu en la grupoj, konferencoj aŭ kongresoj.

Tute ne sufiĉas, ke ni prediku pacon al la homaro. Ni devas vivi en plena harmonio kaj konkordo en niaj propaj rondoj, se ni deziras gajni la venkon.

Kaj fine — Amon — Amon al la tuta homaro tra la tuta mondo.

(Longa, vigla aplaŭdo).

Emerson, la fama verkisto de Usono, diris : « Alligu vian veturilon al stelo ». Karaj geamikoj, ni esperantistoj ne nur alligis al stelo niajn veturilojn, sed nian tutan koron. Nia stelo ne estas ordinara stelo. Ĝi estas la bela verda stelo de Esperanto, tiu stelo, kiu signifas pacon kaj amon inter ĉiuj gentoj, kiu plenigas niajn korojn per ĝojo kaj entuziasmo kaj pli riĉigas nian vivon per pli noblaj pensoj kaj pli altaj ideoj.

Vivu la verda stelo ! Vivu Esperanto ! Vivu la glorinda nomo de Zamenhof !

(Laŭ stenografaĵo de Rob. Kreuz (Stolze-Schrey).

Tiu ĉi parolado estas la kulminacia punkto de la malferma soleno. La vigla kaj longa aplaŭdo, kiu sekvas la varman, koran kaj entuziasman paroladon de la ĉefgvidanto de nia movado, pruvas, ke liaj vortoj trafis la sentojn de ĉiuj ĉeestantoj.

La Konst. ĝen. sekretario tiam konigas la liston de la korporacioj kaj organizacioj, kiuj sciigas sian reprezentadon en tiu ĉi kongreso :

*Listo de la Organizacioj kaj Korporacioj reprezentitaj:*

All Peoples Association, London,
Ateneo, Barcelona,
Bahai-Centro, Haifa-Genève
Cionista Organizacio, London
German-Angla Akademia Oficejo, London
Germana Regna Fervoja Kompanio (Deutsche Reichsbahngesellschaft.) Berlin
Germana Monista Ligo, Stuttgart
Internacia Federacio por Alkohol-Malpermeso, London
Internacia Kooperativa Virina Gildo, Wien-London
Internacia Virina Ligo por Paco kaj Libereco, Genève
Komerca Ĉambro Belga, London
Komerca Ĉambro Franca, London
Mond-Asocio de l'Kristana Junularo (YMCA), Genève
Mondkongreso de Inform-Oficejoj, Institucioj por Kredit-Protekto kaj Organizacioj por Enkasigo, Wien
Monda Virina Unio por Internacia Konkordo, Genève
Nacia Konsilantaro por Malhelpo de l'Milito, London
Oomoto-Centro, Ajabe (Japanujo.)
Ruĝa Kruco hispana, Madrid.
Reĝa Instituto por Internaciaj Aferoj, London
Turisma Oficejo de Liĥtenstejno, Vaduz
Internacia Societo por la kultur-rilatoj inter URSS kaj la Eksterlando, Moskva
Nacia Unio de Instruistoj, London
Gregg Publishing Company (Stenografio Gregg), London
Kiboŝa-Kultur-Societo, Tokio.

En la fina parto de la soleno sekvas la salutoj de la reprezentantoj de la diversaj landoj, reprezentitaj en la kongreso, laŭ listo starigita de la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj (K.R.) :

*Listo de la parolantoj esperantistaj:*

Aŭstralio : sro. Pyke
Aŭstrio : sro. Wannek

| | |
|---|---|
| Belgujo : | sro. Dro. Roost |
| Bulgarujo : | sro. Pamporov |
| Ĉeĥoslovakio : | sro. Dro. Pitlik por ĈAE |
| | sro. Hub por Germ. Ligo |
| Danujo : | F-ino Rybo |
| Dancigo : | F-ino Spiess |
| Estonio : } Finlando : } | F-ino Leivo |
| Francujo : | sro. G. Avril |
| Germanujo : | sro. Dro. Arnhold |
| Hispanujo : | sro. Rocamora |
| Hungarlando : | sro. Dro. Patai |
| Irlando : | sro. Mc. Cormick |
| Islando : | sro. O. Kristjansson |
| Italujo : | sro. G. Facchi |
| Japanujo : | sro. J. Iŝiguro |
| Nederlando : | sro. de Jonge |
| Norvegujo : | sro. Brochmann-Sletteröd |
| Polujo : | F-ino Lidja Zamenhof |
| Saar-terit. : | sro. Dro. Meyer. |
| Svedujo : | sro. E. Dahl |
| Svislando : | sro. Dro. Spielmann |
| Usono : | sro. Dro. Christensen |

Sro. Kreuz, kun aplaŭdo de la ĉeestantaro, legas telegramon de la familianoj Zamenhof (Adam, Sofja, Wanda kaj Ludoviko Zamenhof), apartan saluton de Dro. Leono Zamenhof kaj plue telegramon de Dro. Edm. Privat.

Per tio finiĝas la solena ceremonio. La prezidanto, sro. Long, dankante al ĉiuj kongresanoj kaj gastoj kaj dezirante al ili ĝu-plenan restadon en la kongresurbo fermas la kunsidon.

La orgeno ludas la himnon « la Espero », kantatan de la tuta kongreso. Fino je la 22,20 h.

## 1a LABORKUNSIDO

**la 4 Aŭgusto 1930 en la Granda Salono de la Urbdomo**

Komenciĝo: 10,15 h. Prezidas: sro. Merchant, prez. de I.C.K.

---

La kunsido estas fiksita por la 10 h. Kun malfruo de kvaronhoro la *prezidanto* malfermas la kunsidon, akcentante, ke li en venontaj kunsidoj komencos precize je la horo indikita en la programo. Estas necese, ke la kongresanoj venu multnombre al la laborkunsidoj kaj ĉeestu akurate je la tempo fiksita.

Antaŭ ol doni la parolon al la oficialaj raportantoj por ICK kaj KR, li aparte salutas sron. Dron. Inĝ. Badois, kiu alportas la salutojn de la Esp. Grupo de la Centra Lernejo de Artoj kaj Manufakturo en Parizo kaj tiujn de sro. A. Baudet, prezidanto de la Komerca Ĉambro de Parizo.

*Dro. Badois-Parizo* post transdono de tiuj salutoj parolas pri la neceseco trafi la homon de la strato por pligrandigi la disvastigon de Esperanto. Li tiurilate konigas kelkajn sugestojn praktikajn por estonta konsiderado. Li ankaŭ sciigas div. proponojn de sro. Baudet pri aparta propagando en rondo de komercistoj kaj praktikistoj.

*Dro. Olŝvanger (Cionista Unio)-Londono* salutas en la nomo de la Hebrea Nacia Hejmo en Palestino. Kun granda oratora talento li parolas pri la bela estonteco, kiam ekzistos libereco por ĉiuj nacioj, ĉu grandaj, ĉu malgrandaj kaj la valoro de Esperanto kiel helpilo por atingi tiun ĉi staton.

Post li *sro. parlamentano Buxton*, membro de la brita laborista partio en sia propra nomo salutas la kongresanojn. Li diras, ke Esperanto estas tre grava helpilo en la internacia kampo kaj ke li uzas ĉiun okazon por atentigi pri tio.

En la nomo de la Tutmonda Kongreso de l'Inform-Oficejoj, Institucioj por kredit-protekto kaj Organizacioj por enkasigo en Vieno salutas oficiale *sro. Klein-Vieno*. Li informas, ke la komitato de ĉi tiu kongreso tre interesiĝas pri Esperanto, estas preta ĝin uzi praktike kaj petas pri helpo de la gvidinstitucioj de la esperanto-movado.

**Oficiala Raportara.**

*Sro. Merchant*, prezidanto de la I.C.K. enkondukas la oficialan raportaron per klarigo de la nuna organizo de nia movado sur bazo de la kontrakto de Helsinki. Laŭ tiu ĉi kontrakto la gvida centro de la Esperanto-Movado estas la Internacia Centra Komitato (I.C.K.) en Ĝenevo. La du ĉefaj branĉoj estas la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj (K.R.), kiu kunigas la reprezentantojn de la Naciaj Societoj kaj la Universala Esperanto-Asocio (U.E.A.), reprezentita per sia komitato. La Naciaj Societoj okupas sin pri la propagando kaj la interesoj de Esperanto en sia koncerna lando. UEA grupigas individue la esperantistojn, kiuj celas akceli la praktikan uzadon de nia lingvo. La I.C.K. reprezentas la movadon al la publiko kaj internacie, estante speciale komisiita pri la protekto de la ĝeneralaj interesoj de la Esperanto-Movado. Post prezento de la ĉeestantaj gvidantoj de la div. institucioj li citas kelkajn ekzemplojn pri la agado de la ICK. kaj de ĝia oficejo. La oficejo, li diras, starigis rekordon de laboro, kiu kreskas de tago al tago kaj atingis la limon de nia nuna forto. Estas necese, ke ĉiu, kiu povas kunlabori, helpu en la sukceso de la laboro de ICK. Estas necese, ke en la div. landoj oni starigu profesiajn sekretariejojn, kiuj okupas sin pri la teknika plenumo de la laboro necesa. Esti komitatano en nia movado, hodiaŭ signifas, preni sur sin grandan laborŝarĝon kaj respondecon. Bedaŭrinde mankas tiel helpantoj, kiel monrimedoj. Pro tio estis sekvite la principo, ke ICK okupas sin nur pri projektoj, kiuj estas efektivigeblaj laŭ la nuna financa povo.

Sro. *Kreuz* direktoro de I.C.K. post tio donas kelkajn klarigojn pri div. gravaj entreprenoj, kies detaloj ne estas klarigeblaj en la raporto. Li sciigas, ke la laboroj bone progresas. Iom post iom la kontakto kun la ekster-eŭropaj organizaĵoj esperantistaj kaj izolitaj gvidantoj en landoj sen nacia organizo fariĝas pli kaj pli intima kaj fruktoporta. La oficejo de I.C.K. unuavice turnis sian atenton al praktikaj aferoj, kvankam la jam menciita manko de mono kaj kunlaborantoj ofte limigas la eblecojn. Per starigo de apartaj komisionoj apud la I.C.K. kaj formataj de honoroficaj kunlaborantoj, oni nun sukcesas okupi sin intense pri interesaj kaj gravaj special-kampoj. La sekreto nuntempe estas labori plej efike per plej malmulta mono. Ĉar ne estas eble ripeti la enhavon de la tuta raporto de I.C.K., li petas, ke oni faru demandojn pri detaloj interesindaj aŭ informoj dezirataj.

*Sro. Applebaum-Liverpool* kritikas la laŭ lia opinio tro grandan propagandon pri la sukceso en Liĥtenstejno, kiu estas nur afero malgranda kaj malgrava. Li kredas, ke por tio I.C.K. elspezis pli da mono ol necese.

*Sro. Kreuz* respondante al tio, donas la necesajn indikojn, akcentante, ke li agis en la afero en interkonsento kun la komitato kaj laŭ instrukcioj de la prezidanto de I.C.K. La internaj detaloj de la entrepreno estas konigitaj al la Ĝenerala Estraro kaj kompreneble al la ICK-anoj per kutima monata raporto.

# 22a Universala Kongreso de Esperanto, Oxford 1930

## Loka Kongresa Komitato


John Thomas Holmes


Robert Robertson


Fred. Edw. Wadham


F. B. Bourdillon


C. C. Goldsmith


Violet C. Nixon


Robert East


E. G. Mawson


K. R. C. Sturmer


L. N. Newell


W. A. Gething

*Sro. Merchant* aldone diras, ke la komitato kaptas ĉiun okazon, kiun ĝi povas havi por progresigi nian aferon. Por prijuĝi la gravecon de entrepreno, necesas koni ĉiujn detalojn. Estas tre facile kritiki anstataŭ agi. La sukceso en Liĥtenstejno, kies poŝtadministracio eldonis oficialajn poŝtkartojn kun bildoj kaj klarigoj en Esperanto, estas tre konsiderinda sukceso. Ĝi estas la komenco de ekzemplo, kiun li esperas, kiel eble plej multaj landoj imitos. La kostoj kaŭzitaj per tia entrepreno estas ridinde malgrandaj, kompare al la praktika kaj morala sukcesoj. Por ke I.C.K. povu fari pli gravajn laborojn oni provizu ĝin per pli grandaj monrimedoj.

*Sro. Aron-Kőnigsberg*, patrono de I.C.K. aliĝas al tiu ĉi opinio kaj alvokas, ke monhavaj samideanoj enskribigu sin tuj kiel patrono de la I.C.K., pagante la kotizon de 100 sv. frk. Veraj idealistoj ŝparas pri propra lukso, fordonante monon por valora laboro, farata por nia movado. (Aplaŭdo).

*Sro. Prof. Mihalik-Budapest* alvokas al aparta laborado en rondoj de studentoj kaj precipe de skoltoj. La grandaj skolt-kunvenoj estas taŭga agadejo por ni. Se ni konkeros la junularon, nia afero progresas multe pli rapide. Li atendas, ke I.C.K. (kiu tie kaj tie jam agis en la afero) decidos sufiĉan forton al special-propagando inter skoltoj.

*Sro. Onnen-Hago* demandas, kial la Tutmonda Statistiko, starigita de Prof. Dro. Dietterle-Leipzig ne estas daŭrigita ĝisdate. Li insistas, ke oni reprenu la aferon.

*Sro. Kreuz* respondas al tio, ke la I.C.K. plene konscias pri la graveco de taŭga statistika materialo. Mankas mono por tia grandega laboro. Krom tio la kunhelpo de samideanoj, kiuj nur hezite aŭ tre ofte tute ne respondas. Eĉ sufiĉe da estraranoj tute ignoras korespondadon kaj komencita laboro ne povas esti daŭrigata aŭ la fina rezultato suferas.

I.C.K. penos repreni tiun laboron kaj certigi la starigon de aliaj statistikoj, tuj kiam la situacio tion permesos.

*Sro Schoofs-Antverpeno* diras, ke multaj detaloj marŝos pli bone, se oni zorgas pri praktika organizo interna kaj vere laboras. En Belga Ligo ekzistas daŭra kaj intima kontakto inter ĉiuj ĉefpersonoj. Tiel plej div. aranĝoj marŝas tute aŭtomate. Al la rimarko, ke gazetoj ne facile akceptas novaĵojn kaj ke oni devas pagi por anoncoj, li respondas, ke Belga Ligo havas bone funkciantan kaj efikan gazetaran servon, La Ligo neniam devis pagi por komunikoj pri Esperanto. La tuto estas afero de rilatoj.

*Sro. Merchant* rimarkigas, ke ni ĉiam devas havi paciencon. Multaj samideanoj malkuraĝiĝas tuj, kiam afero ne funkcias post la unua klopodo. Pripensu, li diras, kiom da mil klopodoj estis necesaj por havigi al Esperanto la pozicion, kiun ĝi hodiaŭ nekontesteble havas en la tuta mondo.

*Sro. Schoofs-Antverpeno* kiel sekretario-kasisto de KR komunikas la financ-rezultatojn de tiu ĉi institucio. Malgraŭ, ke multaj asocioj ne pagas plene pro div. cirkonstancoj, dume aliaj tute ne aliĝis ĝis nun, li sukcesis certigi pli altan enspezo-ciferon ol en la antaŭaj jaroj. Tio estas kuraĝiga detalo. Ĝi ankaŭ montras, ke la organizo interne funkcias pli kaj pli bone. Por progresi pli bone, estas necese, ke *ĉiuj* naciaj organizoj aliĝu al KR kaj pagu plene, profitante de la rajtoj, kiujn ili akiras pagante por ĉiuj membroj kaj akirante la konforman nombron da voĉoj en KR. Kelkaj societoj aliĝintaj ankoraŭ ŝuldas la kotizon. Li esperas, ke ili postpagos la kotizon kiel eble plej baldaŭ.

Li ankaŭ dankas al la direktoro de I.C.K., kiu — kiel antaŭe — regule sciigis lin pri ĉiuj fondiĝoj de novaj societoj kaj pri ĉio, kio koncernas KR rilate la vivon de niaj naciaj societoj esperantistaj.

*Sro. Merchant* post aprobo de la raportoj de I.C.K. kaj K.R. esprimas sinceran dankon al sro. Schoofs, kiu tiel modele plenumis la ne facilan taskon de sekretario-kasisto de K.R. Li antaŭvidas, ke lia laboro ankaŭ estonte kontribuos efike al plia fortigo de nia interna situacio. Li plue diras koregan dankon al sro. Rob. Kreuz, kiu, estinte ĝenerala sekretario de I.C.K., nun estis nomata « Direktoro de I.C.K. », pro la bonega laboro, kiun li faris denove dum la ĵus finiĝinta agadjaro. Li rimarkigas aparte, ke dank'al la lerta organizado de sro. Kreuz, I.C.K. ne nur finis denove kun pluso (kiel en la lasta jaro), sed eĉ povis krei malgrandan rezervon por sekureco. (Aplaŭdo).

Fine li petas ankaŭ estonte subteni la laborojn de la oficialaj institucioj per tuta energio kaj dankas al ĉiuj samideanoj, kiuj tion efike faris ĝis nun.

*Sro Merchant* sciigas, ke sur la tagordo de la venonta laborkunsido estas du gravaj temoj « Radio-Propagando » kaj « Gazetara Propagando ». Pro tio, ke la reprezentanto de la Internacia Komisiono por Radio-Statistiko, komisiita de I.C.K. ne povos ĉeesti la proksimajn kongrestagojn (pro profesiaj devoj), la parto el tiu ĉi kampo estas pritraktata jam hodiaŭ.

**Temo : Radio-Propagando**

*Sro. Matthews-Londono*, kiel membro de la Internacia Komisiono por Radio-Statistiko, komisiita de la I.C.K. raportas pri la vere granda laboro de ĉi tiu komisiono. Sro. J. Jungfer-Lűbben, la prezidanto de la Komisiono bedaŭrinde ne povas ĉeesti la kongreson por mem informi pri ĉio.

Radio estas unu el la plej gravaj kampoj de nia propagando La grandegajn sukcesojn de Esperanto en la publiko dum la lastaj 5-6 jaroj ni ŝuldas preskaŭ ekskluzive al la propagando per la radiofonio. Pro tio ni ne devas preterlasi kiun ajn okazon por okupi nin pri tiu ĉi temo. Ĝi ne estas nur temo de fakuloj, sed koncernas ĉiun propagandiston. Ni devas konstante pensi pri novaj vojoj en tiu ĉi sfero, ĉar la rapideco de nia epoko postulas rapidan adaptiĝon al la cirkonstancoj. La helpo de ĉiuj estas necesa.

La Komisiono, konsistanta el 6 membroj funkciis bonege, malgraŭ, ke la monrimedoj disponigeblaj oficiale ne estas grandaj. La komisionanoj kaj libervolaj helpantoj siaparte kontribuas praktike kaj finance. Dank'al harmonia kunlaboro sub la lerta gvidado de sro. Jungfer-Lűbben la finrezultato estas tre kontentiga.

La Komisiono daŭrigis aperigi la Radio-Programon, finance subvenciatan de la ICK kaj redaktitan modele de la prezidanto sro. Jungfer mem. Tiun radio-programon regule represas div. radio-organoj kaj oni esperas, ke la nombro pligrandiĝos dum la venonta tempo.

Pri ĉiuj aranĝoj la raporto de la Komisiono (Komp. Ofic. Raportaron al la Kongreso de Oksfordo) donas klaran informon.

Por helpi en urĝaj okazoj, estis fondita SOS-Ligo. Ĝi kunigas libervolajn helpantojn, kiuj disponigas sian subtenon por la propagando ĉe div. stacioj aŭ kiam kontraŭuloj de nia afero endanĝerigas nian regulan laboron. Ĝis nun 150 samideanoj kunhelpas en tio. Ili meritas nian dankon.

La Komisiono serĉas kaj bezonas pluajn kunhelpantojn kaj estos feliĉa ricevi anoncon de multaj kunlaboremuloj.

En la nomo de la Komisiono li dankas al I.C.K., kiu ne nur finance, sed ankaŭ morale (per sia aŭtoritato) kaj

praktike (per sia oficejo) akcelis ĉiel la laborojn de la Komisiono.

La kunsido aplaŭdas la koncizan kaj klaran raporton de sro. Matthews.

*Sro. Kreuz* komunikas kelkajn detalojn pri la signifo de la komisionoj aligitaj al I.C.K. kaj precipe pri la Radio-Komisiono, starigita laŭ lia propra propono. ICK havas la devon atenti pri ĉiuj interesoj de la Esperanto-afero en la internacia kampo. Sed nek la Komitatanoj, nek la Oficejo de I.C.K. povas ĉion fari. La hodiaŭa situacio estas tiel, ke por special-propagando ĝi postulas la kunlaboron de fakuloj kaj specialistoj. Por tiajn kunigi kaj certigi ilian valoran kunlaboron, sro Kreuz proponis al ICK (kaj la ICK-anoj konsentis) pri starigo de help-komisionoj por gravaj internaciaj laboroj. Laŭ la nuna sistemo la komisionoj parte konsistas el samideanoj, kiuj jam kunlaboras pri la sama afero sur nacia kampo. Ni do ekonomie profitas de la laboro kaj evitas samtempe troan organizon.

Parolante pri la laboro de la Radio-Komisiono li elmontras la vere modelan laboron kaj gvidadon de sro. J. Jungfer kaj esperas ke li povos ankoraŭ longtempe daŭrigi tiel, helpite de la komisionanoj, kies kunlaboro postulas ĉiun laŭdon.

Li petas, ke oni daŭrigu helpi la laborojn de la Komisiono, kiuj estas kaj restas nepre gravaj por nia tuta ekzistado.

*Sro. Merchant*, kiel prezidanto de I.C.K. aliĝas al tiu ĉi dank-esprimo, esperante paroli en la nomo de ĉiuj kongresanoj. (Aplaŭdo).

Post tio li fermas la kunsidon kun la admono alveni por la 2a laborkunsido precize je la indikita tempo. (Fino : 12,25 h.)

## 2a LABORKUNSIDO

**La 6 Aŭgusto 1930 en la Granda Salono de la Urbdomo**

Komenciĝo : 10,00 h. Prezidas : sro. Merchant, prez. de I.C.K.

---

*Sro. Merchant* malfermas la kunsidon precize je la indikita horo, kvankam la nombro de ĉeestantoj estas tre malgranda.

Li unue prezentas al la kunsido sron. Dron Feliks Zamenhof kiel novelektitan*membron de la I.C.K. kaj esprimas sian ĝojon, ke de nun en la plej supera gvid-institucio de la movado ankaŭ troviĝas membro de lo familio de nia majstro. Gratulante Dron. Zamenhof pro la elekto, li esperas, ke la nova membro helpos plifortigi la energian klopodon de la I.C.K. por progresigi ĉion rilate Esperanto. (Aplaŭdo).

La parolo estas poste donata al *sro. Teo Jung-Köln*, eldonisto de « Heroldo de Esperanto » por ke li donu kelkajn klarigojn pri la stato de sia entrepreno. Sro. Jung diras, ke, kvankam « Heroldo » estas neoficiala organo de la movado ĝi tamen subtenas la oficialajn instituciojn, same kiel tiuj favoras ĝin laŭpove. Li komunikas, ke la nuna stato de lia entrepreno estas tre esperiga kaj ke oni povas ankoraŭ multon atendi de la estonteco.

*Sro. Kreuz* poste laŭtlegas div. telegramojn, i.a. de hindaj esperantistoj en Bombay, de la Brazila Ligo Esperantista en Rio de Janeiro kaj de unu el la plej nordaj samideanoj en Fairbanks (Alasko).

### 1a Temo : Radio-Propagando (Daŭrigo)

*Sro. Merchant* denove akcentas la gravecon de la propagando de Esperanto per Radio kaj memorigas pri tio, kion sro. Matthews jam diris en la 1a laborkunsido. Li samtempe sciigas kun bedaŭro, ke sro. A. Behrendt-Berlino, kiu devis paroli pri la grava temo de Radio, ne povis veni al la kongreso. Li petis sron. Ellersiek-Berlino voĉlegi lian paroladon. Bedaŭrinde sro. Ellersiek subite malvarmumiĝis tiel, ke li ne kapablas paroli. Pro tio sro. Fr. Schoofs-Antverpeno deklaris sin preta legi la manuskripton.

### *Parolado : Kion — kaj en kia formo — ni esperantistoj al la publiko prezentu per Radio*

(de A. Behrendt - Berlino).

Ne ekzistas dubo, diras sro. Behrendt, ke Radio kaj Esperanto tuŝas unu la alian multloke. Super ambaŭ regas internacieco de faktoj kaj ideoj. Ambaŭ suverene malatentas pri limo de geografio kaj politiko kaj ĉirkaŭprenas la tutan terglobon.

Tute prave la esperantistoj tuj kaptis la bonan propagand-okazon, kiu prezentiĝas per radio. Ili ankaŭ sukcesis enpenetri preskaŭ ĉie. Dume ni perdis div. poziciojn, ĉar la programestroj pro abundeco de la materialo devis malŝarĝi la programojn. Kaj ili tie kaj tie forigis Esperanton, ĉar ili ekkonis, ke nia ĉefa intenco tamen estas propagandi Esperanton. Lertaj propagandistoj adaptiĝis al la nova situacio kaj ni ne havas kaŭzon esti malkontentaj pri la nuna stato. Tion pruvas la statistiko, starigita de la Komisiono, komisiita de I.C.K.

Ekzamenante, kiamaniere restadi en la pozicioj aŭ kiamaniere reakiri la perditajn, leviĝas la demando : Kion prezentu ni Esperantistoj al la publiko ? Tuj ankaŭ ekestas la dua demando : kian formon ni donu al niaj prezentoj ?

Ni rezignu pri malkaŝa propagando kaj reklamo. Reklamo devas esti pagata. Esperanto varbas per si mem, se ĝi estas taŭge prezentata. Oni devas elekti temojn praktikajn, en kiuj Esperanto povas esti iel menciata. Oni povas paroli pri internaciaj kongresoj kaj la lingvaj malfacilaĵoj, kompare parolante pri universala kongreso de Esperanto ktp. La temo de Esperantisto ne estu esperantista. Oni ankaŭ devas deteni sin mem doni prijuĝon. Aliflanke oni senceremonie parolu pri Esperanto, kiam temas pri nura poresperanta aranĝo, konigita kiel tia.

Por sukcesi en la propagando estas necese, ke la parolanto (aŭ propagandisto) havu bonajn, konstantajn rilatojn kun la stacia direkcio. Eksterlandanoj kaj esperantistoj povas helpi per sendo le leteroj, por veki la intereson de la stacioj, sed ili devas havi taŭgan formon.

Rilate la kursojn estas necese, ke ili absolute konformiĝu al pedagogiaj postuloj. Aliaj nur malhelpas la efikon kaj miskreditigas Esperanton. Bona metodo estas aranĝi kurson en dialoga formo kun ekzemple 2 lernantoj apud la mikrofono. Ne necese tamen estas, ke ĉiu radiopreleganto aperigu propran lernolibron. Serioza instruanto preparas sin tiel, ke li povas eĉ uzi pli-malpli bonan libron, forigante nekonvenaĵojn.

Por vivtenadi la intereson de aŭskultantoj, aranĝo de konkursoj kaj disdono de premioj, mencio de nomoj de premiitoj ktp. estas utilaj helpiloj. Sro. Behrendt kun granda sukceso aranĝis tiajn konkursojn.

Por enkonduki la lernantojn en la movadon, estas necese, ilin regule atentigi pri la amplekso de la esperanto-movado. Oni devas eksciti la intereson por tio.

Por ĝenerala propagando Esperanton per Radio sro. Behrendt malrekomendas simplan paroladon. Tre bona estas aranĝo de pure personaj diskutoj inter Esperantano, Esperanto-kontraŭulo kaj ekzemple indiferentulo. Tiaj diskutoj ebligas elmontri tre bonajn argumentojn por Esperanto kaj substreki la praktikajn servojn de nia movado.

Koncerne la strukturon de Esperanto kaj ĝian kapablecon oni estu singarda tiel en kritiko, kiel en aserto. Nur tre bone preparita persono povas paroli pri tio. Sed ekzistas maniero presenti la lingvon per poemoj, kantoj kaj elektitaj frazoj por montri la melodiecon de Esperanto.

Ĝis nun sro. Behrendt parolis nur pri aranĝoj, kiuj pli-malpli kaŝe enhavas propagandon por Esperanto. La plej bona propagando tamen estas la praktika. Sekve ni praktike apliku Esperanton por la celo de radio ĝenerale. Tri manieroj estas aparte menciindaj : anoncado de stacioj en Esperanto, anoncado de programŝanĝoj en Esperanto kaj praktika reklamo peresperanta por banlokoj, montaroj, regionoj, somerrestadejoj aŭ eĉ por industrio kaj ekspozicioj.

Ni devas eluzi la komunecon de interesoj. Tio estas la sekreto de la afero. Kunagado estas atingebla per rilataro al la interesitaj entrepenoj. Politikajn temojn oni evitu.

Lasta kaj grava rekomendo de sro. Behrendt estas, ke la esperanto-parolisto havu klaran voĉon, bonan elparoladon kaj informu sin pri la teknikaj ecoj de la mikrofono. Estas ankaŭ necese studi la parolteknikon.

Specialan konsideron postulas la daŭro de Esperanto-prezento. Ĉie oni nun apenaŭ donas pli ol duonhoron ; sufiĉas 10 minutoj aŭ kvaronhoro 2-foje semajne por instruado, 20 minutoj, se estas dusemajna intertempo, 20-30 minutoj por diskutoj kaj intervjuoj, 5-10 minutoj por reklamo. Tio estas nur normoj, sed konstatitaj

en praktiko. Resume : nia laboro koncernas la jenajn kampojn — Radio por Esperanto, Esperanto por Radio kaj Radio kaj Esperanto.
Sro. Behrendt pentras bildon de la estonteco, kiam la stacioj sinsekve uzas Esperanton por disaŭdigo de temo interesanta la tutan mondon. Kaj li finas : Ĉu revo neniam realigebla ? Ĉu fantazio ne efektiviginda ? Ne realigebla ŝajnas esti io, ankoraŭ ne realigita ; ne efektiviginda ŝajnas esti io ankoraŭ ne efektivigebla ; la apetito venas, kiam oni ekmanĝas ! La bezono montriĝas, kiam prezentiĝis la eblo por kontentigo al ĝi. Ĉu vi ŝatus, malhavi telefonion kaj Radion ? Niaj prauloj vivis sen ili ! Progresas la kulturo, ĉar evoluas la kulturiloj, ilin havigas la civilizacio, al kiu apartenas la tekniko. Lingva tekniko, elektra tekniko prezentis rimedojn : ni progresigu per ili la kulturon de la tuta homaro !

La parolaĵo de sro. Behrendt, tre klare legita de sro. Schoofs, rikoltas viglan aplaŭdon kaj renkontas grandan intereson, kiel montras la posta diskuto.

*Sro. Heilker-Huizen* parolas pri siaj spertoj kaj propra sukceso ĉe la stacio de Huizen. Oni devas klopodi fariĝi la plej grava persono ĉe stacio. Li sukcesis pri tio kaj sen grandaj malfacilaĵoj povas ĉion atingi, kion ni devis atingi por nia laboro. Oni de post kelka tempo, sen lia interveno eĉ mone kompensas la laboron per Esperanto. Rilate la elparolon li elektis la « mallongan » prononcadon de vokaloj, kiu laŭ li estas la ĝusta.

*Sro. Schoofs-Antverpeno*, kiu karakterizas sron. Heilker la modela parolisto, menciita de sro. Behrendt, ankaŭ diras, ke la elekto de la persono, kiu okupas sin pri esperanto ĉe radio-stacio estas treege grava. La belgoj sukcesis pri tio kaj ĝojas, ke Dro. Kempeneers-Bruselo iel okupas similan pozicion kiel sro. Heilker. — Pri la elparolmaniero li samopinias kun sro. Heilker, kiun li gratulas pro lia bona elparolo.

*Sro. Pyke-Melbourne* sciigas, ke en Aŭstralio estas kvazaŭ la unua radio-stacio, kiu per Esperanto rilatas tra la tuta mondo. Radio-Amatoro, regule dissendanta, deziras interrilatiĝi kun send-amatoroj en aliaj landoj kaj kontinentoj.

*Sro. Kreuz* petas kontakti kun la Radio-Komisiono pri tiu ĉi afero.

Post kiam kelkaj samideanoj faris ankoraŭ mallongajn rimarkojn pri la temo, kaj pluaj parolantoj ne anonciĝis, la *prezidanto* deklaras finita la unuan parton de la kunsido.

La parolon havas nun *sro. Fervoja Konsilisto Dro. Baumann-London*, reprezentanto de la Germana Regna Fervoja Kompanio. Li diras, ke tiu kompanio, kiu estas la plej granda trafika entrepreno de la mondo estas vigle interesita pri multenombraj internaciaj demandoj. Ĝi estas konscia pri tio, ke mondhelplingvo, kiu faciligas la ide-interŝanĝon de la popoloj, ankaŭ havas gravan signifon por popolinterliga trafiko. La Kompanio deziras al la Kongreso, samkiel al la tuta esperanto-movado, plenan sukceson. (Aplaŭdo). La alparolon en germana lingvo tuj tradukas sro. Kreuz.

*Sro. Merchant* respondas kun dankvortoj al la parolinto, ke ni alte taksas la intereson de tia grava kompanio por la Esperanto-lingvo. Li esperas, ke la kompanio ne nur sekvu kun simpatio nian movadon, sed helpu mem al ĝia sukceso per praktika aplikado de Esperanto, kia estas jam komencita ekz. de la fervoja direkcio de Dresdeno.

**2a Temo : Gazetara Propagando**

*Sro. Georges Avril-Nice*, la prezidanto de la Internacia Gazetara Komisiono, parolas pri la temo :

*La organizo de la Gazetara Propagando.*

*Sro. Avril* unue altiras la atenton de la kongresanoj al la resumaj klarigoj pri la ĵus starigita Internacia Gazetara Komisiono. Per la iniciato de la Komisiono la ICK plenumis gravan mankon ĝis nun konstatitan.

La Gazetaro estas unu el la plej gravaj kampoj, al kiuj ni devas dediĉi nian atenton. La Gazetaro estas potenco neanstataŭebla, kiam temas pri instigo de la publika opinio kaj tute aparte pri premado al aŭtoritatoj, registaroj ktp. Sed por taŭge uzi tiun potencan, tamen kaprican forton, necesas agi tre prudente kaj singardeme, precipe ne blinde.

Por krei bazon de organizita pergazeta propagando la Komisiono nun okupiĝas pri detala statistiko laŭ aparta demandaro. (Komparu la aldonon al la Of. Raportaro de Oksfordo). Kiam la Komisiono havos tiun ĉi bazan materialon, ĝi intencas organizi sisteme ĵurnal-propagandon laŭ plano difinita kaj starigita de la Komisiono (kiu konsistas el profesiaj fakuloj) interkonsente kun la I.C.K. kaj la Nac. Societoj resp. Gazetaraj Servoj Naciaj.

Unua paŝo estis instigi la telegraf-agentejojn akcepti informojn pri la kongreso de Oksfordo. Sro. Avril informas, ke la 3 plej gravaj agentejoj akceptis dissendi komunikojn, nome la brita Press Association, la germana Wolff-Büro kaj la franca Agentejo Havas. Ni ŝuldas apartan dankon pro tiurilata klopodo al sroj. Janes-Bedford kaj sro. Schuhler-Saarbrücken, ambaŭ membroj de la komisiono.

Rilate la statistikon, bedaŭrinde la alvoko de la I.C.K., helpi al la laboro, ne havis la dezirindan eĥon. Sro. Avril kaptas la okazon por insiste peti, ke ĉiuj esperanto-organizajoj helpu al la afero kaj rigardu la komisionon kiel kompetentan, taŭgan, spertan konsilanton kaj peranton inter ili kaj la ne-esp. gazetaro. Por plia helpo al la komisiono anoncu sin libervolaj helpantoj, aparte interesitaj pri gazetara propagando. La komisiono ankaŭ esperas pri la intereso de profesiaj ĵurnalistoj-esperantistoj. Al ĉiuj proponontoj oni dissendos demandaron kaj interkonsentos pri la detallaboro farota.

Sro. Avril petas, ke por helpi al informado de la Komisiono la Nac. Societoj, Fak-Asocioj, Esperanto-Gazetaro kaj Eldonistoj sendu siajn eldonaĵojn en almenaŭ unu ekzemplero al la komisiono, kiu tuj entreprenos, kio estas entrepreninda. La komisiono ankaŭ klopodos aparte pri mencio de gravaj esperanto-verkoj aŭ recenzoj en la gazetaro ne-esperantista per aparta maniero. Per montro de la materialo al samprofesiuloj la komisiono povas varbi ĵurnalistojn al Esperanto.

Post tio sro. Avril donas superrigardon pri la ĝisnuna stato de la *Statistiko*, tute ne kompleta kaj nur komencita antaŭ ne longe. Rezultato :

*Britlando :* 8 gazetoj kun regulaj esp. anguloj.
54 gazetoj regule raportas pri esperanto-aranĝoj.

*Francujo :* 7 gazetoj kun regulaj esp. anguloj kaj artikoloj.
27 gazetoj regule enhavantaj favorajn artikolojn diversspecajn.

La fakorgano « Le Journaliste » post ne longe publikigos artikolon pri « Ĵurnalismo kaj Esperanto », verkitan de sro. Avril mem.

*Germanujo :* 20 gazetoj por-esperantaj.
25 gazetoj simpatiaj, kiuj regule aperigas notojn kaj novaĵojn.

La organo « Deutsche Presse » legata de 50.000 ĵurnalistoj enhavis artikolon pri Esperanto de sro. Schuhler-Saarbrücken, membro de la komisiono.

*Polujo :* 7 gazetoj por-esperantaj.
11 gazetoj simpatiaj, kiuj publikigas artikolojn.

*Nederlando :* 2 tre favoraj gazetoj.
42 gazetoj regule enhavas notojn kaj artikolojn.
13 gazetoj estas simpatiaj al Esperanto.

La nederlanda statistiko, verkita de sro. de Wolff, gvidanto de la nederlanda gazetara servo, montras la plej favorajn ciferojn.

Sro. Avril dankas al ĉiuj helpintoj kaj al tiuj, kiuj anoncis sin por kunlaboro. Post tio la paroladanto respondas al la demando : *Kiaj pri-esperantaj informoj trafas plej ĝuste la legantojn?*

Kompreneble oni ne povas starigi firman regulon. La profesiulo scias, kiel alparoli siajn samfakulojn. Ni turnu nin do aparte al la amas-publiko. Rilate la publikon, la verkantoj de novaĵoj devas kiel plej eble eviti rektan por-esperantajn pledadojn. Estas pli bone interligi fakton kun la aktualaĵo : turismo, kongresoj internaciaj, konferencoj diplomatia, radio, kinematografo ktp. ktp. Sro. Ŝapiro, membro de la komisiono, tre trafe diras, ke la koncerna novaĵo eĉ ne bezonas la vorton Esperanto en la titolo. La malo estas dezirinda ; aludo estas pli laŭcela ol firma aserto. Tio estas kvazaŭ maskita propagando. La rekta varbado estas enkonduko de esp.-anguloj en sufiĉe gravaj organoj, kiuj havas konsiderindan disvastigadon. Por certigi daŭrigon de ĉiu reklamo, konstanta varbado al ĵurnalistoj estas necesa kaj bonaj rilatoj al la redakcioj mem. Ni neniam trograndigu, ĉar tio miskreditigas nian aferon.

Ankaŭ la maniero por refuti kontraŭdiron al Esperanto estas gravega punkto. Ni devas elekti taŭgan formon por tio. Al la samideanaro estas rekomendite, nenion entrepreni antaŭ ol oni interkonsentis pri la taktiko kun sia nacia gazetara servo, nacia societo, la I.C.K. aŭ la komisiono mem, laŭ la graveco de la afero.

Je la fino sro. Avril ripete esprimas la esperon, ke la komisiono trovos ĉiun deziritan kaj dezirindan helpon por povi raporti en la proksima jaro pri rimarkinda antaŭeniro de la organizita laboro en tiu ĉi kampo.

Ankaŭ ĉi parolado trovas la tutan atenton de la intertempe iom pli grandiĝinta ĉeestantaro. *Sro. Merchant,* kore dankante al sro. Avril pro la parolado kaj la jam farita laboro, malfermas la diskuton pri la temo.

Kelkaj samideanoj informas pri siaj spertoj kaj la ofta malfacilaĵo refuti maltrafajn informojn.

*Sro. Schoofs-Antverpeno* atentigas pri la malsameco de manieroj tion fari. La kutimoj kaj reguloj ne egalas en ĉiuj landoj. Ĉiukaze oni plendu aŭ protestu, sed ne ataku. Tio povos nur fari malbonan impreson kaj kaŭzi malan efikon. Li donas kelkajn ekzemplojn pri la refut-procedo, sukcese uzita en Belgujo.

*Sro. Avril-Nice* konsentas pri tiu ĉi opinio.

*Sro. Merchant* subtenas la vidpunkton de la antaŭaj 2 parolintoj. Li atentigas pri la utileco kapti la plej bonan okazon por ion publikigi pri nia afero. Rilate refutojn, li rekomendas, ke oni ne atendu kelkajn semajnojn por respondi al kontraŭartikoloj. La rapidemaj ĵurnaloj kaj redakcioj malakceptas tro malfruajn artikolojn. Se oni kaptas la okazon, oni povas fari senpage eĉ tre vastan reklamon por nia lingvo.

Neniu plu anoncas sin pri la temo, kiu per tio estas finita.

*Sro. Newell (LKK)* donas kelkajn urĝajn anoncojn. Poste *sro. Kreuz* informas, ke sur la tagordo por la 3a kunsido troviĝas : Raporto de la Akademio kaj de UEA, mallonga klarigo de sro. Warden-Edinburgo pri « Elparolo » kaj parolado de li mem pri la temo : Ĉu la tekniko povas superi Esperanton ?

Post tio la *prezidanto* fermas la kunsidon kun danko al la ĉeestintoj.

(Fino : 12,25 h.)

## 3a LABORKUNSIDO

**La 8 Aŭgusto 1930 en la Granda Salono de la Urbdomo**

Komenciĝo : 10,10 h. Prezidas : Sro. J. Merchant, prez. I.C.K.

*Sro. Merchant* malfermas la kunsidon post mallonga atendo. La kunveno estas malbone vizitita komence, sed poste la ĉeestantaro pligrandiĝas.

Li donas la parolon al sro. *Prof. Cart,* prezidanto de niaj lingvaj institucioj por mallonga

*Raporto pri la Lingva Komitato kaj la Akademio.*

Prof. Cart altiras la atenton de ĉiuj kongresanoj al la raportaro, kiu jam aperis en la aldono al la Kongreslibro. Li diras, ke kvankam oni ofte kredas, ke la lingvaj institucioj ne agas sufiĉe videble, konstante estas farata valora laboro por nia lingvo. Manko de pliaj monrimedoj certagrade malhelpas pli larĝan agadon. Tio, kio nun estas farata konservos sian valoron longtempe. Multo estas nur preparo por gravaj laboroj de l'estonto.

Pri la situacio de nia lingvo li diras, ke ĝi estas forta, kvankam malfacila. Nia laboro estas streĉa, pena. La mondo kaj ĉefe la lingvistoj, dubas pri la ekzisteblo de internacia helplingvo. Ankoraŭ pli ofte ni devas montri al ĝi, ke Esperanto ekzistas kaj pruvas la eblecon de helplingvo. Por konservi la lingvon, fideleco estas necesa. La fideleco al la Fundamento de Esperanto ĝis nun garantiis la vivon de nia lingvo. Fideleco estos ĉiam necesa por ke ĝi daŭrigu vivi. Homoj forpasas, ideoj transvivas la homojn. Nia fideleco ne devas esti tial al personoj, sed al la ideo. (Aplaŭdo) Ni propagandu kaj uzu Esperanton por montri ĝian vivon

*Sro. Merchant* en la nomo de la kongresanoj esprimas la dankon pro la varmaj vortoj de Prof. Cart. Li nomas lin vera gardanto de nia lingvo, kiu gardas la juvelojn de nia movado. Ni sekvu lian alvokon kaj daŭrigu konservi nian fidelecon al nia Fundamento.

*Raporto de UEA.*

UEA pritraktis siajn aferojn en aparta kunsido. Ĉar U.E.A. estas oficiala organizaĵo, *sro. Merchant* petas al sro. Stettler, honora kaj efektiva prezidanto de UEA fari mallongan komentaron pri la laboroj de U.E.A.

*Sro. Stettler* donas mallongan raporton pri la laboro de UEA. Prof. Cart rekomendis, li diras, ke ni daŭre uzu Esperanton. Tio ĝuste estas la celo de UEA. Kion signifas UEA ? Ĝi nomiĝas Universala, ĉar ĝi alcelas la tutan universon. La nomo Esperanto montras, ke ne ekzistas nur la lingvo, sed ankaŭ ideo, movado. Asocio UEA nomiĝas, ĉar ĝi volas esti bone organizita societo. La tri komencliteroj de ĝia nomo karakterizas ĝin : Utila Estas Aliĝo.

Sro. Stettler esprimas la koran dankon al la membroj, ĉefdelegitoj kaj delegitoj de UEA, al kies fidela kunlaboro la asocio dankas sian nunan situacion en la esp. organizo. Li petas konservi al ĝi tiun ĉi fidelecon por plua progreso de Esperanto. (Aplaŭdo)

En la dua parto de la kunsido estas pritraktataj ankoraŭ 2 ĉeftemoj :

*Ia Temo: Tradukado en internaciaj konferencoj*

La *prezidanto* atentigas pri la valoro kaj utilo profiti el la spertoj de fakuloj en div. kampoj por nia plua laboro. Pro tio li salutas, ke dum la lastaj universalaj kongresoj ĉiam povis esti raportate pri spertoj kaj agado en aparte

gravaj sferoj. Ne estas dubo pri tio, ke pli kaj pli niaj kunlaborantoj devas esti specialistoj por enpenetrigi Esperanton en la praktikon.

Sekvas

*Parolado: Ĉu la tekniko povas superi Esperanton?*

(de Rob. Kreuz, Ĝenevo)

Sro. Kreuz diras : La internaciaj rilatoj post la granda milito fariĝas pli kaj pli oftaj kaj intimaj. Plimultiĝas la internaciaj kongresoj, ĉar la homoj havas pli da intereso, emo kaj bezono okupi sin pri komunaj problemoj. Progreso, precipe scienco kaj tekniko igis la terglobon malgranda. La distancoj mallongiĝas. Nur unu barilo restas : la multlingveco.

Jam en Budapesto, diras sro. Kreuz, mi parolis pri la utileco prepari interpretistojn por Esperanto, por ke ni estu pretaj, kiam la bezono fariĝas pli granda. Mi daŭrigis studi la situacion en tiu ĉi kampo. Kuraĝigite per la intereso, kiun trovis mia lastjara parolado, mi deziras konigi la rezultaton de miaj pluaj konstatoj.

La malhelpo de la multlingveco estas sentata jam de post kiam oni organizas internaciajn kongresojn kaj konferencojn. La praktiko ankaŭ kondukis al solvoj por forigo de la malfacilaĵo. Ili sufiĉas laŭ la nuna situacio, sed ili tute ne estas la finsolvo.

Unua kaj plej simpla maniero estas, radikale limigi la uzatajn lingvojn je unu (la angla lingvo) aŭ je kelkaj (angla, franca, germana). Montriĝis jam, ke la unua solvo estas tute neebla. La Ligo de Nacioj uzas oficiale 2 lingvojn, la francan kaj anglan. Fakte tamen oni povas paroli en aliaj lingvoj, kondiĉe, ke oni tradukigu sian paroladon en la du ĉeflingvojn. Estas superflue klarigi, kiom malekonomia estas tia procedo. La ĉefa manko estas, ke tiu ĉi organiz-maniero donas nepran superregon al tiuj, kiuj parolas la koncernajn lingvojn kiel gepatran lingvon. Fakte la internaciaj kongresoj kaj konferencoj nun restas Babela lingvokonfuzo.

La organizantoj de konferencoj kaj kongresoj ne nur sentas, sed pozitive scias tion. Pro tio ili klopodis trovi novajn metodojn.

La tekniko helpis al ili. Antaŭ kelkaj monatoj trakuris la gazetojn la novajo, ke la problemo de l'interkompreniĝo estas solvita. En la granda internacia Konferenco pri Energio en Berlino oni vaste propagandis teknikan aranĝon por faciligo de la interkompreno. Ĝi fakte estas jam provata de pli ol 2 jaroj. Oni povas kredi, ke la nuna aranĝo atingis la plej eblan perfektecon.

Temas pri telefon-sistemo. Sur la tablo de ĉiu ĉeestanto de konferenco troviĝas telefon-aŭdilo, t.n. « kasko » (kian oni antaŭe kaj parte ankoraŭ nun uzis por radioaŭskultado). Ĝi estas ligita kun elektra ŝaltilo, kiu ebligas pli- aŭ malpli fortigi la ricevatan voĉon laŭ principo de laŭtparolilo. Komutilo ebligas kapti la lingvon, kiun oni deziras aŭdi. La nunaj aparatoj permesas uzon de 4-5 lingvoj. De la sidloko gvidas telefondratoj ĝis la loko de la tradukistoj, kies traduko estas transmetata telefone. La tradukistoj sidas antaŭ la katedro de l'paroladanto, Kiam tin ekparolas, la tradukistoj tuj tradukas la parolitan vorton per mallaŭta voĉo en parolilon. Kiel supre indikite la instalo permesas pli- aŭ malpli-fortigon de la parolaĵo por la aŭskultanto.

Mi havis okazon, diras sro. Kreuz, praktike uzi la sistemon kaj studi ĝin kritike dum lasta kunsido de la Internacia Labor-Oficejo en Ĝenevo, kiu uzas la telefonsistemon de post proksimume 2 jaroj.

Rilate la ricevon de la parolaĵo ne ekzistas ia malfacilaĵo. Kiu kutimiĝas je uzo de ordinara telefono, ne konstatos malsamecon. Praktike estas, ke oni povas reguligi la voĉon ricevatan, kio ne estas ebla ĉe ordinara telefono.

Mi komparis la originalan paroladon de kelkaj paroladantoj kun la tuja traduko, aŭskultante per unu orelo la paroladon, per alia la tradukon en francan, germanan aŭ hispanan lingvojn. Ĉar ĉiuj tradukoj estis faritaj samtempe, mi povis rapide komuti la lingvon, kiun mi deziris kompari. La aŭskultado tamen estis streĉiga kaj laciga procedo. Kelkfoje la traduko ne okazis samtempe, — pro kaŭzoj de tekniko aŭ pro lingvaj kialoj —, tiel mi ankaŭ povis kompari la tradukojn inter si. Mi devas diri je la honoro de la tradukistoj, ke ili senescepte plenumis sian taskon en maniero kiun mi, mem praktikante kiel tradukisto kaj interpretisto, taksas kun grandega respekto. Kelkaj tradukoj estis eksterordinare bonaj, kelkaj plene sufiĉis, sed montris kelkajn teknikajn mankojn, kiuj tamen dependas de lerteco, praktiko ktp. Kelkfoje estis donita nur parta traduko en unu aŭ alian lingvon. Tio ĝenerale ja estas reguligebla, sed ĝi postulas preparon, kaj helpantojn.

Laŭ tio oni povus kredi, ke la telefon-sistemo efektive solvas la interkomprenon. Ĝi solvas ĝin tamen nur parte kaj nesufiĉe. Ĝi peradas la paroladon el iu lingvo en la lingvojn de traduko. La tradukado dependas de la talento, lerteco, perfekteco kaj la fizika povo, de l'tradukisto. Ni supozu, ke oni trovos tradukistojn sufiĉajn kaj monon sufiĉan por organizi tiun ĉi sistemon en internaciaj aranĝoj. Kontraŭ la superaj fortoj ankaŭ la tekniko ne havas rimedojn. Aparatoj difektiĝas piloj aŭ baterioj subite elĉerpiĝas kaj okazas aliaj malhelpoj, kiuj neniam estas eviteblaj. La aŭskultanto laciĝas. Kiu kapablus aŭskulti dum 4-5 horoj dum unu tago, eventuale dum pluraj tagoj ? Mi vidis praktike, ke la ĉeestantoj aŭskultis kvaronhoron aŭ duonhoron, poste estis kontentaj, ke la vico de alia parolanto ebligis al ili formeti la aŭdilon dum mallonga tempo.

Sed ĉiuj-ĉi malavantaĝoj malaperas antaŭ la plej granda manko de la telefonsistemo. Eĉ se la interkompreno estas atingita en la priskribita maniero sufiĉe limigita (pro plej div. kialoj) libera diskuto estas tute malebla. Paroladantoj kaj diskutantoj ĉiam dependos de la tradukistoj kaj de l'telefonsistemo, aŭ pli vere de la multlingveco, kiujn ni esperantistoj ja konas, sed forigas per uzo de unu lingvo helpa : Esperanto.

Stariĝas do la demando : Ĉu la tekniko povas superi Esperanton ? Mi povas en plena konvinko diri, ke NE ! Tion pruvas jam la nuna nesufiĉeco de la teknikaj rimedoj. Samkiel oni ne povas krei homon en retorto, la tekniko ne povos konstrui maŝinan cerbon, kiu teknike kaj aŭtomate transformas la pensojn kaj la diritan vorton el la lingvo ne-komprenata en alian lingvon.

Organizatoroj estos devigataj daŭrigi sian serĉon pri pli perfekta procedo. Oni povas rimarki, ke hodiaŭ ili jam tre serioze parolas pri uzo de « artefarita » lingvo kaj la jama aplikado de Esperanto. Oni povas senti, ke ili staras antaŭ nova, grava decido. Kiel ni ofte en la vivo, farante gravan paŝon, estas singardemaj kaj retenemaj, ankaŭ ili ankoraŭ hezitas.

Ne estas antaŭvideble, kiom longe ili ankoraŭ hezitos. Ilia proksima paŝo jam povas havi decidan signifon por ni. Ĉar fine Esperanto restos la sola solvo de la problemo. Tiam oni forigos la telefonojn en la konferencoj kaj kongresoj kaj parolos fine de homo al homo, samkiel tio nun okazas en niaj esperanto-kongresoj.

La logika konkludo estas : *La tekniko ne povas superi Esperanton* ! Sed kio rezultas el tio por nia praktikistoj de Esperanto ? Ke ni daŭrigu perfektigi Esperanton per konstanta, varia uzado praktika kaj zorgu pri preparo de tradukistoj, kiuj kapablas plene efikigi la altajn kvalitojn de Esperanto por ĝia esenca signifo.

Sro. *Merchant* dankas al la oratoro pro lia bonega parolado, kiu, juĝite laŭ la vigla aplaŭdo de la aŭskultantoj, trovis plenan atenton. Li tre rekomendas al aktivaj esperantistoj interesiĝi pri tiu ĉi afero kaj proponas publikigi artikolon pri tiu ĉi temo en la esperanto-gazetaro.

Antaŭ ol komenci la duan temon parolas ankoraŭ sro. Olŝvanger-Londono kaj sro. advokato Aron-Kőnigsberg.

*Sro. Olvŝanger-Londono* rekomendas du punktojn al konsidero en propagando, tiun de la lingvo kaj tiun de la ideo. Oni devas altrudi Esperanton per enŝovigo en la programojn ktp. Por krei amikecon inter la homoj ne sufiĉas lingvo. Oni bezonas ideon, ligitan kun ĝi. La « interna ideo » de Esperanto ne estas klare elmontrata. Ni bezonas junajn novajn homojn kun novaj kaj sanaj ideoj. Oni devas preni la vivon tia, kia ĝi estas kaj ne nur fari frazojn kaj sonĝi. Ni devas konscii pri tio, ke la homaro estas dividita en naciajn grupojn, kiuj ĉiuj vivas sian nacispiritan vivon. Oni devas respekti la diversnaciecon, kiu faras bela la homan familion. Al la senesperanta diversnacieco ni kontraŭstarigu Esperanton, kiu ebligas rekte ekkoni la karakteron de alinaciano.

Niaj kongresoj estu granda manifestacio de la diversnacieco sub la ŝirmo de Esperanto. (Vigla aplaŭdo).

Sro. *Aron-Kőnigsberg* renovigas sian alvokon al la laboroj de la Internacia Centra Komitato, aliĝante kiel patrono. Li rekomendas, ke la direktoro de I.C.K. akceptu la aliĝojn tuj en la kunsido. Pli-fortigante nian centran gvidinstitucion, ni pligrandigas nian eksteran forton.

Sro. *Merchant* dankas al sro. Aron pro la varma defendado de la interesoj de I.C.K.

La kunsido daŭrigas per la

### *2a Temo: Mallongaj klarigoj pri Elparolado de Esperanto*

*de sro. J. M. Warden-Edinburgo.*

Kvankam Esperanto estas facile lernebla kaj samfacile elparolebla, diras sro. Warden, ne ĉiuj elparolas korekte Esperanton. Ĉar oni en ĉiuj lingvoj elparolas malsame, oni simple ne konscias pri tio pro nura kutimiĝo. Ni devas observi nian elparolon kaj forigi mankojn por certigi veran internaciecon de nia lingvo.

Pri la konsonantoj ne ekzistas malfacileco aparta. Oni devas distingi ilin laŭ ilia fakta valoro kaj alparoli ĉiujn klare. Oni do ne diru ekzemple « Poŝtkâto », (parolante la r laŭ angla maniero), kiam oni parolas pri « poŝtkarto », a. s. Sro. Warden donas plurajn ekzemplojn pri tio.

Rilate la vokalojn Dro. Zamenhof ĉiam rekomendis, ke oni elparolu ilin mezlonge kaj mallarĝe, ne tro fermite kaj ne tro malfermite. Ankaŭ pri tio li donas div. trafajn klarigojn.

Oni evitu elparoli konsonanto-kunligojn tranaze bang-ko anstataŭ banko ktp. Vokalojn oni ne igu diftongoj kaj pri la diftongoj oni atentu speciale. Fine oni rimarku la simplan, vere simplan regulon pri la akcento de Esperanto.

Per reciproka korektado en la lingvo oni povos perfektiĝi sen granda malhelpo.

*Sro. Merchant* substrekas la gravecon de bona elparolo, kaj aldonas, ke tiuj, kiuj parolas publike devas esprimi sin tiel ke oni ilin komprenu nepre.

*Sro. Warnier-Parizo* kiu aliĝas al tiu ĉi rimarko, rekomendas, ke en la proksimaj kongresoj ni havu laŭtparolilojn por komprenigi ĉiujn oratorojn kaj parolantojn en vasta salono.

*F-ino Lydia Zamenhof-Varsovio* petas, ke la ĉeestantoj atentigu en siaj kluboj kaj grupoj pri bona elparolo. Tio estas aparte grava por la radio-propagando.

*Sro. Krysta-Český-Tešin* proponas, ke oni ne nur ripetu la temon de elparolo en la kongresoj, sed daŭrigu la esploradon pri neegaleco de elparolo. Oni starigu firmajn regulojn laŭ kiuj oni poste povu direktiĝi.

*Sro. Hetzel-Fidadelfio* diras, ke la plej bona maniero por konstati ĝustecon de elparolo estas parolanta filmo, per kiu oni povas aŭdi sian propran voĉon kaj kelkfoje miri, nerekonante sin mem. Li rekomendas aŭskulti la parolantan esperanto-filmon, prezentatan dum la kongreso de Oksfordo.

*Sro. Krysta-Český-Tešin* respondas al tio, ke ĝuste la parolfilmo montras certan malsamecon de la elparolo de div. parolantoj.

*Sro. Schoofs-Antverpeno* kontraŭparolas al la aserto pri neegala elparolo. Certe oni aŭdas regule div. elparol-nuancojn Ili neniam estis kaj estas malhelpo por interkompreno de Esperantistoj kaj iagrade eĉ donas karakterizaĵon al nia lingvo.

*Sro. Kreuz-Ĝenevo* subtenas tiun ĉi vidpunkton. Post pli ol 40-jara ekzisto de Esperanto oni ne diskutu pri la kompreniĝo inter esperantistoj. Ni facile kaj senpene interkompreniĝas, se la interparolantoj fakte scias la lingvon. Malgrandaj nuancoj ne ludas ian rolon, kvankam ili estas forigindaj. Ni uzu Esperanton kiel eble plej ofte, atentu reciproke pri la elparolo kaj forigu certajn mankojn. Ili plej ofte rezultas el tio, ke la koncernaj personoj ne bone lernis nian lingvon aŭ ne faras al si la penon bone elparoli. Oni ne ofendiĝu, se oni reciproke korektas la elparolon.

*Sro. Heilker-Huizen* diras, ke estas ioma vero en la diro de sro. Krysta. Ni postulu bonan elparolon.

*Sro. Prof. Cart-Parizo* atentigas, ke la tonika akcento estas tre grava. Se ĝi estas farata laŭregule, ĉiuj nuancoj ludas malgravan rolon.

*Sro. Hoen-Kőln* sugestas, ke la temo estu pritraktata foje en la Somera Universitato.

La diskuto estas finita. Sekvas ankoraŭ kelkaj rimarkoj pri aliaj temoj.

*Sro. Prof. Novljan-Zagreb* parolas pri « Lernejo en Esperanto » kaj proponas la kreon de mezlernejo en Esperanto. Instruistoj jam ekzistas. Ankaŭ lernantojn ni trovos sufiĉe. La necesan kapitalon oni povas kolekti per kotiza imposto de ĉiuj esperantistoj en la tuta mondo.

*Sro. Hildebrandt-Berlino* petas pri helpo al blinduloj kaj rekomendas pli da intereso por instruado de Esperanto en

blindulejoj. Li ankaŭ sugestas interŝanĝon de korespondado inter blinduloj.

*Sro. Baes-Bruselo* revenas al la kritiko pri la klopodo ĉe la poŝto de l'Princlando Liĥtenstejno, farita en la 1ª laborkunsido. Li diras, ke la esperantistoj ofte rapide juĝas pri afero, kiun ili tute ne konas kaj kies graveco ne estas komprenata de ili. En tiaj aferoj la juĝo estas al la fakuloj. Konsekvence kiel komisiito de la Internacia Ligo de Poŝt- kaj Telegraf-Oficistaro (Ilepto) li konigas rezolucion, ke la membroj de Ilepto unuanime kaj entuziasme dankas al ICK, kaj precipe al ĝia direktoro persone, pro la sukceso en Liĥtenstejno, kiu havas grandan signifon por plia simila laboro.

*Sro. Merchant* dankas en la nomo de ICK kaj esperas, ke estos eble atingi similan sukceson alilande. Li samtempe informas, ke ĵus angla samideano sekvis la alvokon de sro. Aron kaj fariĝis patrono de I.C.K.

*Sro. Kreuz* legas kelkajn komunikojn. Poste la programo estas elĉerpita. kaj la prezidanto *sro. Merchant* fermas la kunsidon. Fino : 12,25 h.

## FERMA KUNSIDO.

Komenciĝo : 10,20 h.

*Sro. Merchant* malfermas la lastan kunvenon de la kongreso kaj diras : Ni ne intencas fari longan kunsidon. La plimulto de la kongresanoj restos ankoraŭ nur kelkajn horojn en la ga tama urbo Oksfordo. Multaj deziras atingi fruan vagonaron al Londono.

*Sro Long* kaj *sro. Kreuz* poste laŭtlegas la tekston de rezulucioj submetitaj la Kongreso por aprobo.

*Rezolucioj.*

1.

La 22a Universala Kongreso de Esperanto en Oksfordo, kuniginta 1200 Esperantistojn de 30 nacioj respekte altiras la atenton de la div. registaroj, kaj precipe de la Ministroj por Edukado, pri la unika valoro de Esperanto por internaciaj aferoj, kiaj estas kunveno de la Ligo de Nacioj kaj aliaj konferencoj, kie diversnacianoj kunsidas por reciproka kaj komuna interkonsilo

kaj

esprimas la fortan esperon, ke oni baldaŭ enkonduku la internacian helplingvon Esperanto en la instruplanon de la lernejoj : estante certa, ke la akiro de Esperanto kiel dua lingvo apud la gepatra lingvo ne nur multe helpos la lernantaron rilate ĝeneralan edukadon, sed ankaŭ preparas ĝin por tiu amikeco, al alinacianoj, kiu estas unu el la plej valoraj faktoroj por internacia paco kaj progreso.

La rezolucio estas akceptita unuanime kun la rekomendo al la I.C.K. sciigi la rezolucion al ĉiuj membroj-ŝtatoj de la Ligo de Nacio.

2.

La 22a Universala Kongreso de Esperanto en Oksfordo, vizitita de 1200 personoj el 30 nacioj

gratulas la Registaron de la Princlando de Liĥtenstejno pro ĝia larĝvida decido pri uzo de Esperanto kiel helplingvo sur siaj ofic. poŝtkartoj kaj por la turisma propagando,

dankas la Princlandan Registaron plue pro la akcelo de Esperanto, farita per tio, atendante ke, tiun ĉi unuan paŝon sekvos plia enkonduko por similaj celoj

kaj

esprimas la esperon, ke aliaj landoj baldaŭ imitos la salutinden ekzemplon de Liĥtenstejno.

Akceptite kun rekomendo al ĉiuj esperantistoj doni sian plenan helpon al la koncernaj entreprenadoj.

3.

La 22a Universala Kongreso de Esperanto en Oksfordo, en kiu partoprenis 1200 personoj el 30 nacioj sciiĝis kun plezuro pri la intenco de la Organiza Komitato de l'Mondkongreso de la Inform-Oficejoj, Institucioj por Kredit-Protekto kaj Organizacioj por Enkasigo uzi Esperanton por la celoj de siaj organizacioj

gratulas la Komitaton pro tiu ĉi utila decido

kaj

petas la gvidantajn Esperanto-instituciojn disponigi al la koncerna organizacio sian tutan helpon por realigo de la afero.

Akceptite kun la peto al I.C.K. tuj entrepreni la neceson por atingi enkondukon de Esperanto en la nomita organizacio

*Sro. Long (LKK)* legas rezolucion de la Blindula Kongreso. kiu esprimas la dankon al ICK kaj la LKK pro la granda helpemo al la aranĝo por blinduloj en Oksfordo.

*Sro. Hoen-Köln* transdonas dezir-esprimon de la Kunsido de l'Stenografoj, ke dum la 23a Universala Kongreso de Esperanto, ICK bonvole zorgu pri aranĝo de prelego pri stenografio.

*Sro. Blaise-Londono* informas kiel kuratoro de la deficitaferoj de Vieno, ke dank'al la oferemo, precipe de britaj samideanoj, kaj aparte pro samideanino (kiu deziras resti nenomata) sed donis blankan ĉekon por la mankanta sumo, la deficito de l'Viena Kongreso estos definitive likvidita.

*Sro. Merchant* esprimas la dankon pro tiu ĉi gojiga rezultato.

*Sro. Kreuz* esprimas la dankon al la belgaj samideanoj, kiuj sukcesis havigi la vojaĝ-rabatojn por la belgaj fervojoj kaj la ŝipveturado Ostende-Dover.

*Sro. Schoofs* diras la dankon de la kongresanoj al la brita esperantistaro pro la bona organizo de la Oksforda Kongreso. Li korege dankas al ĉiuj kunlaborantoj kaj precipe al sro. Goldsmith pro ĉio, kio estis farita por agrabligi la restadon de la kongresvizitintoj en Anglujo.

*Sro. Long* respondas en la nomo de la LKK kaj ĝia helpantaro. La unuan meriton havas nia sekretario sro. Goldsmith, li diras. Ni akceptis la kongreson sub speciálaj cirkonstancoj kaj en kondiĉoj ne ĉiam favoraj por senmanka aranĝo. Sed estis por ni honoro kaj plezuro servi al la granda afero. Ni ankaŭ ŝuldas dankon al la kongresanoj, kiuj venis tiom multnombre al nia kongresurbo. Li esperas, ke ĉiuj kongresanoj, ne konsiderante iujn grade malaperintajn neperfektaĵojn, ĝuis agrablan restadon kaj deziras al ili bonan hejmenvojaĝon.

*Sro. Goldsmith* kortuŝite dankas pro la multa simpatio, esprimita al li persone pro la laboro farita. Via danko al mi, li diras, koncernas la tutan komitaton kaj niajn oficistojn, kiuj tage kaj nokte helpis en ĉio. Sed ankaŭ la kongresanoj, kiuj aliĝis kiel plej eble frue, meritas nian dankon

pro la faciligo de nia laboro. La kongreso estas finita, nun nia zorgo estas utiligi la efikon.

*Sro. Kreuz* post tio sciigas, ke ICK definitive akceptis la inviton de la Pollanda Esperanto-Delegitaro por la 23a Universala Kongreso de Esperanto en Krakovo en 1931.

*Sro. Prof. Bujwid-Krakovo* en la nomo de P.E.D. kaj la Loka Komitato tre kore invitas ĉiujn samideanojn veni en proksima jaro al Pollando. La polaj samideanoj faros ĉion por sukcesigi la kongreson, agrabligi kaj faciligi la restadon en la kongreslando.

Sro. Merchant prenas la parolon por la lastaj vortoj. Li diras : La semajno pasis rapide, de post kiam ni venis Oksfordon kun granda espero. La kongreso estis plena sukceso kaj mi esperas, ke vi hejmeniros kun novaj impresoj kaj kora memoro pri nia gastama lando. Mi ankaŭ esperas, ke novan entuziasmon kaj plian amon por nia granda afero vi ĉerpis el via kongresa ĉeesto. Mi jam memorigis pri niaj mortintaj pioniroj Generalo Sebert, S-ino Hankel, Barono de Ménil, Dro. Buchanan kaj aliaj. Ni ankaŭ memoru pri la vivantoj, la servantoj por nia afero. Tiam nia danko estas direktota al niaj tielnomataj « pagataj oficistoj » kiel s-roj Goldsmith, Kreuz kaj aliaj. Ni pagas ilin, sed iliaj salajroj estas nur subteno por ilia vivtenado. Ilia laborego ne estas pagata kaj ne pagebla.(Granda aplaŭdo). Nur ĉar ili amas nian idealon, ĉar ili konscias pri la granda tasko, kiun ili plenumas, ili tiel sinofere laboras. Se kelkfoje vi konstatas manketojn aŭ erarojn en ilia laborado, estu indulgaj. Proverbo diras, ke tiu homo, kiu ne faris erarojn, faras nenion.

Do iru hejmen, vojaĝu bone. Havu kuraĝon, agu harmonie, faru vian devon al la movado, al via propra lando kaj por vi mem kaj vi marŝos kun ni ŝultro apud ŝultro por certigi la venkon de Esperanto (Vigla aplaŭdo).

Je la fino la prezidanto donas la parolon al Dro. Feliks Zamenhof por la jenaj vortoj de adiaŭo :

*Parolado de D-ro Feliks Zamenhof.*

Karaj ĉeestantoj !

Jen, ni alvenas al la plej malagrabla punkto. Finiĝas la Dudekdua, brila kaj sukcesa kongreso. Jen la 22-a fojo, kiam homoj venintaj el div. landoj eksentis bedaŭron de la adiaŭo. Ni ĉiuj forprenos de tie grandan provizon da agrablaj rememoroj pri kune travivitaj belaj tagoj. Unu malgranda semajneto kaj tiom da komunaj pensoj kaj sopiroj ! Kiam ni venos hejmen, ĉiu penos, rompi la murojn, propagandi nian karan Esperanton. Ne forgesu ni, ke ĉiu bona afero, bona movado, devas havi ne nur piedon, sed ankaŭ la kapon. Ne forgesu ni, ke ofte unu maltakto, unu nesingarda paŝo en la propagando povas doni malutilon, kiun poste ne rebonigos cent penegoj bonaj. Ĉar tia estas jam la homa naturo, ke ĝi pli facile ekagas je malbono ol je bono. Ne pensu, ke ĉiu, kiu veturas tre rapide, ankaŭ nepre rapide venos al celo. Ofte tro rapidan veturon trafas malfruiga akcidento.

Kun ĉiu kongreso finiĝas en Esperantujo jaro kaj komenciĝas jaro nova. Kun la Dudekdua finiĝas jaro 43-a kaj komenciĝas la 44-a jaro post naskiĝo de Esperanto. Kia estis ĝi, la nova jaro, kiaj estos ĝiaj diskutoj, ĝiaj novaj ideoj, plendoj aŭ eble laŭdoj — Vidos, kiu vivos !

En la pasinta jaro en Esperanto aŭdiĝadis div. demandoj, eĉ veoj : Kie ni staras, kien ni iras, ĉu finfine ni venos al celo, ktp. ktp. Oni plendis ankaŭ, ke Esperanto estas utopio, ke oni malbonuzas Esperanton por celoj ne pure esperantaj ktp. Mi ne plu memoras kion oni plendis. Al tiuj plendoj, mi plenkonscie, kun via aprobo, povas respondi, ke nia vojo estas la voj' destinita, ke ni ĝin bone iris, iras kaj verŝajne ne malpli bone iros. Kaj koncerne la malbonuzadon de Esperanto, eble ne ĉiuj scias, ke antaŭ 44 jaroj, la unua broŝuro, kiu ekanoncis al la mondo aperon de la lingvo Esperanto, havis malgrandan, ŝajne ne gravan tamen tre gravan noton : « *Esperanto estas nenies proprajo* ». Ĝi apartenas al la tuta homaro. Ĉiu povas ĝin uzi laŭbezone. D-ro Zamenhof donacis malavare sian verkon, tutan ĝojon de sia vivo, al la homaro por ĝia eterna beno. Esperanto estu beno. Oni ĝin uzu por celoj noblaj, indaj. Kiu uzas ĝin por celoj malindaj, en laboroj perversaj, aŭ por plisukcesigi siajn ruzajn krimatencojn, tiu ne estas esperantisto. Tiu forjetu la stelon kaj ne profanu ĝian simbolon. Ĉar en Esperanto, en la konscio, ke oni estas esperantisto, kuŝas iu mistero, mistero ne-esprimebla, kiu levas la homan intelekton super la nivelon de kutima ordinareco. Eble mi estas tro idealista, eble ĝi estas mia propra opinio, sed kiomfoje mi ekpensas pri Esperanto, pensoj miaj ricevas kvazaŭ ŝirmon kontraŭ malbono. Tiom pri la ideo.

Kaj pri la lingvo ni ankaŭ povas esti tre kontentaj. Kiom longe nia Lingva Komitato, aŭ pli ĝuste, ties plej ŝatata estro, Prof. Cart tenas la disciplinon, tiom longe — ankoraŭ 25 jarojn — mi povas tute trankvile labori. (Aplaŭdo).

Nia lingvo estas bone barita kontraŭ ĉiuj reformatencoj. Kompreneble — la vojo al tia natura evoluado staras larĝe malfermita. Kvankam, legante div. gazetartikolojn aŭ verkojn, mi ofte ne rekonas tiun belsonan, facile kompreneblen, unuvorte lingvon Zamenhofan. Ne gravas : Ne ĉio povas esti perfekta. Ni povas kun plena fido rigardi en la estonton. Esperanto ne trompos niajn esperojn. Eĉ se ni ne multaj, kies haroj jam estas grizaj, eĉ se ni maljunaj kajmalnovaj esperantistoj ne ĝisvivos la oran tempon de la efektiviĝo de l'bela sonĝo, ankaŭ ne gravas. Junaj, pli feliĉaj ĝisvivos ĝin plej certe. Nur oni ne devas vivi tro rapide, malpli paroli ol agi (Aplaŭdo). Nian estontan regnon de l'paco starigos ne iu politikaj partioj aŭ registaro. Ne ! Ĝin starigos la esperantistoj mem kun siaj laboremaj kaj servemaj konsuloj : delegitoj kaj vicdelegitoj de UEA. Kaj kiam nia verda regno estos preta, venos al ni registaroj kaj diros : — Ni gratulas vin kaj donas nian regnan apogon. Ni dankos — kaj ĉiuj eniros la paradizon. Dume ni iru nian vojon en forta konvinko, ke semoj, kiujn ni semis kaj semos konstante ne vegetos : ili eligos florojn. kies bel'aromo forigos la fi-odoron de la mond' eterne militanta. Kiel en antikva Romo Kato ripetadis ĉiam : « *Carthago delenda est* », ripetu ni ĉiam kaj ĉie al ĉiu kaj precipe al ni mem : « *Esperanto triumphenda est* ».

Karaj samideanoj ! Jaro rapide pasas. Ni nin eble revidos je la 23a en Krakovo. Do en la antaŭĝuo de la revido mi diras al vi agrablan vojaĝon kaj feliĉan hejmenvenon.

*(Laŭ stenografaĵo de Rob. Kreuz-Stolze-Schrey).*

Tondra aplaŭdo kvitancas la belajn kaj impresajn vortojn de Dro. Zamenhof.

*Sro. Merchant* per manpremo dankas Dron. Zamenhof pro la profundsenta parolado kaj kun la voko « Ĝis revido en Krakovo » deklaras la Kongreson fermita.

La orgeno ekludas solene kaj impresige. La kongresanoj leviĝas por kanti la himnon « La Espero » kaj poste disiras. La kongreso estas finita.

---

# Ĝenerala Estraro de la Esperanto-Movado

Sub tiu nomo kunsidas la reprezentantoj de la Naciaj Societoj kaj la komitatanoj de UEA dum la universalaj kongresoj por pritrakti la ĝeneralajn interesojn de la movado.

En UEA ne la Komitatanoj persone, sed la Komitato kiel estraro reprezentas la Asocion; sekve la traktotaĵoj estas prikonsiderataj de la kutima komitata kunveno de UEA kiu prenas pri ili formalajn decidojn. Ĉar plej ofte nur malmutaj Komitatanoj vizitas la kongreson, estas invititaj al la komitata kunveno ankaŭ la Ĉefdelegitoj aŭ iliaj reprezentantoj, sed la decidoj devas post esti submetataj al skriba voĉdonado de la tuta komitato.

Jen sekvas la decidoj, kiel ili estis skribe konfirmitaj al la prezidanto de la I.C.K., S-ro J. Merchant.

## Decidoj de la Komitato de UEA rilate la negocojn de la Internacia Centra Komitato

*Raportoj kaj Budĝeto:*

UEA akceptas kun danko la raporton de la ICK kaj konsentas kun la budĝeto kiel ĝi estis fiksita en la kunveno de la Generala Estraro.

Opiniante ke ne estas necesaj kvar kaskontrolantoj, ĝi petas Sinjorojn Malmgren kaj Robertson, elektitajn kiel kontrolantoj de la Konstanta Reprezentantaro, ke ili bonvolu ankaŭ funkcii en la nomo de nia asocio.

*Elekto de 2 membroj de la Internacia Centra Komitato:*

La Komitato de UEA bedaŭras la cirkonstancoj, kiuj kreis situacion, kie por du malplenaj lokoj en la I.C.K estis prezentitaj tri kandidatoj, laŭ ĝia opinio same indaj kaj meritplenaj.

Sed, por ne kaŭzi malinterkonsentojn, UEA rekonas siaflanke la kandidatojn, kiuj en la balotado de la Ko-Ro ricevis la plimultajn voĉojn, nome Sinjorinon Julia Isbrücker en Hago kaj D-ron Feliks Zamenhof en Varsovio.

*Raporto de la Prezidanto de la Komisiono por Unuecigo de la Esperanto Movado:*

(Devinte forvojaĝi subite, S-ro Vogt ne povis persone fari sian raporton; ĉar ankaŭ mankis sufiĉaj ekzempleroj de lia teksto, la kunveno rezignis pritrakti tiun negocon.)

Rilate la organizon internacian, la Komitato de UEA memorigas la deklaron de ĝi faritan en Budapest, la 4an de Aŭgusto 1929. Konsiderante ke D-ro Vogt estas la prezidanto de priorganiza Komisiono elektita dum 1928 interkonsente kun UEA, nia Komitato promesas zorge kaj lojale studi lian projekton.

Sed ni postulas ke en tiu, kiel en eblaj aliaj projektoj aŭ proponoj, la nomo UEA (Universala Esperanto-Asocio) estu nur uzata por nia asocio tia, kia ĝi ekzistas laŭ sia statuto, kaj ne por indiki iujn aliajn au nove kreotajn organizaĵojn. Ni scias ke D-ro Vogt, uzante nian nomon por lia projekto, havis neniun malĝentilan intencon, tamen ni devas insisti, ke la rajto je nia nomo restu respektata.

Plie ni dependigas la studon de la projekto de D-ro Vogt de la kondiĉo, ke kun la projekto estu sendata al ni kaj al la Naciaj Societoj iu plano de statuto aŭ konstitucio, kiu en formo de sinsekvaj paragrafoj difinas la konsiston, la rajtojn kaj devojn de la kreotaj organizaj elementoj. Sole tiaspeca « prova-konstitucio » permesos prijuĝi la ideojn de D-ro Vogt, en la nuna projekto ne sufiĉe precizigitajn, ekzameni la funkciadon de la kreotaj organoj kaj taksi la financajn sekvojn de tiu nova aranĝo.

Fine UEA deklaras, ke laŭ sia opinio la rôlo de la priorganiza Komisiono finiĝis per la prezentado de la raporto de ĝia Prezidanto, D-ro Vogt. Se do ĝis la proksima universala kongreso ne montriĝos akceptebla la plano Vogt aŭ almenaŭ ĝiaj fundamentaj principoj, tiam UEA rezervas al si ĉiun rajton partopreni aŭ ne-partopreni pliajn klopodojn aŭ elektojn de komitatoj por reŝanĝi la internacian organizon.

Rezervante la objecon, ke D-ro Vogt trovus novajn principojn de internacia kunlaborado kiuj estas notinda progreso kompare al la multegaj jam ellaboritaj projektoj, nia Asocio opinias ke la nuna organizo laŭ kontrakto de Helsinki estas tute taŭga. Ĝi konsilas lasi al ĝi la tempon bone funkcii kaj evolui, same kiel ni Esperantistoj agas rilate nian lingvon kaj ĝian fundamenton.

*Organizo de Ĉe-Kursoj:*

Ne konante sufiĉe precize tiun traktotaĵon antaŭe, la Komitato de UEA povis preni neniun decidon. Sed estas la deziro de niaj Komitatanoj esprimi ĉi tie al S-ro Ĉe sian dankon por la granda progresigo de la movado atingita per liaj kursoj.

Aŭgusto 1930, London kaj Bern:

Ed. Stettler, *Prezidanto.* P. Blaise, *Komitatano.*

# Fakaj kunvenoj

### I. S. A. E.

Internacia Scienca Asocio Esperantista havis ĝeneralan kunsidon, 6an de Aŭgusto ĉe Christchurch. Prezidis Profesoro Bujwid. Traktotaĵoj: Kotizoj, eldono de bona revuo, specialaj kunvenoj por sciencaj diskutoj. Kun bedaŭro oni akceptis la eksiĝon de S-ro Rollet de l'Ile, sekretario kaj S-ro C. Rousseau, kasisto. Pro la venonta kongreso en Krakovo oni proponis koncentrigi la direkton de la Asocio en Polujo.

Samtage vizito de la muzeo de malnovaj instrumentoj sciencaj la tiel nomata Lewis Evans Collection. Vendrede vizito al fabrikejo de fervoja ilaro en Swindon laŭ invito de la ĉefinĝeniero de la G.W.R. (Great Western Railway) (Laŭ E.A.M.)

# 9a Kongreso de Blindaj Esperantistoj en Oxford

Partoprenis 74 anoj, el kiuj 47 blinduloj el sep landoj. « Blindulemancipo », « Blinduloj en Masaĝo », « Blinduloj en Industrio », « Gvidhundoj », « Metia Hejmlaboro », kaj raportoj pri blindula kaj Esperantista movado en la diversaj landoj estis la pritraktitaj temoj. Speciale interesa kaj instrua estis ekspozicio de porblindulaj aparatoj kaj helpiloj.

Tion ĉion plibeligis la frateca kunvivado de blindaj kongresanoj spertita jam dum pasintaj Kongresoj kaj, kio al ni ŝajnis la plej granda avantaĝo de tiu ĉi Kongreso, la frateca kunesto kun vidantaj Kongresanoj, montrintaj al ni tiom da amikeco.

La postkongreso en Londono finis por ni per vere instruigaj vizitoj al Londonaj blindulinstitucioj: teksejo Barclay, la National Institute, kaj la National Library, el kiu kelkaj el ni eksterlandanoj de longe pruntas librojn. Specialajn dankojn ni ŝuldas al St. Dunstan's kaj al la blindulejo en Swiss Cottage, kiuj dum tiu tempo gastigis kelkajn el ni senpage.

Neforgeseblaj tagoj! Dankon al ĉiuj, kiuj preparis al ni ilin. Dankon al L.K.K., al I.C.K. kaj al nia kara samsortano W.P. Merrick kaj al lia vigla kaj oferema edzino!

R. Krchnak, K. Filss.

# ESPERANTO EN AMERIKO

ICK, Gazetara Komisiono.

## Argentino

La intelektaj medioj en Argentino ekinteresiĝas pri Esperanto. Precipe la junaj intelektuloj ne nur scivolas tion, kio estas Esperanto, sed iuj lernas la lingvon. Ĉe privataj kursoj, gvidataj de la samideanoj, S-ro Andreo Villafranca kaj D-ro Miguel H. de Catalano oni notis inter la lernantoj iujn verkistojn kaj ĵurnalistojn. Ĉefe konataj estas S-ro Alvaro Yunque, argentina rakontisto kaj poeto, kaj la hispana poeto Xavier Boveda, direktoro de la literatura revuo « Sintesis ». Ambaŭ montris ilian emon al afero nia, promesante post la fino de la kurso sin okupi pri propagando en kleraj rondoj. S-ro Boveda intencas verki esperante.

Krome, kaj dank' al influo de S-ro Alvaro Yunque, la literatura revuo « Claridad » estonte dediĉos du paĝojn por esperanta propagando. La ĉiutaga ĵurnalo « Ultima Hora » ankaŭ disponigos baldaŭ, regulan angulon por Esperanto.

Notinde estas ke la tagĵurnalo « La Protesta » publikigas sur regula loko esperantajn tradukaĵojn pri proletariaj aferoj.

## Kolombio

Dank'al energia laborado de venezuela samideano, S-ro Alberto Gomezcruz, estas atingita iom-post-ioma kunigo de samideanoj en Kolombio por metoda propagando. En la ĉef-urbo estas fondita la Kolombia Esperanto-Asocio, kiu, post vizito de S-ro Gomezcruz en diversaj lokoj, okupas sin pri la laboro en la tuta lando. (Adreso: Carrera 12. N° 127, Bogota.)

## Honduraso

S-ro Jagoda, eks-delegito de UEA en Santa-Marto (Kolombio), ekkomencis propagandi por Esperanto en Tela (Honduras) kaj klopodas kolekti izolitajn esperantistojn kaj varbi novajn adeptojn. (Adreso: M. Jagoda, Tela, Honduraso.)

## Brazilo

### Oficiala Sciigo

**S-roj lernejaj inspektoroj kaj direktoroj kaj instruistoj**

Mi sciigas vin, ke Brazila Ligo Esperantista proponis traduki en Esperanto leterojn, poŝtkartojn aŭ alian korespondaĵon, kiujn, laŭ la lerneja interŝanĝado, la lernantoj deziros sendi eksterlandon, speciale al la landoj, kies lingvoj estas malpli konataj ĉe ni (Rusujo, Persujo, Ĥinujo, Japanujo, Germanujo, Aŭstrujo, baltaj kaj skandinavaj landoj, kc.). Ĝi estas ankaŭ preta traduki portugalen la tie ĉi ricevitan esp. korespondaĵon.

En sia sidejo (Placo 15 de Novembro 101, 2a etaĝo), Brazila Ligo Esperantista donos al la interesuloj ĉiujn klarigojn.

Distrikto Federala, 12-an de Marto 1930. (s) Jonathas Serrano. Tekniko Sub-Direktoro.

### Esperantistaj grupoj en tuta mondo, Delegitoj de UEA en Usono

**Bonvolu atente legi.**

Pasintan jaron la esperantista klubo en Milwaukee-Wisconsin, aranĝis ekspozicion dum la ŝtata foiro. Ĝi estis la dua grandstila esp. ekspozicio en Wisconsin, la unua okazis dum la nacia esp. kongreso en Madison 1928.




*Esp. stando en Milwaukee en 1929.*

Dum la ekspozicio disdoniĝis kelkmiloj da propagandiloj pri E. Oni notis la nomojn de la interesuloj kaj poste varbis por vintra kurso, kiu komenciĝis je la tria de Oktobro 1929. Gvidis ĝin S-ro Filipo Hahn.

La tuta materialo (vidu la bildon) estas propraĵo de S-ro Rudolfo Goldner, Delegito de UEA. Por ke ĝi estu utila, la posedanto estas preta disponigi ĝin senpage al ĉiu esp. grupo en Usono kontraŭ respondeco kaj garantio de la loka Delegito de UEA, pago de la sendkostoj. La materialo konsistas el 160 esp. libroj, 70 gazetoj, bela aro da flugfolioj, afiŝoj, turismaj presaĵoj, reklamiloj, kolekto de poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj, kvar albumoj de helpmonoj eŭropaj. Tamen tio ne estas sufiĉa por grandstila ekspozicio kaj aro da objektoj estas jam tro uzita. Necesas ĝin renovigi. Ĉiu societo klubo aŭ grupo — *ne unuopaj samideanoj* — sendontaj al S-ro Rud. Goldner objektojn interesajn (bagatelaĵojn esceptitajn) ricevas usonajn poŝtmarkojn por kolekto, en folioj, neuzitaj, okazajn kaj eĉ maloftajn. Ankaŭ poŝtkartojn pri usona historio, indianoj k.t.p. Petata estas: Esp. libroj, broŝuroj pri Esperanto en ĉiuj lingvoj, periodaĵoj esp., gvidlibroj, geografiaj kartoj, afiŝoj pri esp. kongresoj, reklamiloj, foiraĵoj, PM kaj PI. Plie grandan bildon de D-ro Zamenhof, fotografaĵojn pri kongresoj k.t.p. unuvorte ĉion kio rilatas al Esperanto. Por ne ricevi duoblaĵojn sendu tiajn objektojn nur la grupoj en la loko kie aperis koncerna presaĵo aŭ eldonaĵo. Pri objektoj pli valoraj, ne donaceblaj la eldonistoj estas peta-

taj komuniki kontraŭ kia kompenso la aĵo estas havebla, krom aĉeto. Tiu ĉi kolektado daŭras ĝis du monatoj post apero de tiu ĉi artikolo por Eŭropo kaj tri monatoj por aliaj kontinentoj. Sendaĵoj ricevotaj do post tiuj tempolimoj ne estas kompensotaj pro manko de tempo dum la vintra sezono. Sendontoj skribu legeble vian adreson.

En la jaro 1933 okazos en Chikago internacia ekspozicio, eluzota okazo por nia movado. Sendube esp. stando en tia elmontraĵo grandioza estas efike propagando. Ĉu la enlanda nacia societo aŭ la loka societo en Chikago aranĝos ion oni ne scias ankoraŭ. Sed la kolekto de S-ro Goldner jam estas bazo kaj la ricevotaj objektoj povos servi ankaŭ por tiu ĉi ekspozicio.

Sendontoj atentu: Unua, deka, kvindeka kaj centa sendonto (grupo) ricevos specialan premion, kiu konsistas el grandformata poŝtkarto kun vidaĵo de urbo Milwaukee el aero kun surgluita 75 cenda poŝtmarko montranta aerŝipon « Graf Zeppelin ».

RUDOLF GOLDNER, *Delegito de UEA*
030-32nd street
Milwaukee, Wis. U.S.A.

# MONDVOJAĜO por ESPERANTO

**(Organizita de la Internacia Centra Komitato, Ĝenevo)**

*S-ro Joseph R. Scherer survoje al Japanujo.*

Sinjoro Joseph R. Scherer, Los Angeles, la speciala delegito de I.C.K. forvojaĝis la 20 septembro de San Francisco (Kalifornio) al Japanujo. Li haltos dumvoje nur en Honolulu (Havaja Insularo). Okaze de lia forvojaĝo la I.C.K. sendis al li la sekvantan telegramon:

« Scherer, pasaĝero V/Ŝ Tatsudamara Haveno, San-Francisco.

« Kordezirojn agrabla sukcesplena vojaĝo. Esperantocentro. »

S-ro Scherer al tio respondis per radiogramo de la ŝipo en la Pacifika Oceano laŭjene:

« Esperantocentro, Genève,

« Ekveturinte chirkaŭ la mondo korsalutas tutmondan samideanaron atendas ghian plenhelpon por sukceso ICK-protektita propagandvojaĝo. » SCHERER.

Antaŭ sia forveturo S-ro Scherer jam entreprenis div. propagando-paŝojn en Kalifornio, kie la esperantistoj feste adiaŭis lin. Ni esperas ankoraŭ publikigi raporton post ricevo de detaloj.

*S-ro Scherer kongresano N° 1 en Krakovo*

La L.K.K. de Krakovo informis nin, ke S-ro Scherer enskribiĝis kiel kongresano n-ro 1 por Krakovo.

Oficiala Komuniko de I.C.K.

La direktoro de I.C.K. informas nin, ke la japanaj samideanoj jam vigle preparas la detalojn por la rondvojaĝo de S-ro Scherer tra Japanujo. S-ro Scherer alvenos la 5 oktobro en Jokohamo. La I.C.K. jam ricevis invitojn por paroladoj de S-ro Scherer en Javo.

*Eŭropo*

Provizore respondante al la ricevitaj invitoj por Eŭropo la oficejo de I.C.K. informas, ke posedante ĉiujn invitojn, ĝi starigos definitivan programon kaj ankoraŭ sciigos ĉiujn invitintojn pri la eblecoj por finfiksi la detalojn.

Aldone al la kondiĉoj pri paroladoj ĝi sciigas, ke S-ro Scherer kunportas dum la tuta vojaĝo propran projekcian aparaton uzeblan ĉie.

# Esperanto  Programo



Komisiono de I.C.K.: Radio-statistiko.
Redaktas: J. Jungfer, Lindenstrasse 10, Lübbe*, N. L. Germ

*La tempo estas tiu de Meza Eŭropo.*

La vintra tempo de la meridiano de Greenwich (GMT) estas unu horo pli frua.

**Mallongigoj.**

*D* (Dimanĉo), *L* (Lundo), *M* (Mardo), *Mk* (Merkredo), *J* (Ĵaŭdo), *V* (Vendredo), *S* (Sabato).

| Tago horo | Stacio | Ondo-longo | Temo | Parolanto |
|---|---|---|---|---|
| D : 08.30 | Langenberg | 473 | Kurso | A. Dormans |
| L : 19.45 | Lille, PTT | 265 | Prelego | A. Trotin |
| 20.00 | Tallinn | 296 | Estonio kaj Esperanto-Movado | |
| 22.15 | Alger | 364.5 | | S-ro Rivier |
| M : 17.40 | Huizen | 1071 | Novajoj : ĉiun duan M. | P. Heilker |
| Mk : 18.35 | Stuttgart | 360 | El'Originala Verkaro. ĉiun 2. M. | D-ro Vogl |
| J : 17.30 | Paris PTT | 447 | Kurso | S-roj Rousseau, Lajarte |
| 18.00 | Paris PTT | 447 | K por instruistoj | Prof. Cart |
| 22.10 | Kaunas | 1935 | | J. Kutra |
| V : 18.05 | Leipzig | 259 | El literaturo & movado | |
| 19.00 | Stuttgart | 360 | Ciun duan V. Programo | D-ro Dietterle Christaller |
| 20.00 | Ljubljana | 575.8 | Programo | |
| 22.20 | Bern | 408 | Programo | K. M. Liniger |
| S : 18.00 | Breslau | 325 | | |
| 18.45 | Zŭrich | 459.4 | Kurso | R. Unger |
| 18.45 | Königsberg | 276 | Programo | |
| | Danzig | 452 | Programo | |
| 20.10 | Lyon la Doua | 456 | Novajoj | E. Borel |
| 21.15 | Kharkiv | 938 | | |
| 22.15 | Bruxelles | 508.5 | Programo | |
| **Neregulaj dissendoj** | | | | |
| 20.40 | Odessa | 450 | ĉiumonate je la 3a, 8a, 13a, 18a, 23a, 28 a | N. Holm |
| 21.00 | Minsk. | 700 | sesfoje dum monato | P. Snejko |
| 22.30 | Leningrad | 1000 | ĉiumonate : 2a, 12a, 22a, Novajoj | |
| 23.05 | Leningrad | 1000 | Nov 9a, 19a, 29a | |

# Amerikana sprito

Dum la lasta jaro aperis 14.086 libroj en Anglujo. Kelkaj inter ili ne estis de Sinjoro Edgar Wallace.

Eble oni povus jure persekuti la aĉetantojn de alkoholaĵoj en Usono sub la paragrafo pri hazarda ludo. (*Brunswick Pilot.*)

Ses sinjoroj proponis sin kiel trezoristoj de urbo Chicago. Kiaj optimistoj! (*Chicago Tribune.*)

Nuntempe ĉion oni utiligas de l' porko, escepte la blekadon. (*Punch.*)

Scienculo asertas ke bestoj povas ridi. Nenia miraklo, se oni konsideras la homojn kun kiuj la bestoj devas rilati. (*Florence Herald.*)




# Internacia Polica Ligo

## Oficiala Informilo

La grupo Berlin alsendis la malsupran bildon kun jena raporto:

Depost la jaro 1926 ĉiujare estas aranĝita kursoj de E. inter la policistaro de Berlin. Tiajn kursojn ankaŭ favorigis la loka policestraro. Senkoste ĝi disponigis al la partoprenantoj la necesajn ejojn por sukcesigi la kursojn inter sia oficistaro. En sama maniero ankaŭ la pruslanda policista unuiĝo, fondita por disvastigi la fakscie ncon inter siaj membroj, favore helpis la kursojn.

Kiel kursgvidantoj dankinde funkciis jenaj sinjoroj honorofice: Rektoro Wittbrodt, Krim. Komisaro Lipik, Direktoro Glück kaj S-ro Walter, kompilinto de la « Gajaj Horoj ».



La bildo jene prezentas la plej bonajn lernantojn el la lasta kurso kun la kursgvidantoj, sinjoro Lipik, starante apud la tabulo kaj sinjoro Walter, starante apud li. La bildo estis uzita propagande en germanaj fakrevuoj. Pro tio la teksto sur la tabulo estis elektita en formo, ke ĉiu germana policisto, nekonante la lingvon, tamen povu kompreni ĝin.

Oni imitu tiajn laŭdindajn kursaranĝojn, ankaŭ sekvu la ekzemplon, alsendu raportojn pri ĉiuj propagandaj sukcesoj!

*Noto de la Liga administracio!*

Membraro estu atentigata! La liga jaro estas la kalendara. Ĝi komencas je la 1a de Januaro kaj finas je la 31a de Decembro. La kotizo por la nova jaro jam povas esti pagata ĝis la fino de la antaŭa jaro. Ne forgesu pagi la kotizon jam nun, ĝis fino de ĉi tiu jaro por 1931. La pagon akceptas la kompetentaj delegitoj aŭ la liga ĉefkasisto, sinjoro A. Gräfe, Leipzig C 1, Wächterstrasse 5, Polizeipräsidium.

Regula alsendo de nia Revuo venontjare nur povas esti garantiita post ĝustatempa kotizpago!

Liganoj! nepre plenumu viajn ligdevojn!

A. Pohle,
*Liga redaktoro.*

# En kelkaj linioj

*** La Brusela grupo informas, ke la nuna sidejo troviĝas en la Brasserie du Sac, 4 Grand'Place. La kunvenoj okazas ĉiulunde, je la 20a h.

*** Esperanto-Gruparo Berlin decidis, aranĝi 3 tagan antaŭkongreson en 1930. Pliaj informoj aperos en venonta numero de tiu ĉi gazeto.

*** La estraro de la Arada distrikto de la presista unuiĝo (Arad, Rumanio) decidis ke de nun ĉiuj presaĵoj de la unuiĝo estos akompanataj de teksto en Esperanto, apud hungara kaj rumana lingvoj

# Esperantista parolejo

**Esperantistoj de ĉiuj landoj, unuiĝu!**

Nome vi Esperantistoj, kiuj komprenas, ke la nuna «ordo» de la homaro estas nepra malordo kaj ke pro tio venos granda katastrofo. Sentu la devon energie labori por la justo kaj bono. Unuiĝu en la homarpartio, ĉar sen unuiĝo ne ekiĝos forto. La homarpartio (religie neŭtrala) jam estas disvastigita super la tuta tero kaj komunikos al vi la adresojn de enlandaj samcelantoj kaj daŭrajn raportojn pri la afero, ne postulante destinitan kotizon. Bonvolu skribi al la centro: Hamburg-Blankenese, Weddigenstrasse 1.

**Unuiĝo Terglobŝtato**

*Programo:*

1) Al la justa tutmonda ŝtato trans la ponton de la mondlingvo Esperanto! La Ligo de Nacioj dekretu baldaŭ, ke en ĉiu lernejo de la terglobo estu instruata apud la gepatra lingvo: Esperanto! Oficlingvo de la Ligo de Nacioj estu Esperanto!

2) Ĉiajn disputojn inter la nacioj decidu la Mondjuĝejo en Hago; la terglobleĝojn dekretu la tergloba parlamento!

3) Tutmonda polico tera, akva kaj aera, el ĉiuj popoloj, kun Esperanto kiel deĵora lingvo! Kiu ne submetiĝas al la Mondjuĝejo, estu venkota per tergloba polico!

4) La naciaj armeoj estu sinsekve malgrandigotaj laŭ la pligrandiĝo de la tergloba polico kaj fine dissolvotaj.

5) Libera komerco kaj migrado tra la tuta terglobo!

6) Sekretario de la Unuiĝo Terglobŝtato: *Otto Lüerssen*, Hamburg 37, Innocenciastr. 25. Membrokotizo: jare 1 marko.

***

La eldonintoj de la Internaciaj Konvencioj pri fervojaj trafikoj kaj la tradukinto de la verko dissendinte senpage 150 ekzemplerojn al diversaj eminentuloj de nia movado kaj al ĉiuj asesoroj de I.A.E.F. ricevis tiom da dankesprimoj, ke ili ne kapablas danki al ĉiu skribinto aparte, tial ili esprimas sian sinceran dankon publike al ĉiuj, kiuj bonvolis afable akcepti la verkon kaj esprimis sian opinion pri ĝi. Precipe ni mencias S-rojn John Merchant, prezidanton de I.C.K., Eduard Stettler, prezidanton de UEA, D-ron Dietterle, direktoron de la E.I. en Leipzig, Th. Cart, prezidanto de E.A., Rollet de l'Isle, E. Grosjean-Maupin kaj C. Rousseau en Paris, D-ron Liebeck en Berlin, kiu promesis pritrakti la verkon en la revuo: « Juristische Wochenschrift », P. Christaller en Stuttgart kaj W.L. Waterman en Mile End en Suda Aŭstralio, kiuj tralegine la tutan tradukon donis tre valorajn instigojn al diversaj pliboniĝoj, fine Hugo Salokannel en Salminen — Finnlando, Paŭlo Balkanyi en Budapest kaj Esperanto Presse Dienst en Berlin, kiuj diskonigis la tradukon en siaj naciaj lingvoj.

Ankaŭ al ĉiuj ceteraj skribintoj nian sinceran dankon!

La eldonintoj: J. Mastny. — Ant. Kudela.
La tradukinto: Josef Rebiĉek.

**Ekspozicio de la Unuiĝo « Ligo de Nacioj kaj Paco »**

Estas agrabla tasko tutkore danki al ĉiuj samideanoj, kiuj surprizis kaj helpis min, sendante belajn poŝtkartojn por la ekspozicio, kie ili utilos multe.

Aparte mi ŝatas mencii la sendaĵon de S-ro Rudolf Goldner el Milwaukee, Ameriko, kiu ĝojigis min per tuta kolekto de interesaj poŝtkartoj pri Indiana vivo. Krom tio sur ĉiu karto estis valoraj poŝtmarkoj. Li nun mem bezonas materialon por Esperanta ekspozicio, promesante rekompensi la sendantojn per similaj kartoj, kiujn li sendis al mi. Volonte mi instigas la Esperantistoj plenumi la peton de S-ro Goldner, kiu certe kontentigos vin. *Julia Isbrücker, Oostduinlaan 32,* den Haag.

## ONI DANKAS

S-ro Ŝindo-Seitaro, ano de UEA el Osaka, Japan., petis nin esprimi sian dankon al:

S-ro Blankenheim, eksdel. en Berlin, kiu aranĝis por mi la vojaĝon kiel oficisto de MER (Mezeŭropa Voyaĝoficejo), la plej taŭga profesio de UEA del.!

S-ro W. Chitty, Del. en Dover, Anglujo, kiu faciligis al mi la doganan ekzamenon, alie tre ĝenan.

S-ro F.E. Wadham, Vd por turismo, kiu bonvenigis ĉe Victoria stacio mian unuan viziton al la urbego Londono.

S-ro Andersen, D, kaj S-ro Lindberg, VD en Malmö, kiuj aranĝis sukcesan paroladon pri Japanujo en la loka gimnazio.

S-ro E. Malmgren, D, kaj S-ro R. Pehrsson VD en Stockholm, kiuj okupiĝis pri mia propaganda vojaĝo en Svedujo.

F-ino A. Gyllsdorff, D en Linköping, kiu zorge preparis propagandan paroladon en la urbo.

S-ro N.A. Nordlund, D en Kristianstad, kiu donis al mi valoran informon kaj sian verkon pri sveda interparolado.

S-ro O. Bünemann, D en Hamburgo, kiu min invitis al la kunveno de la lokaj esp-istoj.

S-ro B. Schmidt, ĈD en New York City, kiu ĉiel helpis mian restadon en la urbego kaj esp-istan agadon.

F-ino A.C. Leavitt, VD en Washington.

S-ro G. M. Burkarth, St. Louis, kiu min gvidis kun sia filo.

S-ro J.H. Fazel, D en Topeka, kiu gastigis min kaj donis bonan okazon renkonti kun lokaj samideanoj.

S-ro J.R. Scherer, kiu donis al mi ĉiujn eblajn okazojn por la propagando. Ges-roj C.R. Witt, VD en Los Angeles, kiuj bonvolis min gastigi dum mia restado en la urbo kaj donis al mi plej grandan komforton kaj oportunon.

S-ro A.S. Vinzent, ĈD en San Francisco, kiu gvidis min tra la urbo per sia aŭto, S-ro B.F. Ames, ĉe kies hejmo mi havis okazon renkonti kun lokaj esp-istoj.

*** S-ro R. Richez el Genève kore dankas S-ron Ed. Verbeke, Direktoro de la Esp-ista hotelo « Au Cornet d'Or » en Brugge pro lia afabla akcepto.

*** S-ro Charles Meyer, Ano de UEA 36008 en Saint Maur, Seine, Francujo, kore dankas al S-roj Peter Willink kaj Brocker el St. Tönis, Germ., por servoj okaze de trapaso, Junio 1930 kaj al la grupo en Krefeld por afabla akcepto.

## Esperantista vivo

### Naskiĝoj

*** Al Ge-sroj Houzé en Dunkerque, Francujo, filo Gérard, 14.8.30.

*** Al Gesinjoroj Wehrheim, D de UEA en Hildesheim, German., filo Ulrich, 19.8.30.

*** Al Ge-sroj Oberländer vel Sternberg, D de UEA en Czortkow, Polujo, filineto Roza.

### Fianĉiĝoj

*** S-ro Jan Tromp, Ano 35469 en Zaandam, Nederlando, kun F-ino N. E. Stroo.

*** S-ro Ludoviko Jakobovics, M. de UEA en Cluj, Ruman, kun F-ino Aranjo Fischl, pianartistino, Lupeni.

### Edziĝoj

*** S-ro Julien Fechter, Ano de UEA en Parizo kun F-ino Thérèse Gelbein, 30 Aŭg. 1930.

*** F-ino Anjo Prihoda, Vicdelegito de UEA en Dvŭr Králové, Ĉeĥoslovakio, kun S-ro Frederiko Herzog, pentristo en Bernsdorf ap. Trautenau.

*** S-ro Josef Burita, Delegito de UEA en Mêstec Králové, Ĉeĥoslovakio, kun F-ino Máĥa Otrubová.

*** S-ro Ladislao Bordás, vicdelegito de UEA, Salonta, Ruman., kun F-ino Irenjo Berzsenyi, Salonta.

*** S-ro Klau kaj F-ino Gallewski ambaŭ anoj de UEA en Görlitz, German., 15. Septembro 1930.

### Honorigo

*** S-ro Michal Janczalik, MA en Kraków, akiris la gradon de jura doktoro.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-RO GRZEGORZ SIANOZECKI, medicina doktoro, MA de UEA 28052 en Katowice, Polujo, mortis 10.8.30 en Selce, Jugoslavio. Fervora samideano senlace klopodinta por nia movado. Starigis sanatorion « Esperanto » en Selce ĉe la marbordo kien li veturis por inaŭguro.

S-RO MARIO LERNER, Ano de UEA 31117 en Znaim (Znojmo) Ĉeĥoslov.

S-RO RUDOLF SPALEK, banka prokuristo, n-ro 15649, longjara membro de UEA subite je korapopleksio mortis en Bratislava. Samideanoj en Bratislava perdas en li ageman, laboreman, humilan kaj ĉiam kaj ĉie helpeman amikon. Li postlasis gepatrojn, edzinon kaj kvar malgrandajn infanojn.

S-INO MARY IRWIN, Anino n-ro 28764 en Saint Petersburg, Florida, Usono.

D-RO JOHANO KISS, prelato, estinta rektoro de la Budapesta universitato. Multe klopodinte por Esperanto en teologiaj rondoj, 72 jaraĝa, Aŭgusto 1930.

D-RO LADISLAU PICARRA, senatano, kuracisto, 5. Sept. 1930. Iama prezidanto de la ĝenerala kunveno de l' estinta Lisbona Esp. Societo.

D-RO ARNOLD MINIBECK, Ministeria konsilanto Aŭstria, 17. Julio 1930, 51 jaraĝa post operacio. Prezidinto de la deksesa E kongreso en Vieno 1924.

S-RO HANNS WANNEK, aviadisto, frato de nia komerca delegito en Linz, S-ro Karl Wannek, akcidente dum flugekzercoj en Augsburg, 29. Aŭg. 1930, 37 jaraĝa.

F-INO ELISE THAM, D de UEA en Hohenelbe, Ĉeĥoslovakio, havis la ĉagrenon perdi amatan patrinon.

*Sinceran kunsenton!*

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro E. A. Zilver, Damrak 95, PM (Malakceptas bagatelaĵojn).
*Berchem-Antwerpen* (Belgujo). — S-ro A. Houben, Kemmelbergstraat 3, PM, po 100 aŭ 500 ekz. k.ĉ.l.
*Borŝice apud Buchlovice* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Dolfa Bartoŝik, PI., bfl., L., pri arto, popolo kaj naturo kun Oriento, Aŭstralio, Afriko kaj Suda Ameriko. Certe respondos.
*Braila* (Ruman.). — S-ro Aleksandro Diancov, pastro, str. Rahovei 100, pri diversaj temoj. Nepre respondas.
*Budapest* (Hungarlando). — F-ino Charlotte Vargha, VI. Podmanicki utca 71, III. 1, PM., bfl., Fot-aĵoj, k.ĉ.l.
*Buenos Aires* (Argentino). — S-ro Bagués, str. Chile 1537, PI. k.ĉ.l.
*Castellazzo Bormida* (Italio). — S-ro Giuseppe Carassa, estro de silkŝpinejo, PK., L., kun ĉinaj aŭ japanaj samideanoj pri kokon- aŭ silklaborado.
*Joanina* (Greklando). — S-ro Dem. Konstantopulo, leŭtenanto, Milita hospitalo, L., kun militfarmaciistoj pri la organizo kaj situacio de la armea farmaci-korpuso en ĉiuj landoj.
*Jyderup* (Danlando). — S-ro Erik Pedersen, Holbäkvej, PI., bfl., naciaj flagetoj, moneroj, gazetoj, fot-aĵoj k.ĉ.l.
*Kanton* (Ĉin.). — S-ro M. Kai Wong, P.O. Box 88, studento, PI., L.
*Konecchlumí apud Jičín* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Pavel Mejsnar L., PM., PI., bfl., Gaz. Koresp. esper., angle, france, germ.
*Konecchlumí apud Jicín* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Oldrich Prokop, L., PM., PI., bfl., Gaz. Koresp. esper., angle, germane..
*Mercedes* (Uruguay). — F-ino Alicia Gustavino Centurión, strato 18 de Julio, 70, L., PI.
*Reichenberg* (Ĉ.S.R., Bohemio). — S-ano Heinrich Michalek transloĝiĝis el Lerchenfeldstrato al antaŭurbo Nieder-Hanichen 138. Interŝanĝas ĉiajn esperantaĵojn.
*Rétság* (Hungar. Nógrád). — F-ino Heleno Kernyájszky, Reĝa Notaria Oficejo, PI., k.ĉ.l.
*Riga* (Latvolando). — S-ro Edgards Bellinŝ, Kurmanova iela 11 dz. 17 interŝanĝas PM., donas revuojn, novan kaj malnovan papermonon, gazetojn, PK., kontraŭ PM. Korespondas Esperante, latve, germane, ruse.
*Soerabaya* (Ned. Indio). — S-ro H. J. Tuinder, eksdelegito, informas ke li ne plu akceptos sendaĵojn de PM kiuj estas forsenditaj post la apero de tiu ĉi anonco. Li nur respondos al ĉiuj, kiuj sendis antaŭe kaj samtempe transdonos grandparte la interŝanĝadon de PM al S-ro P. A. Kellenberg, p. a. Fraser, Eaton kaj C-ie, Soerabaya. La provizora adreso de S-ro Tuinder estas: p. A. Handelsvereeniging Amsterdam, Medan (Sumatro). Ankaŭ S-ro Kellenberg nur korespondos kun la malnovaj korespondantoj de S-ro Tuinder.
*Timisoara* (Ruman.). — S-ro Ŝtefano Récsányi, str. E. Godju 10, deziras korespondi k.ĉ.l. (kun amator-magistoj, iluziistoj, ĵonglistoj, sorĉistoj).



## Petoj kaj Proponoj

***INTERNACIA KOMERCO***

*Adresŝanĝo.* — La adreso de Ivan H. Krestanov, L.K., red. de BEB kaj de Esp. fako de B.L. dum la nuna 1930-31 studjaro estas: Targovska Gimnazia, en *Plovdiv*, Bulgarujo.

*Adresŝanĝo.* — Per tio ĉi mi sciigas ke mia nova adreso estas: M. Jagoda, Tela, Honduras, Centra Ameriko.

*Amatorfotojn*, precipe kun ekstereŭropaj amatoroj deziras interŝanĝi S-ro Karel Stárec, Hradec Králové, Pospíŝilova 528, Ĉeĥoslovakio.

*Ĉiu vera Esperantisto*, volas funde studi la lingvon kaj ĝian internan ideon. Do partoprenu superan kurson perleteran ekde Oktobro. Severa kontrolo. Por prospekto skribu al L. Funken, D de UEA, diplomita instruisto de Esperanto, Moselweisserstrasse 20, Koblenz, Germanujo.

*Ĉu estas la kapitalo?* — Bonvolu vin turni al S-ro Walther Petzold, 1 Hindenburgstr. Schleiz, Germanujo, Thüringen.

*Dudek trijara fraŭlo*, abstinento, nefumanto, bona metalmetiisto serĉas laboron en eksterlando por lerni lingvojn. Francujo, Britujo kaj Usono preferataj. Samideanoj helpu! Ambroz Böhm, Hodruŝa zupa XVIII. Ĉeĥoslov. (Ni atestas, ke S-ro Böhm estas inda je helpo. Teritoria Oficejo.)

*Filatelistoj.* — Vendas PM (Servajn, aerajn, bonfarajn), PK, maŝinŝtampaĵojn papermonon. K. Riess, Lauingen, Clemensstrasse 6 (German.).

*Filatelistoj.* — Rumaniajn PM. 1915-1930 mi sendas, por PM., 25-30 pecojn de via lando. Petas afranki registrotan leteron per malgrandvaloraj PM. O. Hauker, pensiulo Georghe Lazar 17, Cernauti, Rumanio.

*Koran dankon* al ĉiuj, kiuj afable sendis ilustritajn kartojn por la ekspozicio de la Unuiĝo por la Ligo de Nacioj kaj Paco. Julia Isbrücker, Hago, Nederlando.

*Libertempo.* — « Pasigu la someron senpage en eksterlando ». Kiu germano, anglo aŭ franco interŝanĝus kun mi loĝlokon en la venonta somero? Mi estas studento kaj loĝas en provinca hungara urbo, kies ĉirkaŭaĵo estas belega. Miaj samhejmanoj parolas ankaŭ Esperanton kaj germane. Skribu jam nun por interkonatiĝi al S-ro Jozsef Vary, Vay - uti, telep 11, Miskolc, Hungarlando.

*Malmultekosta Esp. legaĵo.* — Tri belaj verkoj en Zamenhofa Esperanto nome la *Bulgara Antologio*, *Bulgara Lando kaj Popolo*, *El la Proksima Oriento*. Ĉiujn kune nur 5 sv. fr. (anstataŭ 11.50 sv. fr.) sendas: Ivan H. Krestanov, profesoro en la Komerca, Targovska Gimnazio, Plovdiv, Bulgarujo. Oni aldonu 1 sv. fr. por sendo rekomendita, plenumata nur kontraŭ antaŭpago.

*Poŝtmark-interŝanĝon k.ĉ.l.* serĉas Emil Ott, ekskapitano, Gyurkovicsgasse 8a, Bratislava, Ĉeĥoslov.

*Ses jarkolektoj* de « Esperanto » (UEA) estas vendataj: 1924, 1926, 1927, 1928 sen tabelo de enhavo, 1929, 1925 mankantaj n-oj 298-301 de monatoj junio-septembro. Grava por bibliotekoj. Prezo: 4 fr. sv. por plena jarkolekto, 2 fr. sv. por 1925, plus 20 % por poŝtsendo. Adreso: Aleksander Juchniewicz, Krzywa, Wilno (Polujo).

# I. A. L. A.

Por la statistiko, kiun ni faras por IALA (International Auxiliary Language Association in the United States, Inc.), New York, rilate la esperantistan instruistaron kaj rilate la temon « Esperanto en lernejoj », ni nepre bezonas ankoraŭ specialan materialon laŭ decido de IALA. Estas necese, konstati, en kiuj lernejoj de la mondo dum la tempo de la lasta kvaronjaro 1.X.-31.XII. 1930 Esperanto estas instruata en lernejoj.

Ni tre kore petas, ke ĉiuj gekolegoj, kiuj dum ĉi tiu tempo instruas Esperanton en siaj lernejoj, sciigu nin pri tio. Ili estas petataj:

1) doni sciigojn pri la koncerna lernejo, sciigante ĝian nomon en sia nacia lingvo (per latinaj literoj) kaj samtempe doni la nomon kaj la gradon en Esperanto,
2) doni sian precizan propran adreson kaj
3) aldoni notojn, kiuj ŝajnas necesaj por klarigi la situacion.

Ekzemplo:

al. 1) 5. Gemeindeschule Berlin S. 13, Blumenstrasse 48 (unuagrada popollernejo).
al. 2) Hans Feierabend, Volksschullehrer (popollerneja instruisto), Berlin W.35, Poststrasse 92, II.
al. 3) 2 horojn po semajne, nedevige, por 12-jaraj knaboj de la 6-a lernojaro.

*Estas tre grave, ke ni povu liveri kiel eble plej kompletan materialon, grave por nia kunlaborado kun IALA kaj same grave por nia Esperanto-propagando.*

La rezulton ni transdonos al nia Esperanto-gazetaro.

« Kunlaborado de IALA en New York kaj de la Instituto J. J. Rousseau en Genève kun la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko en Leipzig. » D-ro DIETTERLE.

N.B. — Bonvolu sendi la materialon plej malfrue ĝis fino de l' jaro 1930 al la sekretariino de « Kunlaborado »: F-ino Martha Moelke, Brandenburgische Str. 5, I *Berlin-Südende*

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE